# Sennacieca Revuo

Serge Sire
Djemil Kessous
Nikolao Gudskov
Tatjana Auderskaja
Rubén Feldman González
Kep Enderby
Ulrich Lins
Boris Kolker
Tetu Makino
Cez

**SENNACIECA REVUO** ESTAS ELDONO DE **SAT**
67, AV. GAMBETTA, FR - 75020 PARIS
SUPPLÉMENT AU NR 5 MAI 2004 (1187) DE SENNACIULO

# Sennacieca Revuo

(ISSN 1248-2293)

Nova serio jaro 2004 N-ro 132

3 Enkonduko
jakvo

4 Iu revolucia mondkoncepto
Djemil Kessous

9 Antinomioj de la nacia disvolviĝo
Nikolao Gudskov

12 Vasilij Eroŝenko - Japana poeto
Tatjana Auderskaja

19 Faktoj pri faŝismo en la pasintaj 200 jaroj
Rubén Feldman González

31 " NIA Vilnjuso kaj ILIA Jerusalemo"
Boris Kolker

33 La sagoj de amoro
Cez

34 Unu mondoetiko de tutmondiĝo
Kep Enderby

40 Revoj kaj esperoj en Ĉinio
Ulrich Lins

43 Historio de la naciisma ideologio en Japanio
Tetu Makino

47 La poemojn verkis Cez
Cez

Desegno dorsopaĝo
Serge Sire

Korektantoj kaj lingvaj-kontrolistoj:
K. Barkoviĉ; N. Caragea;
J. Bannier; P. Levi; G. Mickle;
Kompilanto: J. Schram

Sennacieca Revuo estas eldonaĵo de Sennacieca Asocio Tutmonda

# Enkonduko



Novan numeron de "Sennacieca Revuo" vi tenas en la manoj. Sur la frontopaĝo vi vidas unu el la plej freŝaj fotoj de Marso, la ruĝa planedo sur kiu nun esplorveturilo prenas fotojn kaj ekzemplojn de la surfaco, por ke ni povu scii ĉu vojaĝo al Marso eblas.

Mi ne havas imagon kiom kostas la esplorado de ĉi tiu belkolora planedo, sed mi pensas ke per la mono oni povus forigi multan mizeron sur la blua planedo.

Ne koleru se mi erare pensas, ke nepre necesas ke homoj sciu kio okazas sur Marso, ke mono, kiun ni donas por la esploro valoras. Tamen donu al mi la rajton havi miajn dubojn.

Tinĉo, la fama ĵurnalisto kreita de Hergé jam iris al la luno en 1953. Li tiel plenumis la revon de la desegnisto. La 21-an de julio 1969 la unua persono efektive metis piedon sur la lunon. Laŭ spertuloj, la vojaĝoj por esplori la lunon rezultiĝis ke multegaj novaj iloj kiuj servis por plikonfortigi la vivon de la homaro aperis en nia taga vivo. Denove mi devas fari demandon: ĉu sen la vojaĝo al la luno ni havis malpli da komforto? Ĉu ni estus malpli riĉaj homoj, kaj evidente mi ne parolas pri mono.

Ni ankaŭ povas fari al ni demandon: ĉu sciencistoj nur devas doni laborforton al projektoj kaj konceptoj kiuj rekte utilas al la homaro, aŭ ĉu elspezi milonojn da dolaroj al ĉi tiuj prestiĝaj projektoj estas necese por la evoluo de la scienco kaj de la homaro?

Denove mi povas prezenti al vi interesan revuon. Denove pensantaj homoj verkis tekstojn kiuj eble metas al vi demandojn, alvokas kritikojn aŭ simple pravigas tion, kion vi jam scias. Mi povas diri ke mi mem tre kontentas pri la enhavo. Krom la sciencistoj kiuj volas ĉiam pli foren, pli alten, pli profunden, ekzistas daŭre homoj kiuj pripensas la socion en kiu ni vivas. Homoj kiuj rakontas pri aliaj homoj kiuj pozitive kontribuis al la socio homoj kiuj prezentas tezojn kaj ideojn al vi, kiujn vi povas akcepti, forĵeti aŭ pridiskuti.

Ni ĉiuj povas fari niajn "laborojn" unuflanke iri al Marso, aliflanke prezenti tezon, sed ĉiutage denove ni konfrontiĝas kun la samaj problemoj kiuj ŝajne ne estas solveblaj. Daŭre homoj estas persekutataj, daŭre homoj mortas pro malsato. Homoj vivas kaj mortas. Unu en aŭto-akcidento alia sub la "sperta kaj humana" mano de la ekzekutisto en demokrate strukturita lando. Ni mortas pro nekuraceblaj malsanoj kaj ankaŭ pro maljuneco.

Tiu kiu vivas, tiu revas. Pri nova komputilo, nova bebo, gajno en loterio aŭ iri al Marso. Kiu ajn granda, fantasta aŭ neatingebla nia revo estas, ni tamen neniam rajtas forgesi ke ni devas doni al nia kunterulo liberecon. Liberecon de esplorado, de entrepreno, de agado. Kaj la libereco kiun ni havas, devas zorgi ke aliaj homoj ne suferas malliberecon.

Mi esperas ke dum iu morgaŭa tago ĉiuj homoj de la tuta mondo rigardos al la unua persono kiu metas sian piedon sur Marson. Certe grava paŝo por la homaro kondiĉe ke ĉi tiu homaro estas libera. Ne suferas subpremon aŭ arbitrecon de la kapricoj de demagogoj kaj diktatoroj. Grava paŝo kiam ĉiu homo sur nia tero povas spekti la bildojn kun satigita stomako. Kiam la homaro ne plu devas revi pri libereco sed havas ĝin. Ke patrino ne plu devas fordoni la gefilojn al senutilaj militoj.

Tuj kiam la grandaj revoj de la humanistoj estos plenumitaj mi certe subtenos la revon: Ek al Marso!

Kontribuojn, reagojn kaj rimarkojn vi povas sendi rekte al **jakvo**

# Iu revolucia mondkoncepto: klasbataloj kaj socia progreso

Djemil
Kessous

## Klasbataloj kaj socia progreso

"La historio de la tuta ĝisnuna socio estas la historio de l' klasbataloj", per tiu famega aserto ekas la unua ĉapitro de la Komunista Manifesto de 1848. Tiu revolucia koncepto - antagonisma kaj klasisma - pri la homa socio kaj ties historio, profunde influis ĝisnune ne nur tutajn generaciojn de aktivantoj (marksistoj, sed ankaŭ anarkiistoj, revoluciaj sindikatistoj aŭ anarki-sindikatistoj), sed ankoraŭ diversajn fakojn de homaj sciencoj (historio, antropologio, aŭ sociologio)(1).

Formulita en 1848, la supre menciita frazo de l' Manifesto estas tiel revolucia, kiel ĝi ne plu rigardas la historion kiel la esprimon de iu Dia volo - kio, ĝis tiam, estis ĝenerale akceptita – aŭ kiel la rezulton de la agado de kelkaj ĉefroluloj, laŭ la romantika maniero. Jes, la homo ja faras sian historion, aranĝas la socion en kiu ŝi/li vivas kaj ties fariĝo; tamen, tra la multnombraj unuopaj agoj de la homoj, oni povas vidi la alfronton de la superaj interesoj de l' diversaj sociaj klasoj, kiuj komponas la socion. Fine, rezultas de tiu aserto la fakto, ke nia historio estas la produkto de senĉesaj luktoj. Dum ĉiuj aliaj animalaj specioj konas nur la perforton kiel lukton por la vivo, kiun ili devas plenumi inter si (the struggle for life), la fama ĝangalleĝo (3), la homo igis tiun interspecian lukton ene de sia propra specio por transformi ĝin en lukton enspecian. "La homo estas lupo por la homo" (homo homini lupus), tiu aserto de Hobbes estas bone konata, pli ol ĝia rebato: la lupoj ne intervoras sin.

Ekde la unuaj antaŭhistoriaj socioj, la milito estas nepreterpasebla fakto, kiel montras al ni la antropologo Pierre Clastres (4). Ekde kiam la progreso de la produktforto permesas la ekziston de firma socia superprodukto, oni ĉeestas, laŭlonge de la historio, la diferenciĝon de la socio en klasoj, kastoj… ordoj, nome en diversaj sociaj kategorioj ekspluatantaj aŭ ekspluatataj, kies interesoj disiĝas. Finfine, ekde la fino de la 18a jarcento, la burĝaro trudas poiome sian tutmondan superregadon; samtempe ĝi varigas la mondon, transformas ĉiun aferon en varon inkluzive de la homa laboro sed, per la salajreco, la ĝeneraligado de la laborvaro, ĝi kreas socian klason radikale kontraŭan al si. Per sia finvenka lukto kontraŭ la burĝaro, la proleto devas liberigi sin de la subpremado pri kiu li suferas, emancipiĝi, kaj tiel definitive ĉesigi ĉian ekspluatadon de l' homo per la homo.

Tiel, ĝisnune, ĉiuj aktivantoj kiuj aspiras al radikala sociŝanĝo, ne ĉesis turni sian esperon al iu grupo de homoj ekspluatataj, la laborista klaso, kaj imagi, koncepti, elprovi ĉiujn eblajn formojn de organizo rilate kun ĝi. La mensa stato de tiuj aktivantoj estas rekte proporcia al la stato de iu socia meteorologio, la socia klimato, nome la grado de mobilizo de l' socia movado. Kondukita de la laboristaro, la klasbatalo enskribiĝas en koncepton ĝenerale progreseman de l' homa historio; venkinta, ĝi devas finatingi senklasan socion de homoj liberaj kaj emancipiĝintaj.

## La industria revolucio…

Tiu mondkoncepto inaŭgurita de Marx kaj Engels en la mezo de l' 19a jarcento profunde influis, krom la marksistojn, multajn tendecojn de l' socia movado, kiel mi tion sugestas ĉi-supre. Plie, ĝi permesis al la sociaj sciencoj konsiderinde progresi: de tiam, historiistoj, sociologoj, ekonomikistoj, antropologoj, devas senĉese sin turni al la laboroj de Marx kaj Engels, ofte por provi falsi, dolĉigi tiun koncepton, senigi ĝin el ties revolucia karaktero.

Tamen, tiu vidpunkto povas ankaŭ veki kritikojn el revolucia flanko, tio estus nur tial ke ĝi esprimas la realon parte, nesufiĉe, ĉar tiu sama realo estas multe pli revolucia ol tio, kion povis imagi la grandaj revoluciuloj de la pasintaj jarcentoj.

Unue, la homa historio ne povas esti limigita, reduktita en simplan aron de luktoj, nek en nuran interplektadon de antagonismoj. Certe, la marksista tradicio trafe pruvis ke, antaŭ la grandaj ideoj kaj la grandaj sentoj, ja la apartaj interesoj faras la historion. Tiun lastan, tamen, konsistigas aliaj faktoroj krom la luktoj, notinde aliancoj, kunlaboroj; la dialektiko lukto-kunlaboro tie ludas ĉefan rolon. Krome, ne estas nur

klasoj, kiuj, dum la historio, interrilatas, luktante aŭ kunlaborante, sed ankoraŭ aliaj sociaj kategorioj: triboj, civitoj, reĝlandoj, kaj, pli freŝdate, kreskanta nombro da sociaj minoritatoj: etnaj, naciaj, virinaj, samseksemaj, finfine naci-ŝtatoj pli kaj pli multaj…

Fine, ne ekzistas nereduktebla antagonismo inter ĉiuj tiuj kontraŭecoj disvolviĝintaj de la homaj socioj ĝenerale, de la kapitalisma aparte. Ĉiu kontraŭeco, ĝis tiu, kiu ekzistas inter la homo kaj la naturo, finiĝas solviĝante per iu aŭ alia maniero; eĉ okazas, foje, ke la bataloj ĉesas, se ne pro manko de batalantoj, almenaŭ per la kvazaŭ estingiĝo de unu el ili (vd. la kontraŭecojn inter fikshejmuloj kaj nomadoj, inter urb(an)oj kaj kampar(an)oj)…

Notinde, neniam estis kontraŭeco nepreterpasebla inter la salajrata laboro kaj la kapitalo, alidirite inter la proletaro kaj la burĝaro; la luktoj okazantaj en tiu kadro ne kontestas eksplicite la superan procezon, en kiu tiuj ambaŭ realecoj partoprenas, nome la sistemon de kapitalisma reproduktado, sed celas simplan modifon de la partigo de l' superprodukto havigita per tiu procezo (5). Tamen, se tiuj luktoj ne kontestas eksplicite, nome subjektive, la procezon de kapitalisma reproduktado, ili tamen havas kiel notindan rezulton malfortigi ĝin. Ĝis kiu grado ? Tiu procezo de variĝo ĝenerala, de reproduktado akceliĝa, eĉ eksploda, estas vivanta: ĝi havas naskiĝon, kiun oni povas situigi proksimume, disvolviĝon, kaj velkis, kiu fruemalfrue devos okazi, se ĝi ne jam komenciĝis.

La eksterordinara tutrenverso, kiu ekas en okcidenta Eŭropo ekde la fino de l' 18a jarcento (politike en 1789 rilate Francion, ekonomie iom antaŭe en Anglio, kulture en Germanio…) ne povas klariĝi kiel simpla kapto de potenco far la burĝaro. Kun tiu industria revolucio, kiu ne ĉesis daŭri ekde tiam, ekas la granda variĝo de l' mondo, ties strukturiĝo en naci-ŝtatojn ĉiam pli multajn kaj ties hierarkiiĝo; ĝi naskis mondon tute originalan, kiu prezentas varian pejzaĝon de la favorataj regionoj, hiperdisvolviĝintaj, ĝis la senheredigitaj zonoj, pasante tra la region-provizejoj de krudmaterialoj (k.a. energiproduktoj) kaj la landoj laŭdire "stariĝantaj" kie troviĝas la manufakturoj de l' planedo kun iliaj milionoj da salajraj sklavoj. Tiu revolucio kuntrenis konsiderindan



homan progreson ne nur industrian, teknikan, sed plie sciencan, kulturan progreson tiom rapidan, kiom, de unu jarcento kaj duono, ĉiu generacio spertas vivkondiĉojn neimageblajn de la antaŭa, kio neniam okazis dum nia tuta historio… sed progreson partan, limigitan, akompanatan de tiom da perversaj efikoj – mondmilitoj, poluadoj, marĝenigoj, faŝismoj, integrismoj kaj aliaj epifenomenoj -, kiom multe da progresistoj estas tiel malorientitaj, kiel ili komencis kontesti la koncepton de tiu progreso, eĉ ties realon mem.

Ne estas nur la burĝaro, la klaso posedanta la produktrimedojn, kiu plenumis tiun tutrenverson; multaj homoj partoprenis en ĝi iel ajn: ŝtatoficistoj, militistoj, salajruloj, nobeloj kaj klerikoj (6), devenantaj de l' malnova reĝimo, aprobis tiun superregantan sistemon, sed ankaŭ laboristaj sindikatanoj.

Tiu freŝdata progreso, trudmarŝe plenumita, povis pluiĝi nur per la ĝeneraligo de la rivaleco, de la luktoj ene de la homa specio, darvina fenomeno, enspecia. La konkurencoj inter unuopuloj, entreprenoj, nacioj, ĝeneraliĝis, estigante paroksismigitajn diferenciĝojn inter riĉeco kaj mizero de la homoj aŭ de la naci-ŝtatoj.

Du elstaraj realoj - la unua ekonomia, la kapitalo, la dua politika, la naci-ŝtato -, stampas la industrian revolucion, kies plej kritika periodo situas en la 20a jarcento. Post tri gravaj krizoj de tiu jarcento - du mondmilitoj kaj unu granda depresio (1929), kiu situas inter ili -, du ŝlosilorganizoj, sidantaj respektive en Vaŝingtono kaj Nov-Jorko, trudiĝis en la pinton de tiu procezo de tutmondiĝo: la internacia mona fonduso kreita en 1944 kaj, la sekvan jaron, la unuiĝintaj nacioj organizo. Ambaŭ organizoj, kun kelkaliaj aldonite (Monda Banko, Tutmonda Organizo de l' komerco, ktp), estas komisiitaj por pluigi tiun sistemon profite al kelkaj grandaj superregantaj regnoj. Sed tiu tutrenverso estas tiel potenca, neregebla, kiel multaj, hodiaŭ, sin demandas ĉu la homaro kapablos ĝin postvivi.

## … kaj la rolo de la alternativuloj

La progresemaj aktivantoj, kaj inter ili la revoluciuloj (ni nomu ĉiujn ĉi la alternativulojn), elektas tiun fundamentan vidpunkton: la homaro povas transpasi tiun akutan krizon, kiu ĝin alfrontas, sed ĝi sukcesos nur alprenante aranĝojn radikalajn. Kiel povas ili roli en tiu kunteksto ?

Antaŭ ĉio, endas adekvate taksi la esencajn elementojn de la objektiva situacio, kiun ni spertas. La industria revolucio respondas al profunda kreska krizo de l' homaro, krizo

kies la paro kapitalismo-naciismo prezentas sisteman esprimon. De sia eko en la fino de l' 18a jarcento ĝis la 1970aj jaroj, kaj malgraŭ kelkaj notindaj fluktuoj, tiun revolucion stampis senĉesa altiĝo de la tutmonda ekonomia kresko, kiu grade pasis de 0,5% averaĝe (fino de l' 18a jarcento) ĝis elcentoj atingantaj 5% kaj plus en la fino de tiu periodo (fino de la 1960aj jaroj, komenco de la 1970aj). Nu, de 1973, tiu kresko spertas netan malakcelon, kio ĵetis la tutmondan kapitalisman sistemon en profundan krizon. Ne en 1938, la produktfortoj ĉesis kreski, kiel tiam asertis Trocki (7); ekde 1973 ilia kreskokvoto, restante tute pozitiva, nur malaltiĝis kaj tiu simpla faktoro sufiĉas por deĵeti la sistemon en la grandan depresion, kiun ni spertas de tiam kaj kiu ne ĉesis pligraviĝi. Tamen, antaŭenpuŝita de la eksterordinara inercia forto, kiun ĝi amasigis de jarcentoj, tiu sistemo, per la freŝdata ofensivo novliberalisma, pludaŭrigis ĝisnune la tutmondan globiĝon kaj hierarkiiĝon rilate al siaj propraj interesoj; per la sama impeto, ĝi paroksismigis la malegalecojn ĝis grado neniam antaŭe atingita.

Tiel, la rolon, kiun Marx asignis al la proletaro - kreskigi la produktfortojn uzante sian superregadon -, plenumis la kapitalisma sistemo: neniu alia ol tiu lasta povis realigi tian progreson dum tiom kurta tempo (kaj estigante tiom da damaĝoj). Nuntempe, la grado de la ekonomia disvolviĝo atingita sufiĉas plenmezure por satigi la bezonojn de l' tuta homaro (8)(kun kelkaj rearanĝoj). Sed tiu sistemo ja ne kapablas respondi al tiu neceso; ĝi scias nur paroksismigi la konkurencon kaj la malegalecojn, ĵeti la homon kontraŭ la homon, poluadi…

"La kapitalisma produkto naskas per si mem sian propran neadon kun la fataleco, kiu regas la aferojn de l' naturo", asertas Marx en la fino de la unua libro de "La Kapitalo". Tamen, tiu fino programita ne povas realiĝi aŭtomate per si mem, nek per la volo de iu transcenda potenco sed per la homoj, fare de ties diversaj sociaj luktoj, de kiuj la alternativuloj devas esti solidaraj, certe, sed ankaŭ kritikaj. Kial ? Ĉar la multaj nuntempaj sociaj luktoj neniel celas



kontesti la sistemon sed defendi interesojn apartajn, limigitajn, tamen vivesencajn por tiuj, kiuj luktas kaj vidas nenian alternativon: ili celas, tie ĉi antaŭgardi la dungitaron, nome daŭrigi la salajran sklavecon (9), tie for postuli monhelpon de la ŝtato aŭ eĉ plenumi la nacian liberigon de iu etna minoritato, nome plifortigi la jakobenan ŝtaton, ties enmiksiĝismon, eĉ krei (laŭ ia dispariĝa reprodukto) aldonan naci-ŝtaton, kiu tuj diferenciĝos, polusiĝos. Tamen, kvankam tiuj luktoj ne estas eksplicite revoluciaj, ties kunigado estas tiaj implicite, objektive, ĉar ili ŝancelas kaj senfirmigas la sistemon.

Koncerne la alternativulojn, endas antaŭ ĉio elmontri, tra ĉiuj ĉi luktoj (kiam ili okazas sed eĉ en pli kvieta tempo), ke la superreganta sistemo povas prezenti nur solvojn individuajn, partajn, portempajn eĉ necertajn, por kelkaj bonŝanculoj, por iu minoritato malfavore al aliaj, sed ĉefe ke alia mondo eblas: sen tiu fundamenta perspektivo, nenia mobilizo, nenia iomete kohera agado, nenia projekto povas esti entreprenita. Nu, tiu sistemo tiel ruinigis sennombrajn alternativajn projektojn, kiam ĝi estis en plena ekspansio kaj eĉ dum sia freŝdata kadukiĝo, ĝi tiel trudiĝis dum tiu pasinta periodo, kiel ĝenerala malintereso, indiferenteco, nun vidiĝas rilate ĉian alternativon tuj kvalifikitan utopia. Tiun cenzuron ne nur praktikas la subtenantoj de l' sistemo, sed ankaŭ ties sennombraj viktimoj kaj ofte – tio estas la plenpleneco - la alternativuloj mem, kiuj enmensigis (10) siajn fiaskojn kaj daŭrigas tiun (black out) memorperdon ene de siaj propraj vicoj (11)… Jen kie okazas la transpaso de la formala, supraĵa superregado de l' kapitalo al ties reala superregado: la superregantaj ideoj estas la ideoj de l' superreganta sistemo… Do necesas antaŭ ĉio, reproprigi al si tiun utopion.

La utopio (tio, kio nenie troviĝas) estas homa, universala: flugigi aĵon pli pezan ol la aero, ĝin sendi en la interstelan spacon, dissplitigi ĉielskrapturojn per memmortigaj taĉmentoj devojiĝinte aviadilojn, estas utopioj… ĝis ilia realigo (12). La utopio estas ankaŭ instrumento, armilo celanta nuligi ĉian projekton, detrui ĉian esperon. Nu, fronte al la konservativaj utopioj, eĉ reakciaj, disvastigitaj de tiuj, kiuj rifuzas ĉian socian antaŭenpaŝon – aŭ kiuj ne kapablas imagi ĝin – la alternativa movado estas grajnejo de progresemaj utopioj, tute ne cenzurindaj, kiuj male devas esti nepre diskonigitaj inter ni. Ni parolu, tre

rapide, pri la politikaj utopioj kiuj, kiel Proudhon jam tion antaŭvidis, aspiras al mondo de regionoj kaj komunumoj libere asociiĝintaj kaj federiĝintaj (13); la ekonomiaj utopioj, kiuj celas socion kie la merkato estos reeniginta en la kanaligitan vojon, kiun ĝi uzis antaŭ sia freŝdata superbordiĝo, socion kie la homaj komunumoj estos repropriĝintaj la riĉecojn de kiuj ili estis senposedigitaj: ĉies laboron unue, sed ankaŭ la terojn, la produkt-rimedojn, la monon (14); la ekologiaj utopioj, kiuj strebas al mondo kie la homo estos reveninta en sian lokon sine de l' naturo (15); la kulturaj utopioj koncerne la alternativajn edukadojn, kiuj prezentas aliajn perspektivojn ol la nuna ĝenerala stultigo praktikata de l' sistemo, aŭ ankoraŭ la planlingvojn kun universalaj celoj (16); la sindikataj, konsiliismaj, memmastrumismaj utopioj...

Ĉiuj ĉi utopioj, komplementaj, strebas al mondo al kiu niaj socialismaj prauloj aspiris, nome mondo kie la ŝtato estos velkinta, la milito ĉesinta, kie la ekspluatado de homo per la homo kaj ties nuntempa pluiĝo, la salajreco, estos nur memoraĵoj de la pasinta historio, kie la mastrumado aferojn anstataŭos la regadon de l' homoj, unuvorte utopia mondo... ĝis ties realigo.

## Iu luktfilozofio

Ĉio perdiĝas, ĉio kreiĝas, ĉio transformiĝas... oni povas aserti distingiĝante de Lavoisier. La moderna scienco, nun, firme elmontris la karakteron universale movan kaj efemeran de ĉiu afero, ĝis la steloj, eĉ la atomoj konsistigantaj la plej duran kristalon, la plej stabilan, kies vivdaŭro estas limigita. La verko de Marx, koncerne lin, permesis evidentigi tiun karakteron necertan kaj fuĝeman de la realo ene de la homaj socioj.

Ankaŭ ĉio akceliĝas, pri tio la nuntempa homo povas atesti. Dank' al la transdono de l' scio fare de l' edukado, al ĝia senĉesa pliriĉigo, la homa vivo prezentas senteblan akcelon de l' natura evoluado: sekve de tiu kultura progreso karakteriza al nia specio, nuntempa homo estas radikale malsimila al ties praulo vivinta antaŭ 10.000 jaroj; oni ne povas same diri pri la aliaj animalaj specioj. Kaj nia historio (apenaŭ 5.000 jaroj), sekve de la diferenciĝo de la socio, de la multaj luktoj, kiujn ĝi disvolvis, prezentas novan senteblan akcelon de la antaŭhistoria, nememorebla homa progreso, ĉiu scias ke ĝi furiozis ekde la komenco de l' industria revolucio, neregita kaj neregebla fenomeno...

La diversaj homaj institucioj produktitaj de nia freŝdata evoluado estas do, pli ol iam ajn, notinde efemeraj, kion elmontras ĉiu historia esploro: la mono, la lingvo, la ŝtato, la salajrata laboro, la nacio, la merkato, la familio... ne ĉesas naskiĝi, ŝanĝiĝi, vivi, malaperi, kaj tio povas koncerni eĉ la homon, pri kiu ni scias nun, ke ŝi/li ne estas fino en si mem. Imagi eterna, nemovebla, iun ajn el tiuj institucioj estas danĝera utopio; estas alia: voli ĝin vivteni, kiam ĝi kadukiĝas. Estas do pasia laboro plenumenda, igante vivi la supremenciitajn sociajn kategoriojn, eĉ kelkfoje akompanante ilin ĝis ties morto, tra niaj diversaj bataloj, sen praktiki terapian persistadon. Tie estas granda filozofio de l' lukto praktikinda (17).

Ni konkludu per tiu fundamenta teoremo: la sociaj luktoj, i.a. la klasbatalo, estas necesa kondiĉo, sed ne sufiĉa, de l' socia ŝanĝo (18).

Komencê 2003

(1) Necesus ĉi tie starigi ampleksan bibliografion pri ĉiuj aŭtoroj de diversaj fakoj kiuj sin dediĉis al tiu temo. Ĝis la konservativa aŭtoro Raymond Aron, kiu plenumas, sub la resuma titolo la Klasbatalo, ciklon de kursoj en la Sorbono dum la lerneja jaro 1956-1957 (poste publikigitaj : La lutte de classes, Gallimard, 1962).

(3) Escepte de kelkaj enspeciaj interviraj bataloj, kiujn oni povas observi iom ĉie ajn.

(4) Pierre Clastres, *Archéologie de la violence* (Arkeologio de la perforto), Libre, Payot,1977/1.

(5) Vd. Gramsci : "Ni komencis elmontrante kiom estas absurda kaj infana aserti, ke la sindikato enhavas per si mem la virton preterpasi la kapitalismon : objektive la sindikato estas nenio alia ol komerca socio el speco tute kapitalisma, kiu celas trudi, interese de la proletuloj, maksimuman prezon por la laborvaro kaj trudi la monopolon de tiu varo sur la nacia kaj internacia merkato." (L'Ordine Nuovo, 30a de oktobro 1921). Konvenas tamen noti, ke iu tradicio ankoraŭ vivema de la kapitalismo, fondas gravajn esperojn sur la sindikatismo. Vd. Daniel Guérin : "La laborista sindikatismo antaŭdonacas al la revolucia laborista movado siajn jam ekzistantajn federaciajn strukturojn, tiel horizontalajn kiel vertikalajn." (A la recherche d'un communisme libertaire, Spartacus, 1984, p. 112).

(6) Ekzemple, kiam mi skribas tiujn liniojn, la prezidantoj de la franca Konsilio de l'ŝtato kaj de la Medef (la organizo de la mastraro) estas ambaŭ nobelaj, por citi nur tiujn du eminentulojn. Krome, ekzistas nenombrebla kvanto da nobeloj kaj burĝoj, kiuj de du jarcentoj sin dediĉis al la socialisma movado. Vd. La komunista Manifesto : "Same kiel antaŭe parto de la nobelaro transiris al la burĝaro, tiel nun parto de la burĝaro transiras al la proletaro, kaj aparte parto de la burĝaj ideologoj, kiuj atingis per studado la teorian komprenon de la tuta historia movado".

(7) Leon Trotsky , La agonio de l'kapitalismo kaj la taskoj de la IVa Internacio (1938). Tiu verko estas trovebla en multaj lingvoj, notinde angalingve (The Transitional Program for Socialist Revolution, including The Death Agony of Capitalism and the Tasks of the Fourth International, 2a eld. New York, Pathfinder Press, 1974), kaj franclingve (L'Agonie du capitalisme et les tâches de la IVe Internationale : programme de transition, François Maspero, 1973.)

(8) Post du jarcentoj la produktforto estis multobligita de pluraj centoj, la homa loĝantaro de kelkaj unuoj. Hodiaŭ, ĉiu homo, averaĝe, estas centoble pli riĉa ol ŝlia praulo, kiu vivis en la 18a jarcento.

(9) PROSTITUITINOJ estas metio, ĝin ni volas PLENUMI, fiere afiŝis sur tabulo, iu el tiuj virinoj manifestaciante la 5an de novembro 2002 (la foto aperis en Télérama n° 2758, 23/11/02, p. 132).

(10) Pri tiu psika fenomeno de la enmensiĝo (tiuteme rilate la komplekson de la koloniituloj), oni legos interese la laborojn de la antila psikiatro Frantz Fanon notinde "Blanka haŭto, nigra masko." (Peau noire, masque blanc, Seuil, 1952).

(11) Ĝis la multaj, kiuj laŭte krias ke alia mondo eblas, dum ili rifuzas ĉian iomete radikalan kontestadon de la sistemo. Senkompate al siaj gekamaradoj, la liberecano Bob Black skribas: "La anarkiismo ne estas tiom kontestado al la ekzistanta ordo kiom maniero laŭ kiu oni povas kontentiĝi per ĝi" (Anarkio kaj aliaj obstakloj kontraŭ anarkio, 1985). Sed oni povas la samon diri pri kelkaj marksistoj laŭdire radikalaj, ultramaldekstraj, kiuj hodiaŭ sin gargaras per klasbatalo. Jam la stalinistoj dum la 1930aj jaroj, per ilia maldekstrista eskalado, ilia teorio de la soci-faŝismo, de l' klaso kontraŭ klaso, pretigis la vojon al Hitler. Sed ĉu la totalismo, la integrismo, kia ajn estas ties formo, ne estas (ri)fuĝo por tiuj, kiuj ne vidas alternativon ?

(12) Tiuteme la anglalingvaj progresistoj praktikas amuzan translokadon de vokalo inter *no where* (nenie) kaj *now here* (nun ĉi tie).

(13) La konceptoj de Proudhon hodiaŭ troviĝas en diversaj federismaj kaj mondcivitanaj movadoj kies komuna punkto estas postuli limigon de la naciaj suverenecoj. Estas iom tiklajn observi nuntempe multajn marksistojn fariĝinte suverenistoj. La suverenismo estas radikale kontraŭ ĉia homa emancipiĝo. La nura suvereneco, kiu valoras, estas tiu de la unuopulo libera kaj emancipiĝinta.




(14) Koncerne monon, estas menciindaj ĉi tie la proponoj radikale kontraŭaj de konsummono fare de distribuistoj kaj de fandiĝa mono fare de gesellistoj. Ĉiel ajn ambaŭ skoloj rekuniĝas kun la tuta socialisma movado en la neceso pri demokratia kontrolo de la monemisio, kies privilegio estas nun forlasita al la bankoj, kiuj prifriponas tiom la unuopulojn kiom la ŝtatojn.

(15) … Sine de naturo en kiu la homoj ĉiam devos lukti. Tie, ili devos pruvi ke lukto ne ĉiam signifas ruinigon kaj ke socio spertanta altan gradon de disvolviĝo povas ekzisti samtempe kun la cetera biosfero.

(16) Koncerne la planlingvon, endas aserti tie ke temas pri la baza utopio. Jen do, tra la tuta mondo, kelkiuj decidantaj komuniki per neŭtrala lingvo, per kiu neniu (aŭ preskaŭ) havos la avantaĝon de la patrina lingvo. Nu, tiu utopio ne estas utopia ĉar jam troviĝas multaj planlingvoj : Ido, Interlingua, kaj ĉefe Esperanto, parolata de centoj da miloj da personoj tra l'mondo. Inter tiuj ĉi troviĝas, kunigitaj en tiom da asocioj, kristanoj, buddhistoj, blinduloj, komunistoj, katamantoj, kuracistoj, ekologianoj, ktp. Se la utopio de la populara kulturo havas bonŝancon konkretiĝi, tio certe fariĝos per tiu alia utopio de la neŭtrala kaj universala lingvo.

(17) Luktarto eble proksimiginda al iuj ekstremorientaj filozofioj, eĉ tiuj de la islamanoj, laŭ kiuj la ĝihad estas antaŭ ĉio lukto kontraŭ sin mem. Sed ĉu la kontestado kontraŭ la ekstera mondo ne necesigas antaŭe ioman kontestadon al si mem ?

(18) Ĉiuj sociaj kategorioj ekzistantaj : naci-ŝtatoj, asocioj, klasoj, partioj, sindikatoj… kaj finfine la homo mem, estas, samtempe, objektoj kaj subjektoj de tia socia ŝanĝo ; tiun ĉi ili tiom suferas unuflanke, kiom, aliflanke, ili partoprenas ; ili estas de tio la aktoroj. En tiu situacio necesas al ĉiu bone pripensi la rolon, kiun ŝli ludas… Finfine, unu lasta noto. Tiu artikolo resumas tion, kion mi skribis okaze de diversaj debatoj, ennaciaj dum la jaroj 1995/96 en la pariza Berneri rondo, internaciaj pli freŝdate en SAT. Detaligon de tiuj tezoj prezentas mia lasta verko. (La Universalismo, SAT, 2002).

Bildoj Frans. Masereel

Nikolao Gudskov

# Antinomioj de la nacia disvolviĝo

*Prelego farita dum la scienc-praktika konferenco "Lingvoj kaj kulturoj en la 21-a jc.: Problemoj kaj perspektivoj" en Maĥaçkala, Dagestano, 19-21.09.2003*

Ĉiuj scias, ke la problemoj ligitaj al interetnaj, interkulturaj, interkonfesiaj rilatoj ekzistas. Ĉiuj komprenas, ke ilin tiel aŭ aliel necesas solvadi. Nur la manieroj de la solvado de tiuj problemoj depende de vidpunktoj, opinioj, mondkonceptoj de diversaj homoj grave diferencas. Kaj tiuj diferencoj tute ne ĉiam koincidas kun simplaj opoziciaj skemoj kiel "patriotoj-internaciistoj", "demokratoj-komunistoj", "tradiciistoj-modernigistoj" ks. Eĉ pli, ne ĉiam simplas kompreni, kies opinioj estas "progresemaj", kaj kies – la "reakciaj", do, tial, ne kompreneblas, kio reale povas kontribui al malstreĉiĝo de la interrilatoj, kaj kio – ties pliakriĝo. Tial komence necesas analizi, kiaj mondkonceptoj tiurilate ekzistas, kiaj kombinoj de ties elementoj eblas, kaj nur post tio oni povas pli konscie analizi konkretajn proponojn kaj solvojn.

Konkretaj kulturoj estas ligitaj al la lingvoj. Certe, kulturaj kaj etnaj specifaĵoj ne limiĝas je la lingvaj (la ekzemplo estas serbaj-kroataj-bosniaj konfliktoj inter popoloj samlingvaj), tamen plej ofte certa kulturo estas ligita al certa lingvo (eĉ se diversaj kulturoj foje povas uzi la saman lingvon). Tial oni opinias, ke kultura diverseco kaj ĝia konservado estas senpere ligitaj kun la diverseco lingva, eĉ se ili ne reduktiĝas al ĝi. Ĉiuokaze, la lingvon oni agnoskas la plej grava komponanto de la etna kulturo, kaj tial ne eblas paroli pri konservado de la kulturo sen konsidero de ĝia rolo. Sekve, konsiderante iujn ajn ekonomiajn, ekologiajn, politikajn, teknologiajn kaj aliajn problemojn, ligitajn al certaj kulturoj, abstraktiĝi de la lingva faktoro maleblas.

Do, kiaj mondkonceptaj tezoj pri tio ekzistas?

Tezo 1. Kultura kaj lingva diverseco estas la plej valora heredaĵo de la homaro, kaj devas esti ĉiurimede protektata kaj konservata; la progreson garantias disvolviĝo surbaze de tiu diverseco. (Unu el la sekvoj: kultura kaj lingva unuiĝo de la homaro kondukos al ties spirita degradiĝo, kaj, fine, al la pereo.)

Antitezo 1. Diverseco de la lingvoj kaj kulturoj kondukas al neeviteblaj konfliktoj en la homa socio, al interetnaj, internaciaj, intercivilizaciaj (mondaj) militoj, kaj tial la progreso estas poioma forigo de inter-etnaj, internaciaj kaj interkulturaj diferencoj. (Unu el la sekvoj: se la homaro ne unuiĝos surbaze de unu lingvo kaj kulturo, ĝi neeviteble venos al sinekstermo rezulte de lokaj kaj mondaj militoj.)

Tezo 2. Etnaj kaj naciaj lingvoj reflektas specifaĵojn de la pensmanieroj de la portantoj; malapero de la lingvo signifas ne renovigeblan perdon por la evoluo de la homaro. (Unu el la sekvoj: plenvalora tradukado de lingvo al lingvo ne eblas.)

Antitezo 2. Specifaĵoj de la homa pensado ne dependas de la karaktero de la lingvo; ne ekzistas pensoj, kiujn oni ne povus esprimi en alia lingvo (eĉ se alimaniere); la homaro nenion perdos, se ĝi parolos en unu sola lingvo. (Unu el la sekvoj: tradukado eblas.)

Tezo 3. En kondiĉoj de la tutgloba disvastiĝo de modernaj teknologioj nur sekvado tradiciaj mastrum-manieroj, ligitaj al lokaj etnaj kulturoj kaj lingvoj, helpos eviti la totalan detruon de la biosfero kaj, fine, pereon de la homaro.

Antitezo 3. En kondiĉoj de la tutgloba disvastiĝo de modernaj teknologioj nur unuiĝo de la homaro surbaze de la komuna kulturo kaj lingvo helpos eviti la totalan detruon de la biosfero kaj, fine, pereon de la homaro.

Tezo 4. La rajto je nacia kaj etna memidentiĝo, inkluzive de la rajto paroli ĉe oficialaj instancoj en la gepatra lingvo, edukiĝi en ĝi ktp., estas unu el la fundamentaj homaj rajtoj. (Unu el la sekvoj: etnaj, naci-kulturaj kaj lingvaj komunumoj havas prioritatajn rajtojn; la rajtoj de individuoj, apartenataj al tiuj komunumoj, estas sekundaraj; ĝuste tial oni povas paroli pri la rajto de nacioj je memorientiĝo, sendependiĝo kaj formado de propraj ŝtatoj, ktp.)

Antitezo 4. La fundamentaj rajtoj kaj liberoj de la homo estas universalaj kaj neniel ligitaj al ties nacia kaj etna aparteno. (Unu el la sekvoj: suverenecon havas nur individuo; la rajtoj de la nacioj je memorientiĝo, sendependiĝo ktp. estas nur fikcioj, malhelpantaj al la progreso kaj kondukantaj nur al novaj konfliktoj, inter aliaj la militaj; agnoskado de la rajtoj de individuo paroli, edukiĝi ktp. en la gepatra lingvo estas nur

provizora afero, kaj reale ĝi nur malhelpas al la individuo alproprigi la valorojn de la tuthomara kulturo kaj civilizo.

Oni povus daŭrigi listigon de tiaj mondkonceptaj antinomioj, aŭ formuli ilin iel alimaniere, sed jam klaras, ke ili ekzistas kaj, kiel estis dirite supre, ne estas forte ligitaj al la kutimaj sistemoj de politikaj kaj ideologiaj koordinatoj, kiel opozicioj demokratio/aŭtoritatismo, tutmondiĝo/kontraŭtutmondiĝo, rajto/senrajteco, socialismo/kapitalismo ks. Inter reprezentantoj de la kontrastaj politikaj ideologioj rilate al la supraj antinomioj ni povas renkonti kaj samideanojn, kaj antipodojn. Bona ekzemplo de tio estas la bone konata al mi medio de la defendantoj de la homaj rajtoj, en kiu, ĉe la ĝenerala respekto al la fundamentaj rajtoj kaj liberoj de la homo, rilate al la rajtoj naci-etnaj, inkluzive la lingvajn, rajtoj, oni povas vidi kontrastajn opiniojn. (Ni eĉ ne parolu pri tio, ke rilate al konkretaj naci-liberigaj movadoj la opinidiverĝoj ofte baziĝas je personaj inklinoj: la homo, ekzemple, povas subteni la batalon de la ĉeĉenaj separatistoj, sed ne – de la palestinaj araboj, aŭ male, kvankam la logika rilato al la afero devigas aŭ agnoski, aŭ malagnoski la samajn rajtojn de ambaŭ popoloj.)



Ankaŭ la reala politika teorio kaj praktiko rilate al lingva-kultura diverseco ne tre dependas de la politika sistemo. La liberal-demokratia Franca Respubliko, "socialisma" Popola Respubliko Bulgario, tute same kiel Turkio, samtempe havis la saman politikon de "la unusola nacio en unu ŝtato", ne agnoskante memstarecon de la korsikanoj, bulgaraj turkoj kaj kurdoj; ĉiuj etnaj minoritatoj devis asimiliĝi kaj iliaj lingvoj estis malpermesitaj por oficiala uzado. Eĉ en USSR okazis malsama etnolingva politiko en diversaj uniaj respublikoj kaj regionoj: ekzemple, en Dagestano, malgraŭ ĉiuj mankoj, ekzistis ĝenerala estimo rilate al la lingva-etna diverseco en la respubliko, dum en la najbara Azerbajĝanio la etnaj minoritatoj (taliŝoj, lezginoj, tatoj) estis devige azerbajĝanigataj kaj post la disfalo de Sovetunio tiu tendenco nur plifortiĝis.

Aliflanke, "lenina-stalina" nacia politiko esence estis tre proksima al la moderna nacia politiko de Eŭropa Unio: vere, la lastan tute prave oni povus mallonge priskribi kiel disvolvon de la "nacia laŭ la formo, merkat-demokratian laŭ la enhavo"! La diferencoj estas ligitaj nur al tio, ke la rusa lingvo en USSR estis *formale* la komunŝtata lingvo, sed la angla en EU *formale* ne estas tia, sed ja reale la diferenco estas nur formala... Certe, imperio ne povas ekzisti sen uzado de la lingvo de imperia nacio, tamen la grado de altrudado de la unuiga imperia lingvo en diversaj situacioj povas esti diversa, kaj ĝi eĉ en imperio povas esti aŭ lingvo deviga por ĉiuj, aŭ lingvo de nur malmultnombra elito: ni memoru, ke en Hindio nek sub la brita regado, nek nun la anglan lingvon bone posedas pli ol 3% de la loĝantaro (malgraŭ ke tiu lingvo estas tie unu el la ŝtataj)!

Tio signifas, ke la solvo de la problemo troviĝas ne en la koordinatoj de la plej disvastigitaj soci-politikaj ideologioj, sed devas baziĝi sur iu memstara ideologio, nur ne rekte ligita kun disponeblaj komune uzataj ideologiaj koordinatoj.

Tute klaras, ke por la supraj tezoj kaj antitezoj (ankaŭ por ajnaj analogiaj) oni povas trovi bonajn pruvojn. Kaj konvinkeco de la pruvoj por tiu aŭ alia estos ligita, unue, kun ties jamaj konvinkoj kaj, due, kun kapablo konvinki far la adepto de unu al la starpunktoj. Kvazaŭ rezultas, ke la problemo principe ne solveblas, kaj, konforme al ajna logike sinsekva alternativo, nin antaŭas sakvojo kaj, en la plej bona okazo, ĝenerala degradiĝo (aŭ eĉ plena pereo)!

Sed reale, ajna antinomio povas esti solvata per sintezo. La problemo estas, ke la sintezo ĉiam malfacile imageblas. Sed "malfacilas" ne signifas "maleblas". Tial ni provu imagi la ekzistantajn eblecojn.

La unuan taskon oni povas esprimi tiel: kiel eblas kunigi la konservadon de la nuntempa kultura-lingva diverseco kun poioma transiro al la homara unueco en la tutmonda skalo? La respondon al tiu demando penas doni nun reprezentantoj de diversaj ideaj movadoj, kaj unuavice – kontraŭtutmondistoj. (La vorto estas tre maltaŭga, ĉar el ĝi kvazaŭ sekvas, ke ili havas objetojn

kontraŭ ajnaj tutmondigaj procezoj, kvankam reale ili batalas precipe kontraŭ tutmondigo de la usona modelo de kapitalismo, kaj ne nur ne havas objêtojn kontraŭ pluraj aliaj tutmondaj fennomenoj, kiel tiaj, sed ankaŭ aktive ilin uzas – ekzemple, Interreton.) Bedaŭrinde, precize formulante kion ili ne akceptas, la kontraŭtutmondistoj ne prezentas iun konvinkopovan alternativan paradigmon, akcepteblan por ĉiuj membroj de la movado mem.

La brila formulo, ekzistanta jam dum pli ol cent jaroj en la Esperanto-movado, pri neceso de la komuna por la tuta homaro neŭtrala lingvo, ne por anstataŭi la ekzistantajn lingvojn, sed la dua post la gepatra, kaj destinita ĝuste por la interetna komunikado, ankaŭ ne atingis ĝeneralan akcepton. Malgraŭ la vasta varieco de opinioj de esperantistoj rilate la rolon de la la internacia neŭtrala lingvo en la vivo de la homaro, kaj malgraŭ la internaj ideaj bataloj, ĝuste tiun ĉi tezon oni povas konsideri la komuna ideologiaĵo de la tuta movado. La kaŭzo de neakcepto de la esperantisma programo far la socio estas, verŝajne, tio, ke ĝi traktas precipe la lingvan faktoron kaj estas ligita al ekonomiaj problemoj, pli larĝskala politika ideologio ktp. tro feble.




Ni supozu, ke kaj la programo de kontraŭtutmondistoj, kaj tiu de esperantistoj estas necesaj, sed nesufiĉaj elementoj de tiu sinteza programo, kiu povus fariĝi la reala maniero savi la homaron de pereo. Krom la menciitaj programoj, ekzistas aro da aliaj fluoj kaj movadoj, traktantaj laŭ propraj manieroj la elirvojojn de la homaro el la sakstrato (diversaj verdulaj movadoj, diversaj religi-mistikaj instruoj kiel la bahaa kredo ktp.), kiuj prezentas ideajn konceptojn strebantajn superi la antinomiojn de la naci-kultura evoluo per sintezo. Sed ili ĉiuj konsideras la problemojn iom unuflankece, kaj tial ne povas atingi sufiĉan potencon por atingi allogecon por sufiĉe granda parto de la homaro, kaj ŝanĝi la komutilon de la perea al la sava vojo. Finfine, por tio mankas eĉ sinteza koncepto de la homaj rajtoj, ĉar tiu imago pri ili, kiu estis formulita antaŭ 55 jaroj, jam ne kontentigas, kaj bezonas pliĝustigon, plivastigon kaj korekton! Sed sen komune akceptata koncepto pri la homaj rajtoj neniu programo de socia transformo estos funkcikapabla.

Al mi ŝajnas, ke por la sintezo kaj solvo de la antinomioj de evoluo ĉio jam pretas, kaj la taŭgaj rimedoj jam enestas en la modernaj alternativaj ideologioj, kaj eĉ en la praktiko – mi parolas, unuavice pri la reta karaktero de la ligoj, kiujn prezentas Interreto, kaj aro da aliaj analogiaj kaj rapide evoluantaj teknologiaj novaĵoj (la ĉelaj ligoj de poŝtelefonoj ks.). Tamen, unuflankeco de la movadoj estas evidenta: la kontraŭtutmondistoj vidas unuavice sociajn kaj ekonomiajn problemojn, verduloj – la ekologiajn, esperantistoj – kulturaj-lingvajn, ktp. Nun estas bezonata sintezo de la sintezaj programoj, surbaze de kiu povos aperi komune akceptebla programo de la forigo de la ekzistantaj kontraŭdiroj.

Mi certas, ke finfine tia programo aperos – la demando estas, kio estas bezonata, por ke reprezentantoj de diversdirektaj alternativaj movadoj ekscipovu kunlabori. Tamen jam nun, proponante metodojn de solvado de iuj apartaj problemoj – ekzemple, por konservado de nacikultura specifo kaj diverseco en iu aŭ aliu regiono, ni povas agi vere rezultodone, se ni imagos, ke tia programo, tia ideologio jam ekzistas. Por tio necesas nur konsideri samtempe ĉiujn proponojn, kiuj venas de diversaj netradiciaj movadoj, kaj ellabori sur ilia bazo komplekson da agoj. Ekzemple, konservadon de loka lingvo aŭ dialekto oni ligu kun la loka ekologia medio, tradiciaj metioj, enkonduko de Interreto, konstruado de ŝoseo kaj venta elektrocentralo, kaj ankaŭ kun enkonduko de la plej adekvata (konsideranta la lokajn tradiciojn) sistemo de municipa memregado. Povas esti, ke sur tia vojo oni povos solvi ne nur lokajn problemojn, sed ankaŭ kontribui al la kreo de tutmonda sistemo de la konservado kaj evoluigado de la homa kulturo kaj supero de la ekzistantaj kontraŭdiroj, solvado de la nesolveblaj antinomioj.

Tatjana
Auderskaja

# Vasilij Eroŝenko - Japana Poeto

Multaj miloj da kilometroj disigas Ukrainion kaj Japanion. Malsimilas iliaj kulturoj kaj naciaj tradicioj.

Tamen, ekzistas unu eksterordinara kazo, kiam filo de nia lando iĝis japana esperantisto. La nomo de tiu homo estas Vasilij Eroŝenko.

Lia sorto estas unika. Li naskiĝis en 1891 en vilaĝa familio en ukrainia vilaĝo Obuhovka de Kurska gubernio, sur la limo inter Ukrainio kaj Rusio. En la aĝo de kvar jaroj li blindiĝis; kaj estante blinda, li traveturis la tutan mondon. Li fondis lernejojn por blinduloj en Hindio, Tajlando, Birmo; lernis en Londono, laboris en Ĉinio, sur la Ekstrema Norda kaj Ekstrema Sudo de Sovetunio.

- Ĉu tio eblas? vi diros. Ĉu blinda homo ne estas destinita al eterna tenebro kaj senespero? Ĉu eblas aktiva krea vivo por la homo, kiu estas senigita de sia plej grava sencorgano, donanta ĉ. 80% de la tuta informo pri la ĉirkaŭa mondo?

Sed jen kion diras Vasilij Eroŝenko mem en sia aŭtobiografio: "Mi estas blindulo. Mi blindiĝis je kvar-jara aĝo. Kun petegoj, en larmoj forlasis mi kolorriĉan sunan mondon. La nokto por mi ĉiam daŭras, kaj ne finiĝos ĝis la lasta mia spiro. Sed ĉu mi malbenas ĝin? Ne, tute ne."

Tiu homo portis la lumon en si mem: la lumon de bonkoreco, homamo, humaneco. Tiu interna lumo helpis al li vidi en homoj ilian internan esencon - kaj li estis amiko de multaj eminentaj homoj. Tiu lumo prilumigis ankaŭ la eksteran mondon - kaj Eroŝenko povis kaj rajtis diri: "Hieraŭ mi vidis Tokion", aŭ "Kiel bela estas urbo Pekino", aŭ "Mirinda vidaĵo malfermiĝas ekde la monto Fudzijama". Li "vidis" pagodojn de Moulmejn, neĝojn de Ĉukotka kaj sablojn de Karakumi, hindajn ĝangalojn kaj Westminster en Londono. Unu el la libroj, verkitaj pri li, nomiĝas ĝuste tiel: "La homo, kiu ekvidis la mondon."

Eroŝenko vidis la mondon per sia koro; kaj tiu grandega spirita forto helpis al vilaĝa knabeto saviĝi el la ĉirkaŭanta lin tenebro.

En la aĝo de naŭ jaroj li eklernis en la moskva lernejo por blinduloj. "Mi estas la plej feliĉa en la mondo: mi vidas sunon, mi vidas lumon," - tiel li skribis hejmen post konatiĝo kun la Brajla skribsistemo. Li ankaŭ eklernis tie muzikon: li ludis pianon, violon, gitaron. Ludis ne pro tio, ke oni speciale instruis lin - li arde lernis mem, ĉar la flamo de soifo scii, kompreni, povi, krei flagris en lia animo.

En 1908 Eroŝenko eklaboris en Moskva Ĥoro kaj Orkestro de Blinduloj: Ankaŭ tiam okazis la evento, kiu definitive ŝanĝis lian tutan vivon: li konatiĝis kun esperantistoj (helpe de moskva esperantistino Anna Ŝarapova) kaj eklernis la lingvon Esperanto. "Verdire mi povas aserti, ke la sorĉa lampo de Aladino ne povus helpi al mi pli, ol la verda steleto - simbolo de Esperanto. Mi estas konvinkita: neniu ĝino el arabaj fabeloj povus fari al mi pli multe, ol faris la genio de reala vivo, L. Zamenhof, kreinto de Esperanto." Ĝuste Esperanto helpis al Eroŝenko vere ekvidi la mondon, ĝi reale disigis antaŭ li ĉiujn ŝtatlimojn kaj malfermis al li korojn de homoj.

En 1912 Eroŝenko helpe de esperantistoj veturis al Anglio. Dum la vojo lin, ankoraŭ ne reganta fremdajn lingvojn, ĉiam renkontis esperantistoj, helpis pri loĝado, trajnŝanĝoj, vojbiletoj. Dank' al Esperanto, la blinda homo traveturis tutan Eŭropon, kaj reale konvinkiĝis pri vera interkompreno kaj interhelpo de tiel diversaj homoj en diversaj landoj.

En Londono Eroŝenko studis en la Reĝa Porblindula Akademio, vizitis la Britan Muzeon, ekinteresiĝis pri budhismo kaj do eklernis la lingvon Pali (kaj kompreneble, la anglan kaj la francan).

Sed la vivo en tro limigita, snoba kaj tiam sufiĉe rasisma angla socio ne plaĉis al li, kaj post ok monatoj Eroŝenko revenis al Rusio, por prepariĝi al vojaĝo al Japanio.

Oriento ĉiam estis proksima al rusa animo; Rusio estas firme kunligita, per ligoj de spirita kaj genetika parenco, kun Oriento; kaj post sufokige racia Okcidento, kiel fabelo, kiel revo allogis lin "promesita tero de la animo" - la antikva Oriento.

Verdire, Eroŝenko ne estis sola en tia strebo. Rememoru almenaŭ H. Hesse, kiu dediĉis sian ĉefverkon "Al Pilgrimantoj al la lando de Oriento", aŭ "Okcident-Orientan divanon" de Goethe. Oriento ĉiam estis " la promesita lando de Spirito, de Animo" por tiuj, kiuj serĉas ĝin. Eroŝenko vere serĉis.

En Tokio Eroŝenko lernis psikologion, medicinon, muzikon, japanan lingvon kaj literaturon, masaĝon, akupunkturon; li ekmajstris japanajn naciajn muzikilojn Koto kaj Sjamisen. Tiel li konatiĝis ankaŭ kun ideoj de bahaismo, kiuj esence estis proksimaj al li. Li komencis verki fabelojn kaj teatraĵojn en la japana lingvo.

En la lastaj monatoj antaŭ forveturo el Japanio, Eroŝenko okazigis religian disputon kun Rabindranath Tagor, kiu tiam lekciis en Tokia Universitato. Eroŝenko mem prelegis en Tokia Universitato rusan literaturon kaj kulturon, kaj, kompreneble Esperanton. Sed ĉio tio estis tro malmulte por li.

Li tiel diris pri Japanio: "Tro malmulte da tero kaj tro multe da feliĉo." Ankaŭ mi estis en Japanio, kaj povas diri la samon. La animo ne povas enteni tiom da zorgemo kaj amo, kiom donas al vi japanoj. Oni ne povas percepti tiun amon kiel memkompreneblan aferon; oni nepre emas redoni ĝin.

Kaj Eroŝenko forveturis al Tajlando por fondi tie lernejon por blinduloj. "Se mi ne farus tion, mi ne povus estimi min mem," - li diris poste. Sed en tiu tempo la lando praktikis la politikon de fermiteco, de limigo de eksterlandaj aktivecoj, kaj li ĉiam spertis la pasivan, ne refuteblan oponon de ŝtataj oficistoj. Sed Eroŝenko ne estis unu el tiuj homoj, kiuj cedas antaŭ la malfacilaĵoj. La homamo gvidis lin, eklerninte la tajan lingvon, fondis en ĝangaloj popol-lernejon por blinduloj. Legendo diras, ke dankemaj momentoj starigis monumenton al li. Iu verkisto diris: "Tute ne gravas, ĉu vere ekzistas monumento al Eroŝenko en Siam. Ĝi staras en animoj de multaj homoj. Kaj staras ĝi jam por eterne, ĉar legendoj estas faritaj el materialo pli firma, ol bronzo, granito aŭ marmoro."

En 1917 Eroŝenko transveturis al Birmo kaj eklaboris kiel direktoro de la porblinda lernejo en Muolmejn. Al la antaŭaj 20 lernantoj de tiu lernejo li aldonis ankoraŭ 100 novajn, mem serĉante ilin tra la lando. Li tute ŝanĝis la programon de lernado, proponante al infanoj ĉiuflankan disvolviĝon kaj konatiĝon kun la propra lando.

La blinda Eroŝenko vojaĝis kun siaj blindaj lernantoj tra tiu mirakla lando, lando de muziko kaj floroj, de noktaj torĉoprocesioj "Cve", palmoj kaj miloj da pagodoj; lando de vivoĝojaj kamparanoj kaj senzorgaj monaĥoj.

Li notis birmajn popolfabelojn kaj budhismajn legendojn en monaĥejoj. Pri ili li diris: "Tio estas neelĉerpebla materialo. Antaŭ mi malfermiĝis nova mondo - riĉega simbolaro, plena de profundaj misteroj. Eĉ se mi loĝus la tutan vivon en tiu lando, mi tutegale ne sukcesus ĝisfunde ekkoni ilian enhavon."

Tamen en Rusio okazis revolucio, kaj Eroŝenko volis reveni al la patrujo, "por partopreni la politikan vivon de Rusio", kiel li skribis al sia amiko Torii Tokudziroo.

Li venis al Hindio, kie rezidis tiam rusa konsulo; sed britaj koloniaj potencoj enprizonigis lin per "hejma aresto", sub preteksto, ke li estas "germana spiono". Sed ankaŭ tie Eroŝenko ne elspezis la tempon vane. Li notis japanlingve hindiajn popolfabelojn kaj publikigis ilin en japana junulara revuo "Sejnen kurabu". Kaj post "hejma aresto", li vojaĝis tra Hindio, plonĝis por akiri perlojn kun grupo de perloserĉantoj, interesiĝis pri la vivo de blinduloj en Hindio. Ja en tiu lando ilia vivo estas aparte terura, ĉar ankaŭ blinduloj tie estas dividitaj je kastoj, kaj ilia tradicia metio de bros- kaj korbfarantoj destinas al ili senelire malfeliĉan vivon, ĉar tradicie tiuj kastoj apartenas al la malestimataj en Hindio. Sed kion li povis fari kontraŭ miljara tradicio, kiu eĉ nun, post 100 jaroj, kripligas la vivon de Hindio?

La vivo en Hindio, sub peza brita atento, estis sufoke malfacila por Eroŝenko. Al Soveta Rusio oni ne enlasis lin; en Kalkuta kinejo li petis permeson muziki antaŭ la komenco de la filmo, sed efektive li plenumis la himnon de la laboristaro "Internacio" tradukinte ĝin al Bengali. La aŭditorio eksplodis per krioj. Rekte el kineja halo Eroŝenkon forkondukis policanoj. Tiun danĝeran ribelulon oni devis nepre ekzili! Tamen ne al Soveta Rusio, kiun Britio tiam ne agnoskis, sed al antaŭnelonge forlasita Japanio: Li devis reveni per la sama vojo, per kiu li venis!

Eroŝenko estis sendita al Japanio sur brita militŝipo. Sed jam dum la unua albordiĝo de la ŝipo en Singapuro, sur ferdekon venis ĵurnalistoj, el Esperantaj fontoj eksciintaj pri la afero. Unu el korespondentoj-esperantistoj kaŝe transdonis al Eroŝenko pakaĵon kun vestaĵo de kulio, harplektaĵo kaj flava farbo por haŭto. Kaj dum sekva albordiĝo, la blindulo malaperis. Li asimiliĝis en la aro de ŝarĝistoj-kulioj; kaj eĉ li sukcesis kunporti sian gitaron.

Sed pri kio temas? Kiam la rakonto pri blinda idealisto transformiĝis en aventuran romanon, en detektivan historion, en fantaston fin-fine - kiam temas pri ekposedo de la plej raraj kaj ekzotikaj lingvoj dum kelkaj monatoj. Ĉu ĉio tio estas vero?

Sed ĝuste tia estis vivo de la homo, en kies animo flagras flamo. "Ekbruligis mi flamon en kor", skribis V. Eroŝenko. Kaj se tiu flamo estas amo al homoj, do nenio povas estingi ĝin. Homamo donas fortan ĝojon en la vivo. En la plej mornaj momentoj de soleco kaj malespero, homoj venis helpe al homo, se en lia animo flagris tiu flamo kaj varmigis ilin.

Bedaŭrinde, tro multe da tiaj momentoj travivis Eroŝenko. Personoj nekapablaj al homamo ofte strebis reciproki lin per malamo, kvazaŭ venĝante al alte dotita persono pro sia nesufiĉeco.

Aparte malfacile vivis Eroŝenko en Ĉinio. Tiuj tri jaroj (1921-1923) estis unuj el la plej malfeliĉaj en lia vivo.

Sed tio okazos iom poste. Dum Vasilij Eroŝenko el Ŝanhajo revenis al sia amata Japanio. Tie, tiu "rusa vagabondo, saturita de nihilisma

spirito, kun senbrida karaktero", kiel priskribis lin iu japana funkciulo, verkis fabelojn en la japana kaj Esperanto. Fama japana pentristo Nakamura Cune volis pentri lian portreton. Tiun portreton oni opinias la plej bona kreaĵo de tiu pentristo, kaj entute la plej bona oleopentraĵo, kreita de japano en eŭropeca stilo. Erosenko diris pri tiu portreto: "Mi fordonus unu jaron de mia vivo por ebleco ekvidi ĝin, almenaŭ unufoje."

En Japanio li ripetis tion, kio alportis al li sukceson en Hindio: li elpaŝis en socialistaj mitingoj, partoprenis festadon de la 1a de majo. Trista, alta kaj maldika Erosenko en multo similis al la Kavaliro de Trista Imago. Sed ĝuste pri tiaj, kiaj li, diris rusa verkisto I.S.Turgenev: "Se malaperos Don-Kiĥotoj - fermu tiam la Libron de Historio! Oni ne havos pri kio skribi en ĝi!" Socialismo estis por Erosenko mirakla "Lando de Ĉielarko", kie "ne ekzistas malriĉuloj, kie ĉiuj infanoj manĝas ĝissate kaj loĝas en sekaj, varmaj domoj". Nun, post 80 jaroj, ĉe ni, dank' al Dio, estas neniigita socialismo kaj denove aperis malriĉaj, malsataj kaj senhejmaj infanoj. La homaro neniigas kaj Don-Kiĥotojn kaj iliajn revojn. " Sed kie ajn mi estu", - skribis Erosenko, - "mia homamo, mia kompato al suferantoj kaj humiligitaj, - ĉio tio por ĉiam restos en mia koro."

Printempe de 1921 Erosenko estis arestita, batita kaj elsendita el Japanio.

Policanoj perforte malfermadis liajn palpebrojn por kontroli ĉu li vere estas blinda.

Pro la civila milito li ne sukcesis alveni ĝis Rusio, kaj iutage en julio li, ĉifonvestita kaj sen aĵoj, nur kun la gitaro, frapetis al la pordo de sia japana amiko, loĝanta en Harbin (Ĉinio). En ukrainia klubo de la urbo Harbin Ero-sjan (tiel nomis lin japanoj) li deklamis sian fabelon "La lando de ĉielarko". Sed, kontraste de Japanio, en Ĉinio li ĉie, inter samideanoj kaj inter fremduloj, renkontis nur indiferenton kaj nekomprenon.

Li skribis pri tiu tempo en la poemo "Malespera koro":

Mi vagis sur tero, mi serĉis tra mondo,
Deziris mi trovi la fratojn amant ajn,
Sed trovis aŭ monstrojn, aŭ bestojn sovaĝajn
Aŭ ruzajn simiojn nur ĉion mo kantajn.
Al frata salut' ili montras la dentojn,
Per mordo respondas manpremon de l' frat',
Respondas per kraĉo la koran fratkison,
La fratĉirkaŭprenon per la perfid bat'.

Mi serĉis amikon kun varma frat mano,
Kun koro varmega, fidinda en tut',
Sed vane, mi trovis nur harpiedegojn
Kun longaj ungegoj
de l' ruza monstr brut'.

Kaj nun mi laciĝas,
mi volas ripozi
Profunde en kor' de
l' patriner' amanta,
Profunde dormante
mi sonĝos eterne
Pri frat-amiko min
ĉie serĉanta.



Oktobre Erosenko forveturis al Ŝanhaj. Tie li komencis instrui Esperanton en la Instituto de Mondaj Lingvoj, kaj en 1922 li ricevis inviton lekcii pri Esperanto kaj rusa literaturo en Pekina Universitato. Post lia alveno, la nombro de studentoj de rusa fakultato kreskis de 15 ĝis 500! Komence "Ejlosjanke" prezentis siajn lekciojn en Esperanto, sed baldaŭ li ekposedis ankaŭ la ĉinan lingvon.

En Ĉinio Erosenko sentis sin terure soleca: li preskaŭ ne havis tie amikojn, li ne povis esti en la centro de kultura kaj socia vivo, kiel tio estis en Japanio. La stagna ĉiutageco de grandega feŭda lando terurigis kaj deprimigis lin. Kaj do, en 1922 li tra la tuta kontinento veturis al Helsinki, por 14-a Universala Kongreso de Esperanto. Li bezonis tion por "enspiri freŝan aeron" de aktiva vivo, por aliĝi al "tutmonda socimo" - tiam nur malgranda grupo,

ĉ. 850 personoj, kunvenintaj el ĉiuj teranguloj. Sed ĝuste ili enkarnigis en si lian ideon de la "Lando de ĉielarko" - komunumo de homoj, ne disigitaj unuj de aliaj per naciaj aŭ klasaj bariloj; tutmonda unuiĝo de homoj, parolantaj la saman lingvon kaj pro tio vere egalrajtaj inter si; societo, kie fortulo ne voras malfortulon, kaj kie oni strebas ne al perforto por pliprofundigi malegalecon, sed al kuniĝo de egalrajtoj por disvolviĝo. Tiaj estas ideoj de Esperanto; la tiel nomata "Interna ideo", kiu donis kaj donas al ĝi vivoforton, jam dum pli ol 115 jaroj subtenante ĝian ekziston, dum ĉiuj aliaj artefaritaj internaciaj lingvoj fakte mortadis jam en lulilo, ne trovinte por si adeptojn.

Eroŝenko kredis je tiu ideo, ideo de tutmonda frateco. Por ĝi li vivis, per tuta sia vivo konfirmante kaj asertante tiun ideon. Esperanto estas lingvo-peranto, ne altrudante sian mondkoncepton, sed kreante kondiĉojn por absolute egalrajta komunikiĝo kaj kultura interŝanĝo. Eroŝenko dekomence iĝis esperantisto, t.e. homo, kiu pensas en kategorioj de unuigita homaro kaj egalrajteco de ĉiuj kulturoj; kaj ĝuste tial li sukcesis tiel profunde akcepti en si aliajn lingvojn kaj kulturojn, tiel plene esprimi sin en ajna lingvo. Ja tio, kion li verkis, estis kreita en la lingvo de la koro; kaj tiu lingvo estas la sama por ĉiuj popoloj.

Por delegitoj de la Kongreso Eroŝenko laŭtlegis sian rakonton "La tago de tutmonda paco"; rakonton pri tio, ke triumfo de venkintoj portas en si morton, sangon, larmojn kaj semojn de estonta milito. La delegitoj, kiuj ĵus travivis la tempon de revolucioj kaj militoj, ne aplaŭdis. Ili silentis. Ili komprenis Eroŝenkon.

La vivo en Ĉinio post reveno de la UK iĝis eĉ pli severa. La registaro persekutis tiun "Internaciiston", la kvanto de studentoj en liaj lekcioj draste reduktiĝis: kiu ja deziras esti kunligita kun suspektinda eksterlandano, fremdulo.

En 1923 Eroŝenko definitive forveturis al Rusio, kaj de tie - al 15-a UK en Nürnberg (Germanio). Tie li denove trafis al atmosfero de streĉegita spirita vivo, al sia "spirita patrujo". Dum Internacia Poeta Konkurso, Eroŝenko ricevis la unuan premion pro sia poemo "Aŭguro de ciganino"

Mia kara, mia bona,
Mia nobla belulin'!
Ciganino diras veron,
Ciganin' ne trompas vin.

Scias mi knabinajn revojn,
La sekretojn de la kor',
Scias mi pri homfeliĉo,
Scias mi pri amdolor'.

Kredas vi, ke la feliĉo
Estas via vera sort',
Kredas, ke belec' kaj amo
Akompanos vin ĝis mort'.

Kredas vi, ke ne ŝanĝiĝas
Vera amo sub la sun',
Kredas vi, ke la amikoj
Ne perfidas sub la lun'.

Kredas vi, sed mia kara,
Mia nobla belulin',
Kredu min, mi diras veron,
Ciganin' ne trompos vin.

Daŭra amo, daŭra ĝojo
Estas vana belesper':
En la mond' ŝanĝiĝas ĉio;
Ĉio pasas sur la ter'.

Pro l' amat', pro la amikoj
Venos plej malĝoja hor'
Kaj por ĉiam nur sopiro
Restos en la juna kor'.

Mia kara, mia bona,
Vin kompatas ciganin'.
Plej fidataj vin perfidos,
Plej amataj trompos vin.

Mia kara, mia bona,
Kompatinda belulin'!
Ciganino vin kompatas,
Sed ne povas helpi vin.

Ne ekzistas ja sorĉado
Kontraŭ la fatala mort',
Ne ekzistas talismanoj
Kontraŭ malbenita sort'.

Sed memoru, ne forgesu,
Mia kara belulin',
Estas io en la mondo,
Kio ne perfidos vin.

Tio estas la ponardo,
Tio estas mortvenen',
Kiam ĉio vin perfidos,
Ili estos vera ben'.

Vi memoru, ne forgesu,
Mia nobla belulin',
En la venĝ' ponard' vin helpos,
Mortvenen' ne trompos vin.

Mia kara, mia bona,
Mia nobla belulin'!
Ciganino diras veron,
Ciganin' ne trompos vin.

Tiu premio estis ne nur pro la poezio, sed pro lia tuta gloraĝa kaj profeta vivo.

Post la kongreso li vojaĝis tra Germanio kaj Francio, konatiĝis kun muzeoj, sciencaj organizaĵoj, porblindulaj institucioj. Kaj en 1924 li partoprenis Blindulan Kongreson en Vieno, kie estis fondita Tutmonda Asocio de Blindaj Esperantistoj (TABE). Ĝi ekzistas ĝis nun, havante pli ol 500 anojn en la tuta mondo. Ĝia celo estas interkomunikiĝo kaj interhelpo de blinduloj en ĉiuj landoj, eldono kaj disvastigo de Brajla literaturo.

Post reveno de tiu kongreso en 1924 Eroŝenko komencis labori en Komunista Universitato de Laboristoj de Oriento, kiel tradukisto por la grupo de japanaj studentoj. Kiam tiu grupo forveturis, li tradukis librojn al la japana, subtenis sin per porokaza laboro. Hejme li ne estis konata verkisto - liajn fabelojn oni konis nur en Oriento; li ne estis fama vojaĝanto, ekvidinta la tutan mondon - ja rakontojn pri liaj vojaĝoj konservis nur Esperantaj kaj japanaj ĵurnaloj; hejme li estis nur simpla blindulo, la sama kiel multaj aliaj liaj samsortanoj, kiuj kantis en bazaroj kaj faris brosojn

por vendi.

Same kiel en Ĉinio, soleco kaj ĉiutageco komencis sufoki tiun fortegan naturon. Sed ĝuste tial estis forta anime tiu homo, ĉar li, dum li vivis, neniam fleksiĝos, neniam iĝos mizera, kompatinda, febla. La forteco de animo esprimiĝis en strebo vivi por aliuloj. Kaj tio eblas ĉie kaj ĉiam.

Estas paradokse, ke Erosenko ĉiam plendis por malfortaj. La humiligitajn kaj senrajtigitajn li ĉiam



konsideris malfortaj, ĉar ilin subjugas fortaj. Sed - ĉu vere fortaj subjugas aliulojn? Ĉu ne respeguliĝas, ne reveliĝas ĝuste en la strebo al subjugigo la mizereco de animo? Ĉu la forta, vere forta homo ne emas nature, donaci kaj protekti? Kaj nur la malforta volas forpreni de aliuloj, - ĝuste tial, ke li ne havas ion propran. Subjugigo kaj perforto estas ĝuste potenco de mizeranimaj, kiuj, havante nenion en sia propra animo, strebas almenaŭ ion forpreni de aliaj. Ĝuste malfortaj gvidas la mondon, elsuĉante la fortojn de fortaj, - ĉar proprajn fortojn ili ne havas.

Kaj Eroŝenko estis ne sur la flanko de "mizeruloj" - drinkuloj sen mono kaj stultuloj sen cerbo. Li estis sur la flanko de tiuj fortaj, saĝaj kaj fieraj, tiuj, kiuj fakte havas nenion, - sed kiuj deziras vivi. Sed vivi ili povas nur je la konto de aliaj. Jen de kie aperas eterna divido de homoj al kreantoj kaj parazitoj, kaj Eroŝenko volis, ke fortaj homoj forskuu de si la parazitojn, kaj fordonu siajn fortojn al spirita konstruado, al plibonigo kaj perfektigo de la vivo, sed ne al subteno de ekzistado de parazitoj. Li mem estis forta homo, kaj li batalis por la rajtoj de la fortoj en tiu mondo, kie regas malindaj kaj mizeraj.

Iam li diris pri si mem:" Kiam mi mortos, oni skribu sur mian tombon nur tri vortojn: Vivis, Vojaĝis, Verkis". Li vojaĝis, verkis - do, li vivis.

En 1929 Eroŝenko veturis al Ĉukotka. La ekstera preteksto estis viziti sian fraton-veterinaron, esplori la vivon de blinduloj. Sed reale Eroŝenko, kiel ĉiam, serĉis homon. Moskvanoj en tiu tempo vivis streĉite; kiel diris rusa verkisto M.A.Bulgakov, "la problemo pri apartamentoj fuŝigis ilin". Do, same kiel en Ĉinio Eroŝenko sentis sin nebezonata al burokratia maŝino de la grandega lando. "Ju pli multe ŝvelas urboj-gigantoj" - skribis Eroŝenko en la eldonitaj en la 30-aj jaroj en Esperanto skizoj "El la vivo de ĉukĉoj", - des pli malgranda iĝas en ili homo. Kaj finfine li reduktiĝas ĝis tiel ordinara stato, ke lia vivo kaj morto interesas jam neniun. Ĉio estas alia en arkta tundro. Ĉukĉoj scias aprezi homon."

Kaj ankoraŭ unu, speciale interesa por ni rimarko: eĉ tiam, antaŭ 70 jaroj, kiam ne ekzistis eĉ la vorto "ekologio", Eroŝenko jam estis konvinkita, ke ĉiu homo devas vivi harmonie kun la naturo kaj fari ion utilan por ĝia pliriĉigo.

Sed ĉu tio estas stranga? Ĉu ekologia mondpercepto ne estas naturo por normala homo, kiu sentas sin parto de la naturo? Ja ĝuste el naturo prenas siajn fortojn forta animo; la sentaŭgulo elsuĉas ilin el aliaj homoj. Kaj eble, ĝuste tial nun kunfluas kaj koincidas inter si la ekologia kaj Esperanta movado, ĉar ili havas la saman celon: spirita resaniĝo de la homaro.

Tamen, ankaŭ en Ĉukotko, kiu tiam transiris de primitiva socio al socialismo, ne trovis Eroŝenko "harmonion kun la vivo". Jen blinda fiŝisto ne havas esperon resaniĝi, nek labori (sed Ĉukotko ne estas Birmo, tie troviĝas nek lernejoj por blinduloj, nek minimuma zorgo pri ili!). Jen juna ĉukĉo, blindiĝinte pro eksplodo de bombo (frukto de civilizacio!) sinmortigis sen espero trovi sian lokon en la vivo. Ĉiam malfermita al homoj, animo de Eroŝenko reeĥis al lia doloro kaj doloris kune kun ili. Kaj kiom da doloro, lia propra kaj alies, eltenis li dum la tuta vivo!

Sed li ne rezignis. Ankaŭ en la nordo li sentis sin same libera, kiel en la sudo: en Japanio, Birmo. Vintre li veturis al tundro sur boacoj, somere ĉasis anasojn laŭsone. Li kuracis homojn, dank' al tio, ke samtempe li studis masaĝon kaj orientan kuracarton kaj havis

kun si medikamentojn. Foje li preskaŭ frostmortis en la tundro, veturinte sola al malsanulo. Liaj veturhundoj savis lin, portante lin preskaŭ senkonscia al vilaĝo. Sed tie, en la tundro, frostmortante sub neĝamaso, Eroŝenko solvadis parkere la ŝakan trimovan problemon, kiun li antaŭe sensukcese provadis solvi. Li solvis ĝin tie, sur la rando inter vivo kaj morto, kaj poste li rakontis pri tiu solvo en sia novelo "Trimova ŝakproblemo": "La vivo de ĉiu homo similas al trimova ŝakproblemo: La unua movo estas naskiĝo; la dua - juneco kaj matureco; la tria - morto. Kaj do, neniam, kiel ajn malfacila estas la situacio, neniam hastu fari la trian movon. El ĉiu pozicio eblas trovi eliron."

Jen estas kredo de vere forta homo.

Liaj japanaj amikoj, delonge ne ricevante sciigon pri li, estis devigataj kredi, ke li mortis, pereis, ke lin "superŝutis la Ĉukotka neĝblovado". Ja malfacile estas tiam korespondi kun Japanio. Sed Eroŝenko tamen trovis eblecon sendi al amikoj "vivsignalojn": liaj verkoj estis publikigitaj en Esperanto gazetaro kaj legataj en la tuta mondo.

Kaj Eroŝenko mem, perdinte la eblecon vojaĝi eksterlanden, komencis fari vojaĝon tra la grandega Sovetunio. En la sveda Esperantorevuo aperis liaj artikoloj: "Ĉe blinduloj de Uzbekistano", "Soveta Armenio", "El la vivo de ĉukĉoj". Kaj en 1933 Eroŝenko veturis al Parizo, al la vica Universala Kongreso, kaj denove li mergiĝas en tiun vivigan atmosferon de niaj kunvenoj. La simbola koloro de Esperanto estas verda, la koloro de espero. Sed tio estas ankaŭ la koloro de la vivo ! La Esperanta mondo kaj Japanio subtenis la vivon de Eroŝenko, donante al li ĉion plej bezonatan, la plej valoran por li: eblecon apliki siajn spiritajn fortojn, subtenon kaj komprenon.

Sed en lia ĉiutaga vivo - du jaroj da instruado en porblindula lernejo en Ponetajevo, apud Niĵnij Novgrod. Ekde 1932 Eroŝenko - korektisto en la brajla tipografio en Moskvo.

Tamen jam en 1934 Eroŝenko veturis al Aŝhabad, kaj poste al Kuŝka, la plej suda loko de USSR, por labori tie kiel direktoro de porblindula lernejo. Tie li instruis literaturon, matematikon, historion, lingvojn rusan, Esperanton, anglan, turkmenan, kiun li eklernis dum duonjaro. Eroŝenko kreis brajlan alfabeton por turkmenoj, kaj baldaŭ oni jam eldonadis librojn, uzante ĝin. Same kiel en Birmo, li alkutimigis infanojn al memstareco, instruis ilin plenumi diversajn ĉiutagajn laborojn, priservi sin, sportumi, naĝi. Li diris: "Blindulo ne bezonas kondukiston. Lia kondukisto estas suno." Kaj kiel ĉiam, li gvidis siajn lernantojn en multaj ekskursoj tra la lando. Li invitis al Kuŝka siajn amikojn, geedzojn-muzikistojn,kaj tie komenciĝis instruado de muziko kaj kantado. Foje, kiel donaco al siaj amikoj, infanoj de ukrainiaj elmigrintoj, kiuj loĝis en najbara vilaĝo Morgunovka, la blindaj turkmenaj infanoj surscenigis en ukrainia lingvo porinfanan operon "Koza-dereza" de ukrainia komponisto M. V. Lisenko.

Somere de 1938 Eroŝenko partoprenis la 1-an Tutrusian ŝakturniron de blinduloj kie li gajnis la 3-an lokon. Ludis Eroŝenko ne tre forte; sed liaj ŝakpartioj ĉiam estis originalaj, same kiel liaj fabeloj. Li ludis bele kaj poetike. Lia lernanto V. Perŝin, sciencisto de Orientologia Instituto de la Akademio de USSR, rimarkis pri lia ludado: "Estas nesufiĉe diri, ke Vasilij Jakovleviĉ arde amis ŝakon. Li ĝuis la ludon, kiel estulo ĝuas la bildon de amata pentristo. La ŝako por li reprezentis kunfanditajn principojn de etiko kaj estetiko, kaj la ŝakpartio estis la akto de kreado de vera arta majstroverko." Kaj ĉukĉoj, amikoj de Eroŝenko, eĉ timis lian ŝaktabulon, opiniante ĝin la potenca ilo de ŝamano.

Iam en Parizo, Vasilij Eroŝenko ludis deciditan partion kun Mem Aljohin, en fama ŝakista kafejo "Reĵans". Sed poste li memoradis tiun ludon kun mistika sento de ĝojo kaj amaro. Li timis, ke la mondĉampiono simple kompatis lin, blindulon. Sed Eroŝenko tre serioze rilatis al la ŝako, kaj ne toleris, kiam eĉ tre forta kontraŭulo intence cedis al li. Kiam li estis grave malsana, li ĉiun sian gajnitan ŝakpartion perceptis kiel ankoraŭ unu venkon super la morto.

La vivo en Kuŝka iris laŭ sia ordo: Infanoj disvolviĝis; instruistoj indigniĝis pro la stranga direktoro, kiu devigis ilin labori plenforte, ne ŝtelis en laborejo mem kaj ne lasis ŝteli al ili; kontrolkomisionoj skribis incitite neaprobajn raportojn.

Kiam komenciĝis la Dua Mondmilito, kiu por nia lando estis la granda Patruja Milito, en la internulejo oni komencis akcepti vidpovajn orfajn infanojn; blinduloj restis tie malmultaj; kaj en 1946 oni translokigis ilin al la unuigita internulejo de blinduloj kaj surdomutuloj en urbo Ĉarĝuo. Nun, kvankam ĉe ni aktuale ne okazas milito, oni ankaŭ kunigas tiajn internulejojn. Sed en tiu tempo Eroŝenko, kiel honesta homo ne volis subteni tiujn monstrajn ŝanĝojn, kaj forveturis al Moskvo. Verdire, oni ne tro retenis lin surloke; ja honestaj homoj ĉiam malhelpas al multaj.

En Moskvo li komencis labori kiel instruisto de fremdaj lingvoj en la sama porblindula lernejo, kie li mem iam lernis. Kiel ĉie, infanoj lin amis, superuloj - ne. Malfacile estis en Moskvo ankaŭ pro tio, ke li, ĉiam helpema kaj grandanima, lasis loĝi dum sia foresto en sia ĉambro junan geedzan paron de blinduloj, kiuj ne sciis kie loĝi. Sed kiam li revenis, evidentiĝis, ke ili tute ne intencas liberigi la ĉambron kaj cedi ĝin al ĝia vera posedanto. Eroŝenko loĝis jen ĉe amikoj, jen subluante partojn de ĉambroj. Sed kiam oni aludis al li, kiamaniere trakti la "gastojn", memoriginte la falon pri sturno, kiu forpuŝis el sia nesto impertinentajn paserojn, Eroŝenko repondis: "Tio pri birdoj. Sed ni estas homoj." El siaj negrandaj rimedoj li ofte help-

adis al blinduloj, pruntedonante al ili monon; kaj poste li hezitis rememorigi pri la ŝuldo. Malnoblaj homoj ofte uzadis tiun "ŝancon", sed Eroŝenko ne atentis malnoblulojn. Ne por ili li vivis.

Estinta tankisto, blindiĝinte dum la milito, 20-jara V. Bogdanov tiel rememoris pri V. Eroŝenko: "Mi ŝuldas al li ĉion. Li inspiris min kredi je la vivo, helpis iĝi plenrajta ano de socio, sed ne ĝemanta kriplulo aŭ memmortiganto." "Ĉio dependas nun de vi", - diris Eroŝenko. Li povis helpi nur al fortaj homoj, kaj homoj apud li iĝis fortaj.

Nature Eroŝenko ne longe restis en Moskvo. Ekde 1949 li eklaboris kiel instruisto de fremdaj lingvoj en lernejo por plenkreskaj blinduloj en Taŝkento. En 1951 li faris sian lastan grandan vojaĝon - al Jakutio. Kiel ĉiam, li volis fondi ie en siberia malproksimo lernejon por blinduloj. Sed la sano jam feblis: li maldikiĝis, komencis rapide laciĝi. Krom tio, li suferis pro malario, akirita en juneco dum la vojaĝoj en ĝangaloj. Do, li ne restis en Jakutio, sed en 1951 forveturis ankaŭ al Taŝkento hejmen al Obuhovka: ripozi, kuraci sin, okupiĝi pri literatura laboro ...

Kuracistoj verdiktis teruran diagnozon: kancero. Sed Eroŝenko neniam timis morton. Lin interesis nur, kiom da tempo restis al li vivi, kaj kion li sukcesos fari dum tiu tempo. En majo 1952 li vizitis siajn fratojn en Donbass, Harkovo kaj Karelio. Tio estis lia lasta vojaĝo.

Li mortadis same modeste, kiel li vivis: laborante tage kaj nokte, penante malplej zorgigi la ĉirkaŭantojn.

Terure estas, ke ĉio, kion li verkis en nia lando, malaperis peree. Estis forbruligitaj du libroŝrankoj da manuskriptoj kaj libroj en Kuŝka. Senspure perdiĝis la libro, sur kies manuskripto li laboris ĝis la morto, kaj pri kiu li diris: "Jen la libro - rezulto de miaj meditoj, resumo de mia vivo. Nun, kiam ĝi pretas, mi povas morti trankvile." Siajn tutan arkivon kaj bibliotekon, kolektitajn dum la lastaj jaroj, li testamentis al Tutrusia Blindula Societo; sed ĉio estis neniigita en Obuhovka.

Li tute ne estis bezonata al sia patrujo.

Lia koro restis en Japanio.

En la japana lingvo oni eldonis kelkajn liajn verkarojn, inkluzive la plenan en tri volumoj. La lasta eldono de liaj verkoj okazis en




Japanio en 1996. En la rusa lingvo estas eldonita lia rakontaro "La koro de aglo" en 1963; en la ukraina - rakontaro "La floro de justeco" en 1969. La sesvoluma eldono de liaj verkoj en Esperanto aperis en Japanio sub redakcio de Mine Yositaka.

Aperas la demando: "Ĉu Vasilij Eroŝenko estas rusa verkisto?" Takasugi Itiroo skribis, ke "Eroŝenko estas konsiderata kiel japana verkisto". Li ricevis agnoskon kiel poeto kaj estis aprezata en japana literatura mondo. Por li estis destinita loko en "Enciklopedio de nuntempa japana literaturo" de eldonejo Sindajsja. Fabeloj de V. Eroŝenko eniris en la multvolumaron "Biblioteko de japana literaturo por infanoj", eldonita de Kavada Sebo en 1953.

Li eldonadis siajn verkojn ne nur en la japana, sed ankaŭ en la ĉina lingvo, en Esperanto kaj en la rusa. Lia sorto estas vere paradoksa: li verkis en fremdaj lingvoj kiuj iĝis por li kvazaŭ propraj. Akademiano N.I. Konrad, elstara fakulo pri orientaj literaturoj, rimarkis, ke ĉio, kion verkis Eroŝenko ruslingve, ŝajnas esti tradukita de iu el orientaj lingvoj.

Li estis mirinde dotita persono: kantis, gitarludis, konis dekojn da lingvoj, verkis poemojn, fabelojn, legendojn en la rusa, japana, Esperanto. Esiko Juasa, literaturologo, tradukisto de verkoj de Dostojevskij, Ĉehov, Gorkij al la japana lingvo, tiel rememoris pri Eroŝenko: "Ĉiuj, kiuj renkontiĝis kun Erosjan (tiel oni nomis lin en Japanio), konservis la plej bonan impreson pri li. Li lasis post si memorindan spuron sur la tero. Pura kaj klara animo… Blindulo, li vere estis kondukisto por multaj vidantoj."

Kiel ĉiu vere granda homo, li estis tre bonkora kaj puranima. Tio videblas en liaj literaturaj verkoj; tion atestis ankaŭ rememoroj de liaj samtempuloj. Tiu homo laboris por homoj; per sia vivo kaj agado li unuigis la homaron. Kaj en la komuna kulturo de la homaro restos ĝiaj kunigantoj kaj konstruantoj, kaj inter ili - Vasilij Eroŝenko, blinda poeto, klasikulo de japana kaj Esperanta literaturo, naskita en Kurska gubernio.

Jes, li povis diri pri si mem:

Ekbruligis mi fajron en kor',
Ĝin estingos nenia perfort';
Ekflamigis mi flamon en brust',
Ĝin ne povas estingi eĉ mort'.

Brulos fajr' ĝis mi vivos en mond',
Flamos flam' ĝis ekzistas la ter'.
Nom' de l' fajr' estas am' al homar',
Nom' de l' flam'' estas am'' al liber'.

Rubén Feldman González

# Faktoj pri faŝismo en la pasintaj 200 jaroj

## La tiel nomata "sendifina politiko"

Paradokse, la tiel nomata "manko de difino" de faŝismo estas parto de la difino mem. Se ĝi estus difinita ĝi ne povus agi kameleone, kio estas la plej elstara trajto de faŝismo. "Kameleono" estas difinita kiel "rampulo kiu havas longegan langon vermo-forman kaj la unikan kapablon ŝanĝi kolorojn rapide".

Fakte faŝistoj agis kaj agas ene de ĉiuj politikaj partioj, ĉiuj religiaj kredoj kaj ĉiuj katedroj universitataj.

Eble trafa difino estus: "Faŝismo estas ĉiu ideo aŭ ago kiu kontraŭas la principojn de la Franca Revolucio je la fino de la 18-a jarcento kaj komenco de la 19-a."

Tiuj principoj estas totala libereco de la persono kaj de la politiko, egaleco ekonomia, eduka kaj jura de ĉiuj homoj senescepte kaj frateco (ne hierarkio) en homaj rilatoj kaj institucioj.

La revo miljara de faŝistoj ĉiam estis la regado (aristokrateco-oligarkio) de tiel nomataj "profetoj" kaj militistoj kiuj gvidas kaj protektas al la ĉiohavantaj minoritataj homoj. Pornografio, terorismo kaj faŝismo estas vortoj nedifinitaj laŭleĝe kaj komplete. Oni devas rekoni ilin "kiam oni vidas ilin". Hitler diris ke li ne estas "faŝisto" kaj Mussolini neadis ke li estas "naziisto".

Dum la Dua Mondmilito (1939-45), ne nur la Hitlera Germanio, la Hiroita Japanio, kaj la Mussolinia Italio estis faŝismaj.

Ili estis ege helpataj de la Papo Pio 12-a, katolikaj ŝtatoj de Kroatio (Ustaŝa), de Slovakio, la Pollando de Pilsudski, la Hispanio de Franco, la Argentinio de Perón, la Kubo de Batista, la Paragvajo de Stroessner, la tiama Bolivio de Barrientos kaj Banzer, la Tajvano de Chian Kai-Sek, la Ĉilio de Pinoĉet, la Grekio de la Koloneloj, la Ataturka Turkio, la Francio de Vichy, ktp.

Eĉ nuna Ruslando konfirmis la kameleonan karakteron de faŝismo.La gejunuloj post la falo de Sovetia Unio en 1990, parolas flue (kaj profite) la leksikonon nazifaŝisman, malgraŭ la tiel nomata marksisma eduko kiun ili ricevis, laŭdire dum jardekoj.

La nuna faŝisma ekonomia kaoso, la malsato, la maldungo, la manko de hejmo kaj eduko de la geinfanoj kaj ge-maljunuloj, trovataj surstrate manĝante el rubujoj, verŝajne paradokse favoras la faŝismon pro la " aĉeto" de la mensoj de antaŭe famaj marksismaj junuloj, kiuj benas la oportunon ricevi salajron anoniman por paroli porfaŝisme. La Respublika Partio de Ruritania estas faŝisma.

Faŝismo estas esence la dekmiljara milito de la malplimultaj riĉuloj ĉiohavantaj kontraŭ la plimultaj malriĉuloj senpovaj. Faŝismo estis ĉiam apogata de ĉiopovaj individuoj kaj siaj privataj entreprenoj. Hitler kaj Mussolini estis paradigmaj marionetoj de tiuj fortoj kaj iliaj financoj.

Ekzemple la terposedantoj de la Valo de Po en Italio (kun Emilja Romanja) ege apogis al Mussolini kontraŭ la farmlaboristoj. Nazi-faŝisto estis priskribata dum la Dua Mondmilito kiel naciisma, militismema, imperiisma, ekspansiisma, maldemokratia, aŭtoritateca, hierarkiema, piramidema (ne egaligema), rasisma, ksenofobia, seksisma, malamanto de negroj, judoj, ĉinoj, ciganoj kaj brunaj latinamerikanoj.

Faŝistoj volas merkatan ekonomion bazitan super privatentreprenoj. La nuna globalismo (tutmondismo) kiu ne respektas naciajn leĝojn, laboristajn rajtojn kaj la ekvilibron de la ekologio, estas esence anglamerike faŝisma.

Malmultaj intelektuloj kiel Sorel, Nietzsche, Heidegger kaj Prigogine estas facile akceptataj en faŝismaj landoj.

La plej granda malamiko de faŝismo dum la 20-a jarcento estis nature la socialismo marksisma-leninisma-maoisma. Ĉi tiu movado tutmonda proponis fratecan ekonomian egalecon inter la homoj, internaciismon kamaradecan, mondan longdaŭran pacon sen armil-fabrikoj profitemaj, kamaradecon grupspiritan sen hierarkioj en la laborejoj, demokratecon politikan, finon de ĉia feŭdismo, rasismo kaj elitismo, kaj emfazon de eduko, scienco kaj kulturo por ĉiuj homoj senescepte.

La celo de la eduko estas la formigo tutmonde de "homo racia, paca, amikema, etika kaj sana". Kontraŭ la slogano faŝisma "vivi danĝere", ekaperis la frazo "vivi pace". La Brazilo de Getulio Vargas (1938-45) kun sia korporacia ŝtato esence favoris faŝismon. Ne estis favoraj tempoj

por liberala politiko kaj demokratio en Brazilo.

Okazis malemfazo de la diferenco kaj la fakta milito de riĉuloj ĉiohavaj kaj ĉiopovaj kontraŭ malriĉuloj subpremataj kaj sklavigitaj. La trompiga moto estis: "Ni laboru kune por la bono de la lando." Sed mankis diri ke la lando estas de la riĉuloj, kaj ke nur la malriĉuloj devas morti (ĉie ajn en la mondo) por defendi tiun "nacian landon". La rapida internaciigo de faŝismo sukcesis post la falo de Sovetunio en 1990.

Sed la sukceso de la faŝisma slogano de 1942: "Stalin egalas Hitler" kontribuis de tiam al la nuna situacio.



La ega plimulto de la personoj (malriĉuloj ne-edukitaj kaj ne vojaĝantaj) konas nenion pri politika ĵargono, komplikita de misinformado. Informado, misinformado kaj eĉ transformigo de la lingvoj, estas, kiel ĉio alia, en la manoj de la riĉuloj.

En Italio Berlusconi gvidas la registaron kaj ankaŭ la informilaron en 2003. En Argentinio, Juan Peron faris la samon.

La tuta popolo, kaj sendube eĉ la socialistoj, perdis tiel la lingvon por esprimi sin en komprenebla maniero.

Ĉio tio estis faciligata, ĉar je la fino de la Dua Mondmilito (1945), la samaj personoj kiuj posedis bankojn kaj komercajn aŭ industriajn korporaciojn en Usono, "posedis" ankaŭ la usonan politikon kaj registaron.

En Usono ekzistas "libero de esprimo de ideoj", sed nur la monhavuloj povas pagi spacojn de tempo en ĵurnaloj, revuoj, televido, radio, ktp.

La Monda Kongreso de la Arjaj Nacioj okazis facile kaj libere en Pennsylvania dum julio 27 kaj 28 de 2002.

Rokmuziko de "Blanka` Povo" estis laŭte anoncata sur la stratoj, same kiel la konferencistoj de la Ku-Klux-Klan kaj aliaj 675 armitaj grupoj el 47 usonaj ŝtatoj.

Ili anoncis: "Ni estas perforta organizo, nia celo estas la ĉiutaga povo blanka." Estis granda komerca vendado de faŝismaj juveloj, vestoj kaj ĉiaspecaj faŝismajsimboloj. Ne estis iu polica agado por limigi la kunsidon, la propagandon kaj la komercadon.

La invado de Hitlero al Sovetunio (dum Usono silentis kaj ne agis iel), igis la sovetan registaron kontraŭdiri sin emfazante la "Rusan Patriotismon". Malgraŭ la venko de Sovetunio, tiu estis grava intelekta venko de internacia nazi-faŝismo. Krome, la etiko de sincereco kaj etika integreco de la marksismaj socialistoj, malebligis ilin labori "subtere kaj neleĝe", kiam la faŝismaj leĝoj de la "monda estrado de la pli riĉaj" fariĝis tute maldemokratiaj, marksistoj estis persekutataj, enkarcerigitaj kaj eĉ malaperigitaj, kaj ĉiuj informaj rimedoj estis monopolizataj de la faŝistoj ĝis hodiaŭ.

Tiu eksterordinara kaj nova kunligo de faktoroj igis ke multaj mezklasanoj kaj ne-edukitaj malriĉuloj, unuiĝu al faŝismaj fortoj (kameleone plurnomaj) kontraŭ siaj propraj avantaĝoj. La socialismaj intelektuloj marksismaj surprize vidis kiel okazis tutmonde amasa financa apogo al faŝismo plurvizaĝa fare de internaciaj bankoj kaj ĉiaj korporacioj. Tiel okazis la mutacio de naziaj partiaj faŝismoj al rasisma genocida monda imperio; tiam germanitala kaj japana; nune anglamerika kaj favora al monopoliga kapitalismo de bankoj kaj korporacioj.

Tiu estis la kameleona evoluo de la "korpo" de nazi-faŝismo internacia.

La serpento de la genezo fariĝis la drako apokalipsa. Rasisma genocida monda imperio kontraŭas la spiriteman, racian, kompatan, etikan, laŭleĝan kaj sciencan estradon de la tuta mondo.

**Protekto de la ĉiohavuloj: Jam en 1930,** germanaj politikistoj asertis : "Hitler signifas militon."

Aliaj asertis ke nazi-faŝismo lasas lokon nur por "majstroj kaj servuloj". La promesata "nazi-faŝisma jarmilo" daŭris 12 jarojn, el kiuj ses estis jaroj de terura milito. Italio atakis Etiopion frue en 1935 kaj tuj poste, en 1937, Hispanion kun aera helpo de Germanio. Germanio atakis Aŭstrion en 1938, Ĉeĥoslovakion en 1939 kaj Sovetion en 1941. En tiuj jaroj, la pluraj monarkioj de la mondo ne estis ĝenataj de la nazi-faŝismaj reĝimoj. La katolika eklezio, kun la Papo Pio 12-a havis apartajn avantaĝojn. Pastro katolika Maximilian Kolbe estis murdita en Auschwitz, dezirinte morti kun infanoj kiuj estis bruligitaj tie. La Papo Pio 12-a diris nenion.

Protestanta pastro Dietrich Bonhoeffer estis malsatigita ĝismorte post kiam li diris ke "kristanoj devas ripari la maljustecojn de nazi-faŝismo"- La Papo Pio 12-a diris nenion.

Katolika pastro La Farge skribis verkon nomitan **"Humani Generis Unitas"** ("Unueco de la Homaro"), kiu devus esti la bazo de Papa samnoma Encikliko. La Papo Pio 12-a nekredeble ignoris la verkon de La Farge.

La brita monarkio estis eĉ serioze embarasita pro siaj bombastaj publikaj ceremonioj konektitaj kun la

germana nazi-faŝismo dum la Dua Mondmilito.

Sendube la simpatio de la popoloj germana kaj itala kun nazi-faŝismo estis supertaksata, simple ĉar publika malkonsento kun la reĝimo estis absolute malpermesata kaj eĉ permorte punata.

Nazi-faŝismaj reĝimoj kaj individuoj uzas "nigrajn listojn" por izoligi, diabligi kaj malvalidigi ne ŝatatajn personojn. Tio okazas ankoraŭ ofte dum la jaro 2003 !

Nazi-faŝismaj movadoj kiel la belgaj reksistoj kaj la romaniaj fergardistoj estis inspirataj de la Papo Pio 12-a.

Same okazis, kiel jam dirite, kun la regantaj partioj de Slovakio kaj Kroatio post 1940. Tamen, Mussolini asertis ke katolikismo estis malmorala. Paradokse, Mussolini subskribis kun la Papo la Lateranan Traktaton de 1929, donante al la katolika eklezio aŭtonomion super Vatikano. La Papo reciproke promesis kunlaboron kun nazi-faŝismo. La Papo Pio 12-a eĉ asertis ke Mussolini estis sendata de Dio mem.

Adolf Hitler ankaŭ subskribis Traktaton kun la Papo Pio 12-a en 1933. Tamen, la kristanaj eklezioj ne permesas eŭtanazion nek devigan steriligon.

Tio ne estis akceptebla de Hitlera nazi-faŝismo kaj la "subtera celo" estis ĉiam la fino de ĉia kristanismo. La nazi-faŝismaj estroj de Slovakio estis unue Andrej Hlinka kaj poste Josip Tiso (ambaŭ katolikaj pastroj).

La katolika eklezio ĝuis ĉiujn privilegiojn en la nazi-faŝisma Hispanio de Francisko Franco.

La genocido, dum la Dua Mondmilito, farita de katolika kroatia ustaŝa nazi-faŝismo, kontraŭ ortodoksaj kristanaj serboj kaj bosniaj islamanoj en la Balkanoj ne ricevis sufiĉan atenton de la historiistoj.

Ankaŭ nazi-faŝismaj estis Lapua en Finnlando kaj Rex en Belgio.

Mussolini, Hitler kaj poste Juan Perón en Argentinio atingis la kompletan militisman estradon de la laborista movado, fare de la ŝtato milit-korporacia. Strikoj ne povis okazi plu. Ĉiuj sendependaj laboristaj movadoj malaperis. Hitler dungigis ĉiujn maldungitojn al ŝtataj publikaj laboroj (en armil-fabrikoj) kaj donis al Germanio la iluzion de "ekonomia sekureco".

## Perforto kiel sistemo kaj propagando kiel logo

Nazi-faŝismaj movadoj estis perfortaj antaŭ, dum kaj post siaj regadoj. Mussolini eĉ diris publike: "La marksistaj socialistoj demandas kio estas nia programo. Nia programo estas rompi la kraniojn de la socialistoj."

Benito Mussolini ankaŭ uzis terorismajn murdistojn, same kiel sia bona disĉiplo Juan Peron. Infiltracio kaj detruo de malamikaj grupoj estis ĝenerala praktikado. La Kortumoj de Justeco havis neniun povon, kaj la polico punis libere kaj eĉ senuniforme. Mortpuno sekvis kontraŭfaŝisman ŝercon aŭ ekaŭskulton de eksterlanda radio.

En 1943, sentante sin ĉiopova, Mussolini diris: "Ni devas havi faŝisman policon. Ne faŝismaj policistoj, sed faŝistoj kiuj estas policistoj."

Eĉ hodiaŭ (2003) estas ada kaj malnova kutimo de militistoj kaj policistoj de ĉiuj landoj, legi entuziasme nazi-faŝisman literaturon. Enkarcerigitoj de Usono ankaŭ ricevas facile tian literaturon. En Usono estas tre profita industrio la produktado kaj vendado de uniformoj kaj armiloj nazi-faŝismaj de la Dua Mondmilito. Tio certigas la protekton de la malmultaj ĉiohavuloj ĉiopovaj.

Adolf Hitler skribis en sia Opus Magnum "Mia Lukto": "La popolo kredas facile ke ege malkompata atako kontraŭ iu malamiko estas pruvo de praveco." Mussolini konstruigis Cinecitta (Kina Urbo), kun la celo propagandi nazi-faŝisme, sed ĝi fakte estis uzata post la Dua Mondmilito de reĝisoroj kiel De Sica, Rossellini kaj Visconti.

Hitler uzis la kinon multe pli ol Mussolini por nazi-faŝisma propagando. Tiuj filmoj havas hodiaŭ (2003) pli da distribuo por televido tutmonda (kaj publika spektado) ol en la tagoj de Hitler. Leni Rieffenstahl ege sukcesis sub Hitler.

Post la elmigro de akademiaj judoj de Germanio, David Hilbert, ĉefo de la fama Skolo de Matematiko "Göttingen", estis demandata de la nazia edukministro: " Ĉu via disciplino matematika suferis multe pro la juda elpurigo de Germanio?"

Hilbert respondis: "Ĝi ne suferis, ĝi simple malaperis." La grava katolika fizikisto Erwin Schrödinger, ankaŭ forlasis Germanion, naŭzita pro la kunlaboro inter nazi-faŝismo kaj katolikismo. Li hejmiĝis en Dublino, Irlando.

Germana medicino ankaŭ suferis, same kiel fiziko kaj matematiko, pro la "etnaj elpurigoj en Germanio".

En 1933 la nombro de universitataj gestudentoj en Germanio estis 128 mil.

Hitler prenis la povon, kaj en 1939 (ankoraŭ antaŭ la milito) la nombro falis je 58 mil. Mezkvaliteco kaj idiotaj emociaj reagoj kreskas sub rigidaj hierarkioj, sufokigaj tradicioj kaj dogmaj ideologioj.

Ne malmultaj intelektuloj fariĝis nazi-faŝistoj pro la falsa kredo ke "nazi-faŝismo estas necesa ŝtupo por la fina detruo de kapitalismo".

Firmaj kaj kuraĝaj germanaj intelektuloj kontraŭfaŝismaj (kiel Erwin Schröedinger, Thomas Mann kaj Hermann Hesse) ne estis ofte troveblaj en Germanio aŭ Italio dum la Dua Mondmilito.

Male, merite famaj intelektuloj kiel psikologo Karl Jung, filozofo Martin Heidegger kaj fizikisto Werner Heisenberg, kiuj kunlaboris kun nazi-faŝismo, fakte abundis. Ni devas kompreni ke fakaj spertuloj kiel tiuj supre menciitaj ne necese konas la fortojn agantajn en la tiama kaj nuna socio por kaj kontraŭ la bazaj homaj rajtoj de ekonomia, eduka kaj jura egaleco, internacia paco kaj ne-hierarkia frateco.

En 1945, populara slogano aperis

en Eŭropo: "Mussolini igis la trajnojn esti akurataj inter detruitaj urboj." En 1937, Robert Ley, kiu estis elstara nazi-faŝisma laboristo diris: "Nur dormo estas privata afero en nazi-faŝisma Germanio."

Fakte privateco estis respektata se oni ne estis negro, judo, cigano, ĉino, eksterlandano aŭ iom interesata pri alternativa politiko. Se evidente perforto kaj propagando konstruis "nazi-faŝisman interkonsenton", tamen, tiu "interkonsento" ne estis profunda aŭ longdaŭra. La fino de la Dua Mondmilito finis la popolan deziron defendi nazi-faŝismon. Amasa kompromiso kun faŝismo finiĝis rapide. Tamen la "semeto" pluvivis ĝis hodiaŭ (2003) kaj la "arbeto nazi-faŝisma ree kreskas" post la falo de Sovetunio en 1990.


Klaus Barbie

La Malvarma Milito inter feŭdkapitalisma Usono kaj marksisma-socialisma Sovetio igis ke nazi-faŝismo ne estu ekstreme kondamnata en Eŭropo, kaj eĉ malpli en Latinameriko.

Nazi-faŝismaj juĝistoj, militistoj, policistoj, kaj instruistoj prenis gravajn postenojn post 1947 en Eŭropo kaj en Latinameriko. Ne pro nura ŝanco nazi-faŝismo estas forta en tiuj kontinentoj. Persekuto kontraŭ nazi-faŝismaj krimoj ĉesis absolute post 1947. Nazi-faŝismaj militistoj el Eŭropo helpis Usonon krei la nunan C.I.A. (Central Intelligence Agency).

Paradigma ekzemplo estas studo de la vivo de Klaus Barbie, germana oficiro nazi-faŝisma nomata la "buĉisto de Lyon", kiu servis al Hitler en la Gestapo, helpis Usonon konstrui la nunan C.I.A.-n (1947-52) , kaj intense agis en Latinameriko kiel oficiro de la bolivia armeo (kaj financisto) de 1952 ĝis 1983 sub diversaj kameleonaj `nomoj. Pluraj nazi-faŝistoj el la tuta Eŭropo estis komforte re-lokitaj precipe en Sudameriko (sed ankaŭ en Usono). Nazi-faŝisma influo en la politiko de la tuta Ameriko, Afriko kaj Eŭropo daŭras ĝis hodiaŭ facile kaj intense. La ĉiohavuloj aĉetas la servojn de sennombraj "agentoj". La ekonomio de maldungo kaj necerteco favoras tian "aĉetadon" de personoj kiuj malinteligente agas kontraŭ siaj propraj interesoj.

Usono, surtere politike kaj militisme, kaj subtere per la C.I.A. helpis nazi-faŝismajn diktatorojn tra la tuta mondo dum la tiel nomata "malvarma milito" (kiu estis tre varma ekster Usono inter 1945 kaj 1990). Tio okazis malgraŭ amasa kondamno de la popoloj plurnaciaj, kiuj estis simple perforte subpremataj kaj silentigataj. La timo de la plimulto el la homoj agis favore al la monda subpremado. Tio okazis inter 1945 ĝis 1990, kiam Sovetunio falis.

En Aŭstrio estis almenaŭ 500 mil registritaj nazi-faŝistoj, kiuj ricevis totalan amnestion post 1947.

Ne surprizige nazi-faŝismo renaskiĝis tie tre forte post 1980. Multaj usonaj kaj eŭropaj nazi-faŝistoj ricevas ideologian edukon en Aŭstrio. Kompreneble, nazi-faŝismo kreskas libere en tiuj nacioj. En Italio la amnestio al nazi-faŝistoj estis tre frua en 1944. Nazi-faŝismo estis "forgesata" kaj ne kondamnata.

Hodiaŭ (2003) Berlusconi regas libere.

Sir Oswald Mosley en Britio, Jaques Doriot, Marcel Deat ludis iomete kun marksisma socialismo antaŭ esti "aĉetataj" de la grandaj bankoj kaj korporacioj por estri nazi-faŝismajn grupojn .

La belgiaj reksistoj (Leo Degrelle) estis unue junuloj de la Internacia Agado Katolika kaj multaj trompiĝis pro kredo, ke nazi-faŝismo "estis nova ordo kontraŭ la malnova koruptita ordo". La franca nazi-faŝismo paradokse malamis la britojn pli ol la judojn; do, kunlaboro kun la okupantaj germanoj dum Francio de Vichy estis "iel patriota".

## La nova nazi-faŝismo

Nazi-faŝistoj estas konataj pro sia ofta demando: "Kio estas faŝismo ?" La ideo estas prezenti la "aferon" kvazaŭ ne ideologia, ne-difinebla, aŭ almenaŭ plurvaria. Plej direble, la "afero" devas aspekti kiel "konfuziga".

Tamen, la porĉiama apogo de grandaj bankoj kaj korporacioj al nazi-faŝismo montras klare la naturon de nazi-faŝismo: "La protekto de la havantuloj kontraŭ la malhavantuloj, plutenante la mondan socion "ne-ŝanĝatan."

La granda timo de la nazi-faŝistoj estas la kristana celo de egaleco eduka, jura kaj ekonomia de ĉiuj homoj senescepte sur la tuta planedo

Ĉio farebla por disdividi la homojn etne, nacie, religie, filozofie, kolore, rase, jure kaj ekonomie estas farata de la nazi-faŝismaj grupoj kaj individuoj.

Marksisma socialismo, defendinte la unuecon ekonomian, juran kaj edukan de la homoj, estis la plej grava danĝero de nazi-faŝismo.Tiuj estas la celoj de la veraj kristanoj, kristanoj kiuj ne apartenas al tiel nomataj "kristanaj organizoj kaj eklezioj", kiuj defendas la nazi-faŝismajn principojn de protekto al la riĉuloj.

Monopolo de la komunikiloj internaciaj en ĉiuj lingvoj (kiel faras Berlusconi en Italio aŭ Bush en

Usono) estas ne malhavebla por triumfigi nazi-faŝismon, same kiel la manko de la libera fluo de ideoj ene de la socio.

Libera, amikeca, ne kontrolata, esplora dialogo estas ne-akordigebla kun nazi-faŝismo.

La invado al Irako en marto 2003 fare de Anglio kaj Usono kaj la dinamiko de la ĵurnalistaj komunikoj dum tiu invado estas esence faŝistaj.

## Konfuzaj kaj grizaj areoj

Historie, faŝismo kreis konfuzon kaj eĉ uzas la lingvon kaj esprimojn de la "malamikoj".

Nazia-socialismo estis la nomo de la germana nazi-faŝismo. La populara vorto "socialismo" apartenis fakte al la marksistoj en la tiutempa Germanio. Pluraj marksistoj estis trompataj pro la lingvo uzata.

Hodiaŭ ekzistas nova plurvaria tiel nomata "religia" movado de la "nova erao" kiu estas semaro (edukejo) de faŝismo.

Pluraj tiel nomataj kristanaj, judaj, kabalistaj, islamaj kaj budismaj organizaĵoj fakte estas faŝismaj. Tibetaj lamaoj kaj hindaj guruoj, teozofaj sektoj, gnostikaj organizoj, psikologiaj Jung-anaj movadoj por la elito, estas fakte faŝismaj. Ĉio ne-racia kaj ne-scienca estas bona por faŝismo.

Ne edukitaj personoj estas bonaj sklavoj kaj facile akceptas la emocian (malaman ĉiam) faŝisman ĵargonon.

Alopatia medicino estas terure atakata de faŝistoj. Tio estas tre populara, ĉar atingi kuracistan flegadon, diagnozon kaj terapion hodiaŭ estas tre multekosta. Kutime la pacientoj apartenas al privata asekura organizo kiu apenaŭ pagas la kuraciston kaj preskaŭ neniam pagas la medikamentojn, kiuj fariĝis ege multekostaj. Nur unu psikiatria pilolo en 2003 povas kosti 12 dolarojn.

Tiu pilolo devas esti trinkata du aŭ tri-foje tage. Tio okazas pro la faŝisma strukturo de la monda socio, sed faŝistoj uzas la temon por propagandi siajn ideojn "kvazaŭ solvo".

Faŝismo sen mensogoj ne povas ekzisti.

Esoteraj ideoj de ĉarlatanoj kontribuis al la sukceso de faŝismo en Germanio de 1930.

Tiuj plurfoje "kompataj" aŭ "religiaj" ideoj kunvivas en la samaj cerboj, kiuj parolas pri nuklea malpopoligo de Latinameriko, Afriko kaj Azio aŭ pri la aprobo de mortopuno por ĉia krimo. La manko de intelekta kvociento aŭ la manko de bona eduko favoras la kun-ekziston de kontraŭdiraj ideoj en la sama kapo. La ĥaoso en Rusio postsoveta estas nutra buljono por la renaskiĝo de la cara faŝismo aŭ de kiu ajn alia aŭtokrateca nacia estrado (faŝismo) por ne-klera popolo.

Faŝistoj evitas politikan historion kaj politika filozofio ne necesas.

Moko al la israela brutala agresemo de Sharon kontraŭ palestinanoj oportune anstataŭis la jam ne science subteneblan teorion de biologia rasismo kontraŭ la judoj. Hodiaŭ ŝajnas tro naive paroli pri "supera raso".

Paradokse, aŭ pli bone dirite "kontraŭdire" la nunaj faŝistoj atakas la cionisman faŝismon de Sharon. Tiel faŝistoj allogas multajn naivajn "maldekstrulojn".

Poemecaj kaj sensignifaj frazoj kaj sloganoj estas tro uzataj de faŝistoj. La celo estas eniri la personon tra iaj ĝiaj emocioj. Se oni uzas la racion, ne eblas esti faŝisto. Ekzemplo: "La voĉo de la sango vokas min serĉi povon." Nur emocie oni povas akcepti tian stultaĵon! Alia: "Ni faru historion, ni ne interpretu ĝin."

Kompreneble, se oni studas kaj interpretas historion, oni ne povas esti faŝisto ! Juan Perón diris: "En la Nova Argentinio, la nuraj privilegiitoj estas la infanoj." Tio ne estas socia programo racie kaj sisteme prezentata. Tio estas nur bela alloga frazo, sufiĉa por fanatikigi analfabetojn, kiuj ne vidis la infanojn almozpetantajn surstrate. Belaj vortoj anstataŭas la videblajn faktojn.

Pro tio Jesuo-Kristo diris: "Havante orelojn ili ne aŭskultas, kaj havante okulojn ili ne vidas."

Socia darvinismo regis super la ideoj de 1798 (de la Franca Revolucio).

La revo revolucia estis socio kie ĉiuj homoj senescepte havus egalecon ekonomian, edukan kaj juran.

Alia revo estis la manko de hierarkioj en ĉiuj rilatoj, institucioj kaj entreprenoj. La nunaj faŝistaj junuloj kiuj razas siajn kapojn kaj atakas al solecaj, malfortaj eksterlandanoj en Eŭropo kaj Usono ne legas historion pri marksisma socialismo, la kristanan Novan Testamenton, aŭ ion alian. Faŝismaj intelektuloj kiel Giulio Evola ne abundas.

Evola skribis furioze kaj ne-kohere kontraŭ katolikoj, judoj kaj framasonoj. Ne nur nekleraj italaj faŝistoj amas lin. Franca katolika faŝisto Le Pen ne parolas pri Evola. Paradokse Evola amis la Kabalon, juda kompleksa intelekta produkto de vagaj, nekoheraj kaj malklaraj vortoj. Li amis ankaŭ la sanskritan hindan vagan filozofian erudicion. Ne surprize, unue Evola estis dadaisma pentristo de neklaraj kaj sensignifaj bildoj kaj poemoj.

Kiam Evola, escepte, parolas kohere, li ripetas la kontraŭdirojn de Nietzsche kaj Sorel.

Kiam li parolas, kiel kutime, sensignife, nekohere, neklare, senjuĝe, skize paranoje, kabalistece kaj "poemece" li ŝajnas "profunda" al nekleraj kaj ne inteligentaj legantoj. Por li, demokratio kaj marksisma socialismo estis "sifiliso de la spirito". La itala movado "Ordine Nuovo" (Nova Ordo) de Pino Rauti estis inspirita en tia penso.

Uzante la konfuzigan strategion de faŝismo ili laŭdis al Ĉe Guevara kaj Mao-Ze-Dong.

Eble naivaj "maldekstruloj" glutis tiun pilolon. La nova nomo de "Ordine Nuovo" estas "Aleanza Nazionale".

Ĝi revekiĝis en Italio post 1990.

Berlusconi estas apoganto. La paso de la tempo ne necese signifas "bonan progreson."

## Pseŭdo-ideologio: rasismo

Rasismo estas la nura grava intelekta kontribuo de faŝismo por la homaro.

Rasismo estis interesa invento de la homa penso ĝis la apero de la "genomo" en la jaro 2001 kaj la pli profunda kompreno de la genetika bazo de la vivantaj estaĵoj. Nun ni scias ke rasismo estas naiva eraro tute ne bazita sur scienco.Tamen ĝi estas daŭre instruata de faŝistoj al siaj idoj.

"La arjoj estas pura pra-raso de tre specialaj homoj kiuj devas regi ĉiujn aliajn homojn." La vorto "arjo" signifas etimologie "obeema".

Libera homo estas ne-akceptebla de faŝistoj. Socio kie ĉiuj homoj estos ekonomie egalaj, estos socio de liberaj homoj vivantaj sen milito kaj sen malriĉeco. Ĉio tio estas ne-akceptebla de faŝistoj. La frazo supre emfazata estis akceptata blinde, dum la 19-a jarcento, de tiel nomataj "orientalistoj", kabalistoj, gnostikuloj, teozofoj, kaj poste, ekde 1960 de la tiel nomataj "kultoj kaj sektoj de la Nova Erao", kiuj estas multaj, sed havas pli da ĉefoj ol da sekvantoj. Ĉie kaj rapide en la tuta mondo ekaperis verkistoj pri "la pura pra-raso", ĝuste post la Franca Revolucio kun siaj ne-akcepteblaj principoj por la privilegiuloj de la homaro.

Eble la plej konata estas la grafo Jozefo Arturo Gobineau (1816-1862). Li verkis "Pruvo pri la malsameco de la homaj rasoj".

La tiamaj hindoj bramanaj, kiuj estis ĉe la pinto de la diversaj homaj kastoj de Hindio, amegis la libron. Reĝoj, riĉuloj kaj bone pagitaj servutuloj de reĝoj kaj riĉuloj ankaŭ amegis la libron. Ĉio tio, psikosocie ripetiĝas post la apero de la libro "Mia Lukto" de Adolf Hitler. "Nigruloj" estis konsiderataj kulturdetruantoj.

El tiuj faŝismaj deliroj naskiĝis la mitoj de Atlantido, Tuleo, Lemurio kaj aliaj "perditaj pra-nacioj", kiuj ankoraŭ "justigas" la plej absurdajn disdividojn inter la homoj.

Je la fino de julio de la jaro 2002, la papo vizitis Meksikion, por la kvina fojo, kun la celo sanktigi la indianon Juan Diego.

Tio pensigis ke la latinamerikaj indianoj estis tiel teologie kaj liturgie agnoskataj de la Vatikano. Tamen, Juan Diego estis pentrata kaj prezentata publike kiel kaŭkaza blankhaŭta persono, kvazaŭ naskita inter la maroj Nigra kaj Kaspia, kaj ne en Meksikio, inter la Oceanoj Atlantika kaj Pacifika.

Rasismo denove montriĝas venante de la Vatikano, same kiel en la epoko de la Papo Pio 12-a, kontraŭ la plej bazaj principoj de la kristana amo. En la sama tago, la prezidanto Fox de Meksikio surgenue kisas la ringon de la Papo, ago kiu estas malpermesata de la laika meksikia konstitucio. La ideo de tiu konstitucia malpermeso estas malfaciligi ke publikaj aŭtoritatoj prenu decidojn pri la religio de iu ajn persono, ĉar religio estas la plej intima individua decido de la homa menso.

La perfektigo de genetiko (inkluzivante la konon de la "genomo") neniel influis la miljaran rasismon eŭropan kaj usonan, ĉi lasta konata ankaŭ kiel la "anglo-amerika imperiismo". Iel, unu el la tibetaj lamaoj, tiel nomata "Dalai Lama" estas konsiderata en holivuda kaj vaŝingtona Usono kiel "la pinto de la ekzotera Ŝambala aŭ Ŝangrila (la spirita paradizo)". Li fariĝis nova simbolo de faŝistoj (kaj de ege multaj ne informitaj personoj influitaj de la faŝistaj informiloj tutmondaj). Gravaj politikaj analizistoj antaŭvidas la uzadon de ĉi tiu "Dalai-Lama-mitologio" kiel eventualan "ekskuzon" por milite ataki Ĉinion por "liberigi" ( legu "faŝistigi") Tibeton.

La tibeta vorto "Lamao" (Bla-ma) signifas "pli supera ol la aliaj".

Lamao ne povas akcepti la principojn de ekonomia egaleco de ĉiuj homoj, lanĉitaj de la Franca Revolucio ! La vorto "Lamao" mem estas esence faŝisma. La lingvo tibeta estas originale dividita inter vortoj por paroli al la "superuloj" kaj la samsignifaj vortoj, sed uzataj por paroli al la "subuloj". Faŝismo ne estas nova ! Faŝismo ne estas nur ital-germana kaj japana !


Papo Pio XII

## La novaj konoj pri genetiko klarigis bone ke

1) Ni havas 30 mil genojn en niaj kromosomoj. ( ne 100 mil kiel estis kredata !)

2) La ratoj havas 15 mil genojn en la "genomo" (duono de la homoj)

3) Genetikaj diferencoj okazas inter homoj de la sama raso sed ne inter rasoj. Fakte ĉiuj homoj estas

gefratoj kun genetikaj diferencoj.

4) 99 % el la homa genomo estas sama kiel tiu de la ĉimpanzo.

5) La franca registaro asertas ke la "genomo" devas aparteni al la tuta homaro kaj ne al iu privata banko aŭ trans-nacia korporacio.

En Francio, la heredintoj de Vichy, post 1945, estis "La Agado Franca" (monarkisma kaj katolika).

La membroj de la faŝisma "Agado Franca" vendis la librojn de Hitler, Evola kaj Gobineau, ĉe la pordoj mem de la katolikaj eklezioj de Francio. "La Agado Franca" kaj la "Agado Katolika" forte influis unu la alian. La Papo Pio 12-a helpis.

En 1953, ege finance subtenita de "nekonataj fontoj", ekaperis Pierre Poujade kaj la "Unio por Defendo de Komercistoj", kiu gajnis 13 % el la voĉoj ( tiam 2,5 milionoj da francoj ). Tio montras la ĉiaman allogon de la dekstremaj partioj en "edukitaj" nacioj, eĉ tuj post la fino de la Dua Mondmilito, ankaŭ nomata "la milito de la faŝistoj kontraŭ la tuta mondo". La "Unio" volis ke la riĉuloj ne pagu impostojn. Mono de la impostoj signifas ke la nacia ŝtata administracio apogos pli bonan publikan edukon, loĝejojn, advokatojn kaj sanservojn por la tuta popolo sen esceptoj.

Sed kontenta kaj edukita popolo ne volas aŭtokratan kaj hierarkieman sufokigan faŝismon.

La francaj faŝistoj (kaj De Gaulle) apogis la koloniajn militojn de Francio kontraŭ Alĝerio kaj Vjetnamio. La nuna "Nacia Fronto" de Jean-Marie Le Pen ( amiko de Poujade) ek-aperis en 1972 ege financata de "ne-konataj fontoj". Same okazis tri jardekojn poste, en 2002. Fakte, la "Nacia Fronto" de Le Pen konsistis el la kunigo de almenaŭ ses malsimilaj grupoj faŝismaj. El tiuj grupoj Le Pen estris la partion "Nova Ordo".

Post la malapero de dekstrema De Gaulle el la franca politiko, la "Nacia Fronto" gajnis terenon. Kiel nova paradokso aŭ kontraŭdiro, la malapero de komunismo kiel politika forto igis komunistojn aliĝi ĉirkaŭ Le Pen.

Tio okazis ankaŭ en Argentinio inter 1972 kaj 74, dum la ĥaosa reveno de Perón. La urbo Marseille, tradicie marksisma, fariĝis tuj bastiono de Le Pen.

Denove kontraŭdiraj ideoj okupis la samajn kapojn. Jen psiko-socia fenomeno ne sufiĉe studita kaj komprenata. La triumfo de kvazaŭ marksismaj fortoj en Vjetnamio kaj Norda Afriko okazigis fuĝan eliron de la faŝistoj de tiuj areoj al Francio. Tio estis bona por Le Pen. Denove paradokse Le Pen asertis publike ke "la fremduloj estas tro multaj en Francio". "Tri milionoj sen dungo kaj sen salajro en Francio, signifas ke tri milionoj da fremduloj devas reiri hejmen." (diris Le Pen)

Konfuzitaj kaj nekleraj personoj tuj kredis ke tiu aserto estis vera. La "matematiko" estis tre facila.

Inteligenteco ne estas unu el la kultoj de la homaro. Le Pen, kiel ĉiuj faŝistoj de la mondo, estis ĉiam apogata finance de grandaj bankoj kaj trans-naciaj korporacioj (la havantuloj), do, lia "politika kresko laŭnombre" ŝuldiĝas ankaŭ je la ege multekosta propagando, kiu nur (mone) eblis por li, inter ĉiuj francaj politikistoj nuntempaj.

Le Pen laŭdis la "anglo-amerikan imperiismon" post Margaret Thatcher kaj Ronald Reagan. Granda apogo estis ricevata de Le Pen de Usono kaj Britio. Tamen, denove kontraŭdire, la surstrataj paroladoj de Le Pen estis por-francaj kaj kontraŭ la "anglo-amerika Imperio".

La slogano "ne impostoj kaj ne fremduloj" estis alloga eĉ por tiuj ne-edukitaj laboristoj, kiuj multe perdos kiam la impostoj malaperos. Protestoj kaj plendoj estas pli popularaj ol sisteme analizitaj soci-ekonomiaj programoj kaj planoj.

**En Germanio**

En Germanio triumfis la tiel nomata "nazi-socialismo" (nazi-faŝismo). Tio okazis ŝtelante la vorton "socialismo" de la marksisma plimulto, kiu estis senhonte trompata.

"La Nazi-Socialisma Laborista partio" baldaŭ havis milionojn da trompataj apogantoj. Tiu estis la partio de Hitler, sed la Papo Pio 12-a multe helpis tiun triumfon per la germanaj sacerdotoj.

Post 1945 , 30 % el la katolikaj germanoj favoris nazi-faŝismon malgraŭ la katastrofo germana kaj tuteŭropa, simple ĉar esti faŝisto signifis (tiam kaj tie) ion patriotan kaj eĉ religian !

Tiu triono apogis la novajn partiojn "NPD-Nacia Partio Demokrata" en 1960 kaj la "Respublika Partio" kun Franz Schönhuber en 1980.

Jen du maldemokrataj kaj imperiismaj partioj kun malaj (trompigaj) nomoj. Denove uzatis la tipa faŝisma konfuzigo en la klopodo allogi la plimulton de la popolo. En 1994, kun helpo de la aŭstria faŝisto Jorgo Haider, Franz Schönhuber estis anstataŭata de Rolf Schlierer.

Neniu faŝisto germana povis paroli pri "perfiduloj", ĉar Hitler malpermesis per mortopuno ĉian politikan opozicion.

Nazi-faŝisma generalo Otto Remer estis heroo kaj kun Hitler kaj post 1945 !

Jen ekapero de la germana "Reichspartei" Jen nova konfirmo pri obseda manko de uzo de la inteligenteco flanke de la homoj !

Jen nova forgeso pri jarmiloj da sufero sekvante la saman vojon !

Sukcesa kaj monhava advokato (Gerhard Frey), posedanto de publikiganta imperio en Munkeno, iniciatis DVU-on (Germana Popola Unio), ekstreme dekstra (faŝisma) partio politika. La presaĵoj de S-ro Frey emfazis ke Germanio apartenis al la germanoj, ke la Dua Mondmilito estis komencita de Usono kaj Britio (ne de Hitler) kaj ke la juda Holokaŭsto (bruligo de la korpoj de judoj en fornegoj, ene de koncentrejoj) estis invento de la judoj. Krome, ĉiuj ne germanoj devus esti forpelataj de Germanio. La nova kapitalismo de la grandaj bankoj kaj entreprenoj malpermesas la kapitalismon originalan de

la individuaj etaj entreprenoj. Se la nova kapitalismo falus pro granda ekonomia katastrofo (simila aŭ pli granda ol tiu de 1930), eble la germanaj faŝistoj povus havi hodiaŭ pli da sukceso. Sed ni erarus se ni dirus ke faŝismo progresas nur dum makro-ekonomiaj katastrofoj.

Eble detala analizo de la vivo de Klaus Barbie (la buĉisto de Lyon) estus pli instrua pri internacia faŝismo ol la analizo de la Argentinio de Perón, la Bolivio milit-politika, la Aŭstrio de Haider, la Ĉilio de Pinoĉet, la Rusio de Boris Jeltsin kaj Ĵirinovski, la Kubo de Batista, la Nikaragvo de la Somoza familio,


A.Pinochet

la Usono de la Bush familio, la Paragvajo de Stroessner, la Hispanio de Franco kaj Aznar, la Portugalio de Salazar, la Meksikio de Fox, la Italio de Berlusconi, la Brazilo de Getulio Vargas, la Sudafriko de Apartheido, la Panamao de Noriega, la Grekio de la koloneloj, la Irano de Pahvlevi, la Afganistano de Ossama Ben Laden (homa produkto de la usona centra agentejo de inteligenta informservo ), la Tajvano de Ĉiang-Kaj-Sek, ktp.

Faŝistoj el tre distancaj landoj kiel Argentinio, Bolivio, Paragvajo, Ĉilio kaj Brazilo helpis kaŝi multajn germanajn militkrimulojn tuj post la fino de la Dua Mondmilito. La studo de la vivoj de nur du faŝistoj kiel Karl Adolf Eichmann, ekzekutita en Israelo en majo de 1962, post persekuto kiu daŭris 17 jarojn en la supre menciitaj sudamerikaj landoj, aŭ la vivo de Josef Mengele (Todes-engel aŭ anĝelo de la morto), kiu senkaŝe vivis kun sia propra nomo (kiel civitano) en Paragvajo (same kiel Barbie en Bolivio) kaj kiu mortis en Brazilo mokante ĉian persekuton, montras kiel solidara estas la faŝismo tutmonda, kaj ankaŭ kiel facile monaj rimedoj estas trovataj por faŝistoj.

Francaj apogantoj de la revuo "Elements", apogis belgajn verkistojn de la revuo "Elemente", kaj Aleksandro Dugin el Rusio fondis la rusan faŝistan revuon "Elementy". La aŭstria revuo "Identitaet" estas ofte konektata kun la franca faŝisto Le Pen, la germano Frey, kaj la ruso Ĵirinovski (kiu asertas sen orel-ruĝiĝo ke Hindio devas esti rusa). Kurioze, la faŝisma ĵurnalo Al Kudz de Jerusalemo estis fondita de arabo kiu loĝas en Rusio, ĵurnalo apogata ankaŭ de usonanoj kiuj laŭdas al Lyndon Larouche. Junaj faŝistoj el la tuta mondo ĉeestas libere en "Someraj Universitatoj" de la Hispanio de Aznar kaj en marŝoj (paradoj) en Wunsiedel aŭ Ulrichsberg en la nuna Aŭstrio. La Grupo "Radikala Unuiĝo" festas ade en Aŭstrio sen polica interveno. La ideologio estas "kontraŭjudismo el-radika" kaj la arto estas RAC (rokmuziko kontraŭkomunisma). Neniu ano legis ion de aŭtoroj marksismaj aŭ de aliaj socialistoj.

Faŝisma infiltracio en internaciaj organizoj:

En Usono kaj Britio preskaŭ neniu scias pri la ekzisto de Internacia Lingvo "Esperanto", aprobita pli ol unufoje de Unesko. Preterdire, Unesko estas tre speciale malamata de faŝistoj. La invado al Irako fare de Usono en marto de 2003 estis samtempe granda bato kontraŭ la aŭtoritateco de la Unuiĝintaj Nacioj.

Kelkaj oscedantaj estroj de la movadoj "por-Esperantaj" de Usono kaj Britio en 2002, eĉ atakas, malvalidigas kaj insultas verajn aktivulojn kiuj deziras ke Esperanto estu la dua lingvo por ĉiuj homoj senescepte en la tuta mondo. Nenio pli ol interna timo igas silenti tiujn individuajn aktivulojn. Pluraj estroj de la movado por-Esperanta en la tuta mondo, emfazas pli la malsukcesojn kaj dubojn pri Esperanto ol la sukceson mem de Esperanto en pli ol 122 landoj. La celo estas malkuraĝigi, distri kaj timigi la verajn por-Esperantajn aktivulojn.

Bazita sur ĉio dirita supre en ĉi tiu artikolo, kaj konante la historion de faŝismo, mi aŭdacas imagi ke faŝistoj jam eniris la Esperanto-movadon kun la intenco detrui ĝin. Esperanto helpus la unuiĝon de la homaro, do, ne estas strange ke faŝistoj ne ŝatas la Internacian Lingvon.

Estas vaste agnoskata fakto, ke faŝistoj jam infiltriĝis en verdaj (ekologiaj) partioj de Eŭropo. En Usono ĉiuj scias ke la Demokratia Partio estas jam vaste infiltrata de faŝistoj de Larouche kaj aliaj.

Hitler estis aŭstro kiu vivis en Germanio kaj Beethoven estis germano kiu vivis en Aŭstrio. Haider, same kiel Hitler volas unusolan nacion aŭstrogermanan. Oni diras ke Aŭstrio estas multe pli faŝisma lando ol Germanio sed mi ne klopodos decidi pri tio. Faŝistoj en Teksaso, Kalifornio kaj Alaska volis

komence sendependecon el Usono.

En 2003 tio ne plu estas problemo, ĉar la usona registaro moviĝis ekstreme dekstren post jardekoj de Reagan kaj de la familio Bush. Krome, faŝistoj ĉie en la mondo staras je la pinto de militismo, militindustrio, financoj, komerco, religio, akademia psikologio kaj filozofio. Ili havas la vorton "demokratio" en la buŝo, sed pagendan fakturon por ĉiuj nacioj en la mano. Ili ne laboras, se ili entute laboras, dum aprilo. En Nederlando faŝismo signifas la kreon de pli granda Nederlando, kune kun Luksemburgo, Belgio kaj Norda Francio.

Estas surpriza fakto, ke nederlanda faŝismo ne estas pli forta, ĉar ĝi kontraŭas la ege kreskantan prostitucion, pornografion, krimon, drogouzadon, bierdrinkadon, geedziĝan malfidelecon, ktp en tiu lando.

La nuraj inteligentaj celoj de faŝismo ne estas allogaj por la popoloj !!

Eble la tuta homaro estas konscie aŭ ne konscie faŝisma kaj la faŝismaj partioj "ne bezonas sukcesi".

La mita libro "La protokolo de la maljunuloj de Ciono" estas vaste legata (kaj eĉ kredata) de ne-faŝistoj.

Faŝismo progresas ĉie kie estas homoj paranoje obsedaj, kredantaj je iu mistika, esotera kulto aŭ filozofio, kiel eble plej ne-racia kaj ne-scienca, se eble nekohera kaj nekomprenebla.

Kredo je supera raso, kasto aŭ spiritaj lamaoj; danĝere atakataj de la diablo, la kripluloj, la blinduloj (legu Ernesto Sabato altkvalitan "Informo pri blinduloj" en la libro "Pri herooj kaj tomboj"), la judoj, la negroj, la ĉinoj, la turkoj, la framasonoj, la rozkrucanoj, la Unuiĝintaj Nacioj, ktp estas tre bonaj por la progreso de faŝismo.

La danĝero por faŝismo fakte estas iu grupo aŭ individuo, kies celo estas la unuigo de la homaro, en libero, en kompleta paco, en ekonomia, eduka kaj jura egaleco por ĉiuj homoj senescepte kaj en respondeca kaj kompata frateco sen malvarme hierarkiaj ĉefoj.

Mi ofte aŭdis, eĉ de kanadano tre edukita, ke estas necese bombadi Latinamerikon, Afrikon kaj Ĉinion per nukleaj armiloj. Tiu estas la plej tenebra parto de tiu paranoja kredo.

Stranga varbado: Laŭta muzikaĉo kaj kanzonoj kun ekstremaj titoloj kiel "Ĉi nokte iu mortos" estas la internacia lingvo de faŝistaj junuloj kun razitaj kapoj trairantaj en grupoj ("brigadoj") la stratojn de ruĝaj distriktoj, la futbalajn maĉojn kaj la grandaj dancejoj urbaj kiuj komencas funkcii post la meznokto.

"La varbantoj" estas bone financataj, do, ili ne bezonas labori ekde frue en la mateno.

Tiuj estas la "varbejoj faŝismaj" de aliaj ne racie pensantaj junuloj. Racia lingvo ne necesas. Nenio racia valoras por faŝistoj. Inter la " inicaj aktivecoj" de la brigadoj de razit-kapuloj, estas atako de personoj surstrate, rompado de montrofenestroj, kaj facila elmontrado de malamo kaj agresemo ĉie ajn. La leĝo estas milde aplikata kontraŭ iliaj ne-leĝaj aktivecoj de hazarda perforto kaj intenca besteco.

Milionuloj, privataj bankoj kaj transnaciaj korporacioj, kiuj ofte ŝanĝas siajn nomojn, pagas la internacian varbadon de razit-kapuloj. Tiel, tre junaj faŝistoj povas "agadi" de tre frue en siaj vivoj.

En Italio kaj Francio, multaj maljunaj faŝistoj denuncas la razitkapulojn kiel "rezulton de la degenerigo devenanta de la angloamerika imperio". Gianfranco Fini kaj Domenico Fisiĉella estas inter la kritikantoj de tiuj "sub-homaj kondutoj". En Rusio post-soveta la faŝistoj estas pli larĝ-mensaj trovinte kialojn de tiuj "sub-homaj aktivecoj": "Tio devenas de la diablo, de la judoj kaj de la angloamerika imperio." Tamen, kaj denove paradokse, oni ofte vidas, inter eŭropaj faŝistoj, ne nur la svastikan krucon, sed ankaŭ la flagon konfederacian de historia Usono.

Ĉiu ilo por disdividi la homojn estas bonvena por faŝistoj.

Homoj dividitaj estas pli facile sklavigeblaj.

Marksisma socialismo: Marksisma socialismo ne allogas kolerajn ge-junulojn. Bona, esence kristana moralo, estas esperata de la varbatoj.

Oni diras ke marksisma socialismo estas la praktika apliko de vera kristanismo.

La varbatoj devas legi pli malpli profunde, abundan ideologian materialon de Marx, Lenin, Mao, Ho Ĉi Minh, Ĉe Guevara, Fidel Castro kaj la liberigan teologion amerikon de Gutierrez, Boff, Ernesto Cardenal kaj Paŭlo Freire.

Faŝismaj junuloj plurfoje estas analfabetoj kaj "lernejaj katastrofoj". La celo de marksisma socialismo estas pli subtila ol "malamo al la fremduloj kaj enmigrintoj". Por lerni marksisman socialismon necesas kvanto de inteligento, sed ankaŭ la deziro uzi tiun inteligenton.

Evidente, faŝismo gajnis grundon dum la 20-a jarcento kaj povus esti la viv-maniero de la 21-a jarcento. La historio de la homaro, skribita dum la lastaj 5 mil jaroj, montras rifuzon uzi la inteligenton homan. Ankaŭ estas rifuzo studi la hororan historion de la homo surtere. Post la falo de la Sovetunio bolŝevika, faŝistoj rusaj akuzis judojn krei la bolŝevikan ŝtaton.

Dum Sovet-Unio la judoj (denove?) estis akuzitaj kiel "cionismaj faŝistoj kontraŭrevoluciaj". Oni povas facile dedukti ke estas sovetaj rusoj kaj faŝistaj rusoj, same kiel sovetaj judoj kaj faŝistaj judoj.En 2003, la judo Ariel Sharon, de Israelo, estas ade kaj arde akuzita esti murdiga faŝisto.

La historio montras ke rusoj (germanoj, ktp) povas esti ĉu bonaj, ĉu malbonaj, sed ke judoj povas esti nur "malbonaj".

La internacia rom-katolika eklezio de la Vatikano estintas pli recepta al faŝismo ol la rusa (kaj aliaj) kristan-ortodoksaj eklezioj. Tio laŭ

registrita monda historio.

Jen, denove, alia homa paradokso, ĉar la rusa ortodoksa eklezio kristana estas multe pli "fundamentisma" ol la rom-katolika eklezio. Ortodoksoj respektas multe pli la originalan grekan lingvon de la Nova Testamento Kristana.

La rom-katolika eklezio estas multe pli internacia (alia originala faŝisma tabuo). La rilatoj inter religia aŭ mistika esoterismo, gnostikismo, kabalismo, teozofio, ĉiaj "fundamentismoj kristanaj en Usono" kaj faŝismo estis unue denuncataj en 1924, en la libro



"Faŝismo kaj Fundamentismo en Usono" (Christliche Welt, paĝoj 235-43)--- ("Faschismus und Fundamentalismus in USA").

Naciismaj histerioj kaj manioj (ĝenerale kreataj por prepari militojn), kaj religiaj fundamentismoj iras ĉiam kune. Jen bona nutra buljono por kresko de faŝismaj organizoj kaj la semo de malfermaj oreloj kaj mensoj por faŝismo.

Dum la eterna preparado por milito "ne restas tempo" por frateca esploro dialoga por krei mondon de egaleco ekonomia, jura kaj eduka por ĉiuj homoj senescepte.

La fama faŝista organizo "Ku-Klux-Klan" apogis usonajn fundamentistojn dum la ekonomia katastrofo de 1930.

La malriĉaj viktimoj de la ekonomia recidivo de 1930, ankaŭ tre malriĉe edukitaj (sed riĉaj en kolero) fariĝis la unuaj usonaj faŝistoj, tiuj kiuj sendis monon al Hitler kaj Mussolini antaŭ la Dua Mondmilito. Tiuj estis la tempoj de la "Clerico fascisti", italaj katolikoj kiuj volis la unuiĝon inter faŝismo kaj katolikismo (apogataj de la Papo Pio 12-a).

Poste aperis la fundamentisma "Islama Frateco" (1930) kun klaraj faŝismaj konektoj kaj apogo al Germanio, Italio kaj Japanio dum la Dua Mondmilito.

Edgar Alexander skribis en Zuriko de 1937 "Der Mythus Hitler", post la apero en Munkeno de "Mein Kampf" en 1933, ("Mia Lukto" de Hitler): "Malamo estis ĉiam la ĉefa unuiga kaj mova forto en ĉiuj revoluciaj ŝanĝoj. Fanatikismo kaj eĉ histerio movis la amasojn pli ol scienca-racia percepto."

La kroata Ustaŝa unuigis katolikismon kaj faŝismon por iniciati teruran ŝtatan terorismon. Fakte monduma nazi-faŝismo estas kondamnata de ĉiuj veraj religioj: Jesuo Kristo diris: "Ne estos greko, nek romano, nek judo, nek sklavo nek sinjoro."

Sed religio kaj nazi-faŝismo unuiĝis denove en Ŝiita Irano, kun la judoj de Ariel Ŝaron en Israelo, kun la Sikhoj de Hindio, en la murdiga "TRI-A" de Argentinio, ktp.

Estas malmultaj esceptoj kiel Reĝo Asoka de Hindio, Friedrich von Hohenstaufen de Germanio kaj Annie Besant de Britio. Ili proponis la unuecon de ĉiuj religioj, kiel faris katolika pastro Giordano Bruno, poste bruligita dumvive en la jaro 1600, en la korto de la nuna Vatikano. La islama Sankta Milito (Ĵihado) estas porĉiama komuna devo (fardalkifajo) kontraŭ ĉiuj aliaj religioj (daralharb). Sed militema fundamentismo vidiĝas ankaŭ en kristanismo (la Krucmilitoj de la 13-a jarcento, la murdo de abortigistoj en Usono, la 600-jara milito en Irlando, ktp), la juda kahanismo en Israelo, la hinduisma murdo de islamanoj en Kaŝmir, kaj tiel plu.

La Dia komando "Ne mortigu" ne ŝajnas tre grava por fundamentistoj de ĉiuj religioj.

Tamen, kiam la ĉina registaro limigas fundamentismon, la usona registaro de Reagan kaj Buch protestas.

La fundamentisma "ĉina religio Falung Gong", estas verŝajne nek ĉina nek religia, sed probable movado kontraŭĉina estrata el Usono. La sekvantoj de Falung Gong ĥaose manifestas en Hong Kong, sed neniu konas ilin en Pekino, urbo kiun mi vizitis persone. La konataj principoj de Falung Gong estas "la vero kaj la kompato".

La ĉefo de la malgranda movado ( Li Hongzhi) loĝas tre komforte en Usono kaj de tie invitas siajn ĉinajn sekvantojn "lukti kontraŭ malhoma Pekino". Ĉu tio ne sonas kiel nekompataj vortoj?

Li estas konsiderata kiel ĉarlatano en Eŭropo kie li asertis ke li povas leviĝi en la aeron. Li estas komparata kun David Kores kaj Jim Jones. Pluraj sekvantoj sinmortigis en Ĉinio.

La sekto Falung Gong estas tre konata en Usono (kie loĝas la ĉefo Li), sed malmulte konata en Ĉinio (kie loĝas la sekvantoj).

Politikuloj de Ĉinio vidas kun timo kaj ĉagreniĝo kiel uzatas la novaĵoj pri Falung Gong en Usono mem.

Prezidanto de Usono Richard Nixon komencis novan politikon kun "amika Ĉinio", kiu devas esti vidata unuece kun Tibet kaj Taiwan, tamen, la familio Bush, forte influata de la patro, kiu laboris por la C.I.A. dum la malvarma mi-

lito, emas montrofingri al Ĉinio kiel "ebla malamiko", io nejustigebla en la jaro 2003. Tiel diris David Wall de la ĵurnalo "Japan Times" en Tokio Japanio. Fundamentistoj ne toleras dialogon kun malsam-opiniaj personoj kaj grupoj. Tiuj lastaj estas etikeditaj "herezuloj".

Tamen, la instruo fundamentisma ne sufiĉas por konvinki iun personon. Por tio necesas ankaŭ timigi tiel la sekvantojn kiel la malamikojn.

Por la sekvantoj utilas "la diablo" kaj por la malamikoj utilas la ŝtalbatiloj.

La slogano estas: "Sen timo estas peko."

Same, sen la stimulo kaj subteno de individua kaj kolektiva "timo", faŝismo ne povus ekzisti.

## Estonteco de faŝismo

Dum mia vizito al Rusio dum la somero de 2001, mi trovis ke 90 % el la rusoj volas reiri al la Sovet-Unio.

Mi vidis ge-maljunulojn ame plorantajn kiam ili prononcis la nomon "Lenin".

90 % el la rusaj ĵurnaloj parolas milde faŝisman lingvon.

Same okazas en la tuta mondo, tra kiu mi ankaŭ, feliĉe, vojaĝis, kio igis min malpli trompebla de la sociaj komunikiloj.

La principoj de la Franca Revolucio: egaleco, libereco kaj frateco ne estas ie diskutataj. Nek ie menciataj.

Kristanismo ne estas dialogata, eĉ ne ene de la tiel nomataj "kristanaj" organizoj. Kristanaj organizoj plenumas distran funkcion, sed vera instruo, eduko kaj dialogo de la esencaj kristanaj valoroj vere ĉie mankas.

Monda faŝisma terorismo jam naskiĝis, kaj eĉ ne la ege riĉa kaj militisma Usono, kuŝas ekster ties influo kaj suverena teritorio.

La psikologia konfuzo kaj konflikto de ĉiu homa individuo, kreis nian krizan kaj ne-stabilan tutmondan socion.

Persistas obsede la fido ke la ŝtato, la bankoj kaj la trans-naciaj korporacioj ĉesos esti nur profitcelaj kaj iam flegos ĉiun el ni patrece kaj ameme.

Por la unua fojo dum la skribita homa historio, la homaro frontas sian propran finon pro diversaj eblaj kialoj:

epidemioj kiel Ajdeso aŭ Ebola, ekonomiaj aŭ ekologiaj katastrofoj (jam survoje), militismaj histerioj aŭ terorismaj manioj.

Etnaj, naciaj bankaj, korporaciaj kaj personaj ekonomiaj interesoj staras super la bonfarto de la tuta homaro. Jen la esenco de faŝismo. La timo je tujaj katastrofoj igas la homojn esti pli faŝismemaj kaj egoismaj ol en la 20-a jarcento. Nur 20 % el la homoj (maksimume) sekvas la movojn kaj mortigajn idiotaĵojn de la loka kaj la monda politiko.

Faŝismaj kaj ne faŝismaj eŭropanoj apogas la Eŭropan Union por defendi sin kontraŭ la influo de la anglo-amerika imperio kaj kontraŭ la enfluo de eksterlandanoj, kiuj nur serĉas laboron por pluvivi mizere.

Rusoj vidas la eŭropanonj kaj la angloamerikanonj kiel "malbonan influon al religio, moralo kaj vivnivelo." La sama procezo vidiĝas en Azio, Afriko kaj Latinameriko, kie la defendo ekzistas, sed ĝi estas tute ne efika. Angloamerikaj kutimoj floras ĉie. La sufero kaj la malriĉeco kreskas ĉie, (eĉ en Usono kaj Britio). La islama mondo klopodas unuiĝi senefike per la malamo al Usono kaj al la judoj.

Malamo estas potenca, portempa gluiga faktoro, sed tro detrua por la malamantoj kaj por la malamatoj.

La judoj daŭre vivas en defensiva paranojo, post miljaraj persekutoj kaj genocidoj.

Rasismo kaj naciismo (kernaj fortoj de faŝismo) malfortiĝas kie la homoj estas bone edukitaj, kie ili havas bazan ekonomian decidpovon por siaj vivoj, kaj inteligente preferas internacian ordigon de la socioj. Tamen, la generacio de la malvarma milito, nun estranta la mondon, daŭre edukadas la infanonj per la malnova malama rasismo, etnismo kaj malaktuala naciismo.

Akademianoj klasifikas faŝismon tiel:

1) historia
2) pastra (katolika)
3) situacia-portempa
4) ĝenerala-militisma

Mi preferas la difinon mian de la komenco en ĉi tiu artikolo.

La Hitleraj krimoj ne estas interpretataj kiel "teruraj kaj unikaj" ne ĉar ili ne estis tiaj, sed ĉar la krimoj laŭ la maniero de Hitler fariĝis (post li) oftaj kaj komunaj ene de la tutmonda homaro. Krome, la politikaj metodoj de Hitler vidiĝas ankaŭ ĉie en la mondo de 2004.

Kiel jam dirite, eĉ en la movado por la Internacia Lingvo Esperanto, kie mi laboradas jam dum 50 jaroj, iu nederlandano gvidas Torkemade "nigran internacian liston" (laŭlitere !) de personoj, kiuj vere laboradas por Esperanto. Malvalidigo de la viktimoj "enlistigitaj" koncentriĝas je tiuj aktivuloj kun longa kaj honora historio (same kiel faratas en la internacia politiko). Tio celas malkuraĝigi la viktimojn mem kaj la komencantojn.

Tiu estas nur ekzemplo de nur unu metodo faŝisma.

Insultoj, psikiatraj diagnozoj kaj diabligo de aktivuloj ĉiaspecaj en ne-faŝismaj movadoj estas aliaj metodoj tre bonaj por blokigo de racia dialogo. En raciaj dialogoj faŝistoj nur povas perdi.

Dialogo devas esti blokata, kontrolata (kiel en la retaj nuntempaj "listoj") aŭ simple evitata.

Murdo (eŭfemisme nomata "neŭtraligo"), kaj malaperigo de la viktimoj estis ege uzata en Latinameriko de 1960 ĝis 1986, sed la praktiko ne tute ĉesis ankoraŭ. Ŝanĝo de la lingvo, uzo de vortoj kun nekutimaj signifoj, vagaj, esoteraj kaj konfuzigaj paroladoj estas alia faŝisma metodo (lingvisma mensogo aŭ mal-kodigo). Kontrolo de la novaĵoj por misprezenti aŭ elimini ilin, estas jam establita faŝisma

metodo en la tuta mondo.

Faŝismaj libro-publikejoj, libro-vendejoj, televidaj stacioj aŭ kanaloj, radi-stacioj, kinaj korporacioj, ĵurnaloj, revuoj, ktp, estas hodiaŭ internaciaj. Jen alia paradokso de la moderna mondo.

Post septembro 11-a de 2001 oni komprenas kion povas fari nur unu monhava faŝisto kiel Ossama Ben Laden. Li estas araba milionulo, milite trejnata de la usona C.I.A.. En mondo de ekonomia egaleco por ĉiuj homoj ne estus la oportuno nek la ebleco konduti kiel Ossama.

Individuo krimema kaj monhava estas potenca monstro ĉiopova.

Se ne estus nacioj nek judoj, nek negroj, nek ĉinoj, faŝismo daŭre agus nur pro la malakcepto de la principo de ekonomia, jura kaj eduka egaleco de ĉiuj homoj de la mondo, senescepte.

Bona eduko necesas por kompreni la valoron de tiu principo, kaj akcepti ĝin, sed tio ne fareblas per iu perforta revolucio. Tamen, eduko influita de faŝismo, kiel la nia, neniam laboros por akceptigo de vera libero, ekonomia egaleco kaj ne-aŭtoritateca frateco. Nur tial akceptiĝas, tre facile, ke estas "malfacile difini faŝismon".

Tiuj principoj, estas ne pli ol la apliko de vera religio, ĉu kristana, ĉu nekristana. Male, la nuna instruo de religio estas ĝenerale favora al faŝismo. Jen granda kaj jam miljara paradokso. Nia estonteco, (la estonteco de la homaro), sen libero, frateco kaj ekonomia egaleco de ĉiuj homoj surtere estas la ĥaoso kaj la pereo. La triumfo de novaj formoj de faŝismo, kiel feŭda kapitalismo de la grandaj entreprenoj, nur akcelos la suferon, la ĥaoson kaj la finan malaperon de la homaro.

## Kion fari ?

Demandu al vi mem ĉu vi akceptas la ekonomian egalecon de ĉiuj homoj. Se vi sincere respondas ke "ne", vi devas klopodi kompreni la faŝiston kiu vivas kaj kreskas ĉiutage ene de vi mem.

**Josef Maria Ipfelkofer**

verkis:

Aldono de feb. 2003:

## HISTORIO

Jubileo hontinda

*Antaŭ 70 jaroj, nazioj en Germanio malfermis la unuan koncentrejon en Dachau, modelon por multaj aliaj koncentrejoj. Jen skiza historio pri koncentrejoj, ne nur en nazia Germanio sed ankaŭ pli frue kaj poste.*

Koncentrejoj ekzistas por teni kaj izoli politikajn aŭ aliajn supozatajn malamikojn de la ŝtato. Oni povus komenci ĉe egiptaj regnoj, kiuj subpremis kaj sklavigis venkitajn popolojn. Sed koncentrejojn en la nuna senco unue instalis hispanaj koloniistoj en 1895 sur la insulo Kubo: tie ili malliberigis 40 000 kamparanojn. Poste, dum la brita milito en Sud-Afriko inter 1899 kaj 1902, oni starigis koncentrejojn por militkaptitoj.

### Malamikoj de la revolucio

Post 1918 Sovetio instalis koncentrejojn por internigi kontraŭulojn de la tiama reĝimo, interalie eklezi-ulojn kaj kulakojn (mez- kaj grand-kamparanojn). Feliks Dĵerĵinskij evoluigis la koncentrejojn kiel instrumentojn de la „ruĝaj" kontraŭ la „blankaj", la „malamikoj de la revolucio". Tie, plenrajtigitaj de la ŝtato, respondeculoj diktatore verdiktis kaj ekzekutis. Ankaŭ Lenin kaj Stalin uzis koncentrejojn situantajn en foraj, malfacile alireblaj regionoj de malvarmega Siberio. Eĉ post la morto de Stalin en 1953 pluekzistis kelkaj koncentrejoj.

Plej konataj estas la koncentrejoj en Nazi-Germanio inter 1933 kaj 1945. Akirinte ŝtatan potencon, Hitler komencis ĉasi kaj malliberigi kontraŭulojn, ĉefe komunistojn, socialistojn, socialdemokratojn, pacifistojn, ktp. La unua koncentrejo malfermiĝis la 22an de marto 1933 proksime al la urbeto Dachau norde de Munkeno. Sekvis Sachsenhausen 1936, Buchenwald 1938, Mauthausen [máŭthaŭzen] 1939, la porvirina Ravensbrück 1940 kaj Bergen-Belsen 1943.

### Gettoj

Sekvis gettoj en ĉiuj grandaj urboj por „kolekti" eŭropajn judojn, komence tuj post la invado de Pollando kaj aliaj orient-eŭropaj landoj, poste ankaŭ en Germanio mem. Konataj estas la gettoj de Varsovio, Krakovo, Lublin kaj la koncentrejo, nomata getto, en Theresienstadt, la ĉeĥa Terezin.

Post aŭtuno 1941 kaj la konferenco ĉe Wannsee (lago apud Berlino), kie en januaro 1942 la naziaj gvidantoj decidis pri la „fina solvo" de la „juda problemo", oni konstruis kromajn ekstermejojn por la judoj: Ĉelmno, Belzec, Sobibor, Treblinka, Auschwitz kaj Majdanek. Tiuj lastaj estis kvazaŭ murdo-fabrikoj: tie oni celis mortigi aŭ rekte per cianida acido en t.n. gas-ĉambroj aŭ nerekte per fizika ŝvitlaboro en apudaj uzinoj, kie la homoj estis ekspluatataj kiel modernaj sklavoj sub apenaŭ imageblaj kondiĉoj.

### Ratoj

Ne finiĝis la historio post la Dua Mondmilito. Konata estas la puĉo de generalo kaj diktatoro Pinoĉet en Ĉilio en septembro 1973. Oni scias, ke homoj estis arestitaj kaj mortigitaj en stadiono en Santiago; krome oni raportis eĉ pri koncentrejaj ŝipoj, en kies holdojn oni ĵetis malliberigitojn kaj poste ratojn, kiuj manĝis la homojn vivantaj.

# Nia Vilnjuso kaj ILIA Jerusalemo

Boris Kolker

Inter la jaroj1978 kaj 1984 mi recenzis multe da libroj por la revuo "Esperanto". Komence de 1984 UEA sendis al mi por recenzo la libron de Moŝe Savir "Salato", eldonitan en Israelo. Tio min pensigis. En tiu tempo ajna neinsulta (eĉ se neŭtrala) mencio de Israelo en Sovet-Unio estis taksata de ŝtataj kaj partiaj instancoj kiel manifestiĝo de cionismo kaj kontraŭsovetieco kun punaj sekvoj. Kiel mi tion klarigu al UEA, tiom pli ke en tiu benita lando leteroj al kaj el eksterlando estis cenzurataj, same kiel ĉio presata aŭ eĉ kopiata?

Post longa hezitado mi decidis riski kaj verki recenzon tiel, ke al ĝia enhavo estus neeble alkroĉiĝi. La recenzo aperis en la aprila numero, kiu atingis min en junio. Ĝuste tiam ni estis celebrantaj nian 25-jaran geedziĝan jubileon, por kiu venis al ni en Ufa la gepatroj kaj parencoj el Moldavio. Ni aranĝis por ĉiuj semajnan ŝipkrozadon ĝis Moskvo, de kie mi devis flugi al Armenio kaj Latvio por partopreni Esperanto-tendarojn kaj unuafoje akcepti instru-rajtigajn ekzamenojn. Do trankvile kuŝante sur la ŝipa ferdeko, mi legis la gazeton kaj mian recenzon. Tralegu ĝin ankaŭ vi, kara leganto!

## Bongusta salato

Salato, M. Savir (Suckever). Parte el la jida kaj hebrea trad. la aŭtoro. Jerusalemo: la aŭtoro, 1984. 160 p. Ilus. 24 cm. Prezo: 24,00 gld.

Pri la vivo de ĉiu homo oni povas verki interesan libron. Kaj ĉiu homo mem povas verki interesan libron pri siaj travivaĵoj, proksimuloj, lando. Li povas ankaŭ kolekti amatajn verkojn, kiujn li iam legis. Sed malmultaj tion faras. Unu el tiuj malmultaj estas M. Savir, kiu, post tralego de la libro, aperas kiel nia komuna simpatia konato.

La libro estas vera salato, ĉar ĝi enhavas po iom el ĉio. La unua parto "El la jida kaj hebrea lingvoj" enhavas dek ses ĉarmajn literaturaĵojn. Precipe impresas la biblieca poemo en prozo de Nobel-premiito Ĉ.J. Agnon "Per mia koro". Per delikataj penik-ŝmiroj pentras bizaran revulon la alia Nobel-premiito J. Basevis Singer. Tuŝas la koron la sentimentalaj miniaturoj de G. Shofman. La araba legendo pri la reĝo Salomono kvazaŭ simboligas iaman (ve, biblitempan) komunecon de la hebreoj kaj araboj. Kredeble, ne nur tiuj du popoloj, sed ankaŭ ĉiuj aliaj popoloj estus ege kontentaj, se tiu komuneco iam restariĝus, kaj ĉiuj homoj en la regiono povus vivi en paco.

En la dua parto kvin aŭtoroj poeziece rakontas pri prozaj aferoj - konstruado de agrikulturaj komunumoj.

La trian parton "Esperanto kaj Esperantujo" aŭtoris precipe Savir mem. Li rakontas pri la cirkonstancoj de sia esperantistiĝo en Vilno en 1927, pri sia Esperanto-agado, pri sia profesia kariero de elektroinĝeniero, pri sia laboro por starigi sciencan centron en la afrika lando Malio, pri Universalaj Kongresoj de Esperanto, en kiuj li partoprenis.

La lasta parto rakontas nostalgie - per plumoj de kelkaj aŭtoroj - pri du urboj: Vilno kaj Jerusalemo. Ĝojo kaj malĝojo, seriozeco kaj leĝera humuro miksiĝas en la bela rakonto de A. Karpinoviĉ "Notke la kato", kiu temas pri renkontiĝo de amikoj. Leteroj de la patrino, kiun murdis faŝistoj en Vilno... Rememoroj pri herooj, kiuj organizis kontraŭfaŝismajn ribelojn en la gettoj... Savir ne estas politikisto. Sed ĉu ami sian patrujon, propagandi pacon kaj amikecon inter la popoloj, paroli ame pri la Internacia Lingvo kaj pri siaj diverslandaj amikoj-esperantistoj, atentigi pri kruelaĵoj de la faŝismo, popularigi humanajn beletraĵojn, ĉu ĉio ĉi ne estas politiko? Evidente ĝi estas politiko, eĉ tia, kia estas akceptebla por ĉiu vera esperantisto.

La libro estas komputile kompostita, ilustrita, klare presita. Bongusta salato. Bonan apetiton! Boris Kolker (Soveta Unio).

Dum mi serene kuŝis sur la ŝipa ferdeko, ĝuante feriojn, sunbruniĝante kaj babilante kun la gepatroj, kiujn mi vidis neofte, en Moskvo okazis tempestaj eventoj. Membro

de la Prezidio de ASE (Asocio de sovetiaj esperantistoj) Dmitrij Perevalov tralegis mian recenzon pri ISRAELA (ho!) libro kaj apude la recenzon de Ulrich Lins pri la libro pri Stalinaj koncentrejoj (ho! ho! ho!) en Sovet-Unio kaj tuj kuris al Lidija Ĉanina, respondeca sekretario de ASE (enpostenigita tien fare de KGB - sekreta sekureca servo). Ĉi tiuj informis pri tiu "krimo" la vicprezidanton de SSOD (Unio de sovetiaj societoj de amikeco kun eksterlando), en kies kadro funkciis ASE, Miĥail Miĥajloviĉ Peslak, kiu eĉ sen tio estis certa, ke pri ĉiuj fiagoj de esperantistoj (kaj li opiniis ĉiujn agojn de esperantistoj fiagoj, krom se kelkaj el ili tradukis kaj eldonis saĝajn paroladojn de la kadukaj, ĉiujare mortantaj ĝeneralaj sekretarioj de la partio) respondecas Kolker, kiu sidas en Ufa kaj manipulas la esperantistojn, kvazaŭ marionetojn tiratajn per fadenoj. Peslak ordonis al Ĉanina tuj venigi la prezidanton de ASE profesoron Magomet Izmajloviĉ Isajev.

Kiam Isajev venis, Ĉanina mieltone diris al li: "Bongusta salato. Bonan apetiton, Magomet Izmajloviĉ!" kaj ŝovis sub la nazon de la gapanta profesoro la paĝojn 72 kaj 73. Isajev preskaŭ svenis, kiam la ursosimila Peslak pribojis lin kaj diris, ke oni vokas ilin ambaŭ al la Internacia fako de CK KPSU (Centra Komitato de la Komunista Partio de Sovet-Unio). Tie partia altpostenulo pribojis la duopon, minacante al ili forpreni ties partiajn membrokartojn, se ili ne faros ordon en ASE.

Mi ne lacigos vin, kara leganto, per detaloj pri miaj paroloj kun la terurita Isajev kaj pri la sekvaj eventoj. Prefere mi citu. Unue, jen kion rakontis pri tio post ok jaroj Vladimir Samodaj: "En 1984, kiam "bonaj" homoj denuncis pri la publikigo en "Esperanto" de pozitiva recenzo de Kolker pri iu E-libro eldonita en Israelo, oni vokis min al la menciita supre s-ro Pesljak (mi estis tiam vic-prezidanto de ASE). Veninte, mi ekvidis sur lia tablo la plenan liston de la publikigitaj en tiu revuo dum jaroj recenzoj miaj kaj tiuj de Kolker. Komenciĝis krudaj paroloj en la stilo: "Kian rajton vi havis publikigi viajn stultajn recenzojn sen nia kontrolo? Tiaj agoj estas malamikaj al nia lando! Kial via amiko Kolker aŭdacis laŭdi libron aperintan en Israelo kaj eĉ publikigi ĝin apud la kontraŭsovetia artikolaĉo!" (Lian recenzon en la ĵurnalo sampaĝe sekvis la recenzo de U. Lins pri la libro "7000 tagoj en Siberio" en kiu ĝia aŭtoro priskribis sian vivon en la sovetlandaj koncentrejoj.) Dum tiu parolo en angulo silente sidis instruktoro el CK KPSU, kiu patronis desupre la Esperanto- aferojn en SSOD. La parolo estis naŭze aĉa, la fortoj estis malegalaj kaj, kvankam mi sukcesis iom malstreĉi la situacion, mi malgajnis, ĉar ne sukcesis preventi postan eksigon de B. Kolker el la Prezidio de ASE kaj malvalidigon de nia aliĝpeto al UEA, kiun unu monaton pli frue forveturigis el Moskvo tiama UEA-prezidanto G. Maertens (oni - la SSOD-anoj kaj CK-anoj - decidis, ke la publikigo de la Lins-a recenzo estis kontraŭsovetia ago de UEA kaj la tiama redaktoro de "Esperanto" S. Milojeviĉ, do tiun kontraŭsovetian organizaĵon ni ne devas aliĝi). Mi mem ne estis eksigita el la Prezidio nur dank' al tio, ke mia lasta recenzo en "Esperanto" aperis kvar jarojn antaŭ tiu parolo, sed la "peko" de B. Kolker estis tute freŝa. (Mi estis punita alimaniere - neoficiale - pro miaj nesankciitaj kontaktoj kun B. Kolker, sed tio estas alia temo.) Poste, en la Prezidia kunsido, ne eblis malaprobi tiujn decidojn, ĉar la fortobilanco en la Prezidio de ASE estis malfavora kaj la enlanda situacio ankoraŭ ne maturiĝis por similaj kontraŭbataloj" (Cerbe kaj Kore, Moskvo, 1992, No 9 (21), p. 6).

Jen kion skribis mi en la sama numero de "Cerbe kaj Kore" (p. 4): "Kiam SSOD, laŭ iniciato de Ĉanina, kun aprobo de CK KPSU (kia honoro!), decidis eksigi min el la Prezidio de ASE pro sencenzura publikigo de recenzoj en la revuo "Esperanto", la vicprezidantoj Samodaj kaj Zubkov rezistis, la aliaj prezidianoj - ne. Sed kiam SSOD decidis forigi min el la pli grandnombra Estraro de ASE, mi sondis inter estraranoj-esperantistoj (multaj estis neesperantistoj, kredu!): ili intencis voĉdoni kontraŭ. Kaj du advokatoj Paŭlo Jegorovas kaj Genadij Ĉilo pretis defendi min profesie dum la Estrara kunsido. Tiam SSOD decidis retiri sian intencon eksigi min el la Estraro de ASE kaj per politika denunco malhelpi min pri la defendo de la disertacio pri esperantologia temo. En tiu nigra por mi kvarjara periodo mi sentis vastan solidarecon de moskvanoj (kiam mi venadis Moskvon, oni aranĝadis kunvenojn de aktivuloj), baltianoj, ukrainianoj, uralanoj, siberianoj, en multaj aliaj lokoj. Dankon al ili ĉiuj!"

Kiel ajn stranga tio povas ŝajni, sed mia kulpo, laŭ la akuzoj de la SSODanoj kaj iliaj partiaj estroj, konsistis ankaŭ en tio, ke mia recenzo aperis sampaĝe kun la "kontraŭsovetia" recenzo de U. Lins. Oni diris al mi (kun seriozaj mienoj - vere, ne ridu!), ke tio estas kontraŭsovetia fi-provoko de UEA kaj de mi mem. Ha! Kiu povis tiam antaŭvidi, ke en 1990 la grava ŝtata moskva eldonejo "Progreso" publikigos la libron de Ulrich Lins "La danĝera lingvo", en kiu 350 paĝoj estas dediĉitaj al la situacio kaj persekutoj de esperantistoj en Sovet-Unio! Kiu povis tiam antaŭvidi, ke la neŝancelebla komunisto Lidija Ĉanina (ŝi ŝatis komenci siajn parolojn kun oficialuloj per la vortoj: "Ni, komunistoj...") revendados tiun "kontraŭsovetian" libron je la prezo, kiu multe superis la fiksan ŝtatan prezon, kaj per tio ŝtopados siajn poŝojn per mono (ja mono ne odoras!).

Mi citos el la antaŭparolo de Sergej Kuznecov al la moskva eldono de tiu libro: "En 1984, tamen, la obstakloj ŝajnis pereintaj, kaj oni aspiris baldaŭan aliĝon al UEA. Oni jam planis komunajn servojn, kongrespartoprenojn, abonperojn kaj kion ankoraŭ oni ne povas plani en plansocio! Sed... venis Lins kaj ĉion detruis. Li permesis al si recenzi en la revuo "Esperanto" (1984, n-ro 4, p. 73) la libron de iama kunlaboranto de la Komunista Internacio, poste arestito kaj kondamnito K. Ŝtajner "7000 tagoj en Siberio". Tiu recenzo, laŭ ASE-funkciuloj, certe estis provoka, kontraŭsovetia paŝo; kaj la redakcio de "Esperanto" eĉ pliakrigis la provokon, presinte la recenzon de Lins flank-al-flanke ĉe alia recenzo, tute pri alia temo, sed verkita de sovetiano" (p. 544).

Kaj, se vi ne tute laciĝis, mi finos per mallonga citaĵo el la elokventa redakcia artikolo de la revuo "Esperanto" (1989, No 2, p.22 - supozeble, verkita de Simo Milojeviĉ), dediĉita al la likvido de ASE kaj rekreo de la sendependa SEU (Estas amuze, ke antaŭ la morto de ASE, laŭ propono de M.I. Isajev, mi estis elektita vicprezidanto de tiu agonianta organizaĵo; post kelkaj monatoj mi estis elektita vicprezidanto de SEU): "UEA multfoje en tiu periodo aliris ASE pri la demando de ties aliĝo al UEA. Kiam en 1984 tiu aliĝo ŝajnis finfine okazonta, ASE subite ofendiĝis, ĉar en la revuo "Esperanto" aperis "insulto al Stalin", kiun jam antaŭe Ĥruŝĉov kaj poste Gorbaĉov "insultis" multe pli elokvente. Tial, se ASE nun mortis, UEA ne sendos florojn al ĝia tombo."

Mi ne priskribos tiun strangan kunsidon de la Prezidio de ASE, kie la estro de la Fako de sovetia kulturo de SSOD Rafael Rubenoviĉ Saakov, plenumante (tre volonte) la ordonojn de siaj superuloj, perfortis la prezidianojn, por ke ili decidu pri mia puno. Por imagi tiun komedion de absurdo, sufiĉas citi unu el liaj akuzoj: "Kiel Kolker rajtas samvalore mencii NIAN Vilnjuson kaj ILIAN Jerusalemon!" Ha! Kaj mi imagis, ke neniu povos alkroĉiĝi al la enhavo de mia recenzo! Evidentiĝis, ke skribi "Vilno kaj Jerusalemo" signifis fari kontraŭsovetian agon. Kiel iam diris rusa poeto, "ĉio ĉi estus amuza, se ne estus tiel trista".

Algimantas Skupas el Vilnjuso, tiama prezidanto de litova filio de ASE, eksciinte, ke en la libro de Savir temas multe pri Vilnjuso, petis min doni al li la libron por tralego. Sed mi ne donis: ja disvastigo de kontraŭsovetia literaturo en tiu benita lando estis punata per enprizonigo.

En la rubaĵejo de historio estas KPSU kun sia CK; SSOD kun siaj Peslakoj, Saakovoj kaj Ĉaninoj; ASE kun sia Prezidio. Eĉ Vilnjuso ne plu estas "nia", ĝi estas "ilia", ja en eksterlando. Sed vivas Esperanto kaj esperantistoj. Kaj plu vivas la 3-miljara Jerusalemo. Kaj en mia libroŝranko staras malkaŝe "Salato" kaj "7000 tagoj en Siberio": mi kunprenis ilin en Usonon, kvankam mi devis restigi en Rusio centojn da Esperantaj libroj.

Aperis en "Israela Esperantisto"
"Eventoj" "Litova stelo"
"Esperanto sub la Suda Kruco"

# La sagoj de amoro

**Cez.**

**Ho ve, vi senkompataj sagoj de Amoro!**
**Senkompate vi trabatas la korojn de la trafatoj.**
**Vin lasas frida, kiom da doloroj vi estigas**
**ĉe virinoj kaj viroj, kiuj antaŭe,**
**sen la brulanta amo, estis tute kontentaj.**

**Sendite de la petola dia knabo de l' amo,**
**vi trafas, kaj se oni eltiras vin,**
**la dolĉa veneno jam efikas.**
**Kaj tio signifas, ke la kruela ludo jam komenciĝis.**
**Ho ve, vi senkompataj sagoj de Amoro!**

# Unu mondetiko de tutmondiĝo

Kep Enderby

La etikaj polemikaj diskutoj kaj la proponataj respondoj, por kaj kontraŭ, prave kaj malprave, prezentataj al ni kadre de la nuntempa rapide ŝrumpanta mondo kaj procezo de tutmondiĝo. Kiujn subteni? Ĉu ni progrese antaŭeniras al supera grado de disvolviĝo aŭ ne ?"

Plimallongigitan, mi resumas tion kiel "La etiko de tutmondiĝo".

Lasu min komence, pruntepreni kelkajn vortojn el lastatempa interŝanĝo de retmesaĝoj inter iuj el niaj SAT-samideanoj. Tiuj mesaĝoj temis pri la memevidenta fakto ke "vortigi ideojn ne ĉiam estas simpla afero; ke vortigi okazaĵojn aŭ konceptojn kiuj vivas en unu parto de la hemisfero ne ĉiam legeblas memevidente aŭ facile en alia hemisfero eĉ uzante Esperanton".

Estas pro tia nekontestebla fakto ke unue mi iras al PIV ĉar eĉ mia plimallongigita titolo levas kelkajn demandojn.

Unu estas pri kia tutmondiĝo ni parolas? Mi revenos al tio poste kiam mi diskutos iujn karakterizantajn trajtojn de ia tutmondiĝo - demandojn rilate al ĝi; problemojn, simptomojn, avantaĝojn, malavantaĝojn ktp.

Dua estas la metafora senco en kiu ni uzas certajn vortojn.

Alia estas la ĝusta senco kiun ni intencas doni al niaj vortoj.

Laŭ PIV, "etiko" signifas la "scienco pri moralo".

"Moralo" estas tiu parto de filozofio, kiu esploras la principojn de homa konduto kaj kiu instruas pri la celinda bono kaj pri devoj.

Tutmondiĝo signifas tion, kio koncernas la tutan mondon kaj, pro tio, subite, alia demando leviĝas: ĉu la aludo al "Unu mondo kaj tutmondiĝo" vere kaj ĝuste povas priskribi nian nuntempan realan mondon?

Mi opinias ke, ĝi certe ne tion faras, kvankam ĝi klare pliproksimiĝas rilate al tiu parto de la mondo, kiun ni ofte pri-skribas kiel "la Okcidento". Laŭ tiu testo, tutmondiĝano estas plejparte okcidentano.

La tuta aktuala reala mondo estas multe pli ol nur la Okcidento .

Ni ankoraŭ havas multajn partojn kaj popolojn de la mondo ankoraŭ malmulte infektitajn de tia pli kaj pli rapide ŝrumpanta "unumonda" tutmondiĝanta procezo okazanta en la "Okcidento".

Sufiĉas nur rememori la multajn partojn de Afriko, la multajn pacifikajn insulojn, partojn de la tiel nomataj mezaj orientaj landoj, multajn partojn de Azio, kaj eĉ en mia propra plej multe evoluigita lando, Aŭstralio, iujn el la indiĝenaj, aborigenaj popoloj, kiuj loĝas en izolitaj partoj for de la aliloke tute aŭ parte evoluigitaj landoj.

La diferenco inter la malsamaj partoj ofte alprenas religian aspekton - ekzemple kristanismaj landoj fronte al islamaj landoj.

Kiam tio okazas, ni pli kaj pli aŭdas aludojn al "Kolizio aŭ kunfrapiĝo inter civilizacioj".

Ŝajnas al mi ke la "ŝlosila" vorto implicita en ĉio ĉi estas rememori, ke tio pri kio ni parolas estas "procezo" -, vorto signifanta "sinsekvon de fenomenoj disvolviĝantaj, rigardata en sia tuteco, iompostiome progresanta al finaj rezultoj". Tio vice signifas "ŝanĝo", aŭ "ŝanĝiĝo", foje "ŝanĝegiĝo": tio kio moviĝas, io en moviĝo, io en stato de ŝanĝiĝado.

Lasu min agnoski ke libro kun la titolo "Unu mondo - la etikoj de tutmondiĝo" verkita de Peter (Petro) Singer, aŭstralia profesoro pri etiko, kiu dum la pasintaj jaroj laboras profesore en Usono ĉe la Universitato de Princton, helpis influi multe miajn pensojn por tiu ĉi prelego.

La libro de Singer, verkita angle, traktas la etikajn polemikajn diskutojn kaj la proponatajn respondojn, por kaj kontraŭ, prave kaj malprave, prezentatajn al ni, kadre de tiu ĉi nuntempa ĉiam pli rapide ŝrumpanta mondo kaj procezo: tutmondiĝo.

Kadre de tiu limo leviĝas la demandoj: kiujn kaj kiajn fortojn subteni kaj aprobi, kaj ĉu, tiu ĉiam rapidiĝanta tutmondiĝo, aŭ helpas la popolojn de la mondo aŭ malhelpas ilin progresi antaŭenire al pli supera grado de civilizacio ol tiu kiun ili nun havas, aŭ ne?

Mi certas ke Peter Singer ne plendos, se

mi sciigas al vi ke mi konas lin persone, kaj li simpatias al Esperanto, kaj ke li eĉ vizitis Bjalistokon.

Bedaŭrinde li opinias ke la angla lingvo nun superregas Esperanton kiel internacian lingvon kaj ke la angla lingvo jam sufiĉe bone plenumas la rolon de Esperanto intencatan de Zamenhof. Unu el miaj defiaj taskoj en estontaj korespondaĵoj kun Petro estos persvadi lin ŝanĝi tian opinion ĉar ja, ĝusta etika perspektivo postulas, je monda etika vidpunkto, ke Esperanto meritas superi la anglan.

Alia libro kiun mi relegis profite kaj kun granda intereso estis "Etiko" verkita ruse de Peter Kropotkin, la fama anarkiisto kiu estis poste Esperantigita en Moskvo en 1924 de N. Kabanov - tre grava verko.

Mi revenu al la ŝanĝita mondo kaj kia mondo tio nun estas.

Ŝajnas al mi ke malmultaj neus ke la mondo kaj la sociaj kaj politikaj rilatoj, kiuj antaŭe regis en ĝi kaj efikis sur ĝin, estis multe ŝanĝitaj de la eventoj de 11-a de septembro 2001 en Usono. Kvankam estas foje dirite ke la atakoj de 11-a de septembro "ŝanĝis ĉion"; mi refutus tion.

Mi opinias ke tiuj atakoj nur donis eksterordinaran pretekston permesi al Usono provi interveni kaj, se konsiderata necesa, detrui sociojn kaj ŝtatojn, kiujn ĝi malaprobas ie en la mondo, se la ekzisto de tiuj socioj aŭ eĉ ŝtatoj, ofendas Usonon.

Eĉ se tiuj atakoj akcele plirapidigis la procezon de tutmondiĝo, estas fakto ke eĉ antaŭe, neadekvataj kaj ne taŭgaj mondaj etikaj sintenoj de iuj, aparte grandaj potencaj naciaj ŝtatoj kiel Usono kaj aliaj, meritis nian seriozan maltrankviligitan atenton. Certe, iu nova pli bona kaj pli forta tutmonda etiko urĝe bezoniĝis, eĉ tiam.

La argumentoj pri la pozitivaj kaj negativaj aspektoj de tiu tutmondiĝanta procezo multiĝas.

Ekstrema ekzemplo citas la kazon en kiu uzantoj de benzindrinkegantaj aŭtomobiloj, loĝante en, ni diru, Usono aŭ Aŭstralio, povas pere de siaj uzoj de tiaj aŭtomobiloj, kontribui al klimataj ŝanĝoj en ekzemple Mozambiko aŭ Bangladeŝo, ŝanĝoj kiuj kaŭzas leviĝon de marnivelo kaj disvastiĝon de tropikaj malsanoj.

Mi ne povas diri ke ĉiuj, sed mi certas ke la plejmultaj de ŝtataj juraj sistemoj agnoskas devon de ĉiuj siaj civitanoj, ne kaŭzi malprave damaĝon al aliaj civitanoj - sed kio pri civitanoj de aliaj landoj? Ĉu la sama devo aplikiĝas reciproke? Tutmondiĝanta etiko postulas jesan respondon eĉ se trovi praktikan respondon nuntempe ne ĉiam facilas.


P Singer

Tio ĉi tuŝas alian demandon.

Ĉu la nuntempa divido de la popoloj de la mondo en apartajn suverenajn ŝtatojn, kiuj unuarange dominas internacian juron ekde la Traktato de Vestfalio en 1648, estas ankoraŭ neŝanĝebla fakto de vivo aŭ ne? Ĉu ĝi sufiĉas por provizi la necesajn solvojn al la mondaj problemoj aŭ ne?

Implicita en la esprimo tutmondiĝo anstataŭ la malnova "internaciismo", estas la ideo ke ni estas moviĝantaj preter la epoko de ligoj kaj rilatoj inter nacioj kaj al io fundamente malsama.

Ene de tio ni ekaŭdas kaj eklegas pri novaj estaĵoj malfunkciantaj ŝtatoj kaj eĉ friponaj ŝtatoj. Grava demando pri friponaj ŝtatoj estas kiu faru tiajn decidojn?

Estas meritplena ideo rememori la faman konsilon al anoj de SAT de Lanti antaŭ multaj jaroj, ke ili "kutimiĝu al eksternacia sent-, pens-, kaj agadkapablo!"

La statuto de SAT esprimas similan sintenon. Ĝi deklaras ke SAT celas utiligi praktike la internacian lingvon Esperanton por la klasaj celoj de la laboristaro tutmonda. Gravas la vorto "tutmonda"; kiel eble plej bone kaj digne, plifaciligi la interrilatojn de la membroj, tiel kreskigante ĉe ili fortikan senton de homeca solidaro. Simile gravas, la vortoj "homeca solidaro"; lernigadi, instruadi siajn membrojn tiele, ke ili fariĝu la plej kapablaj kaj plej perfektaj el tiel nomataj internaciistoj. Kaj fine gravas la vorto "internaciistoj".

Ja: tre laŭdinda celo por ni ĉiuj.

La emfazo estas havi novajn senton kaj sintenon kaj kredon ke homoj kie ajn en la mondo ili loĝas, al kiu ajn tiel nomata nacio aŭ gento ili apartenas, havas reciprokajn rajtojn kaj devojn, ĉiuj al ĉiuj.

Dum mi konscias al kiuj mi parolas, mi petas vin noti la aludon al "klasaj celoj de la laboristaro".

Mi atentigas vin al tio, ĉar mi opinias ke estas multaj tra la mondo kiuj kredas ke en la nuntempa mondo, tiaj vortoj arkaismiĝas.

Gravegiĝas ke la kernaj vortoj en la konsilo de Lanti kaj en la statuto de SAT estu etenditaj en nia pensa-

do pri etikoj al ĉiuj.

Antaŭ 150 jaroj Karlo Marx skribis: "La manmuelejo donas al socio Feŭdan Lordon; la vapormuelejo la industrian kapitaliston."

Rilate al tiaj teoriaĵoj de Marx, Petro Singer pli aktualigis ilin dirante ke la ĵetmova aviadilo, la telefono kaj la interreto, la nuntempa informteknologio (IT), nun donas al la mondo la grandajn ekonomikajn kaj financajn transnaciajn korporaciojn! Li aldonas, ke estas tiuj transnaciaj korporacioj, kiuj pli kaj pli regas la mondon kaj kiuj pli kaj pli faras la nacian ŝtaton pli kaj pli arkaikiĝi.

En nia nova ankoraŭ naskiĝanta ŝanĝata mondo, homaj valoroj ofte povas suferi.

Kapitalista socio fundamente bezonas etikon en kiu la rajto aĉeti kaj vendi laborpovon unuarangiĝas.

Mi argumentas ke tiu bezono finfine kontraŭos la fundamentajn etikajn bezonojn de tutmondigota planedo.

Oni povus doni multajn ekzemplojn rilate al tio kie monda agado pri mondaj problemoj gravegiĝas. La atmosfero estas unu. La ekologio estas alia.

La internacia Kiota Protokolo de 1997 estas provo trovi solvon al tiaj problemoj. La rifuzo de iuj el la riĉaj plej potencaj kaj ofendantaj ŝtatoj precipe Usono, ignoras la pledojn kiuj venis el Kioto.

Pli kaj pli da malsamaj naciaj ekonomioj kunfandiĝas en unu grandan mondan ekonomion, tio estas tutglobiĝo. Pli kaj pli ni devas konsideri ne nur niajn proprajn naciajn ŝtatajn ekonomiojn sed ankaŭ la mondekonomion.

En la kazo de la ŝtataj aŭ landaj ekonomioj, ni scias ke la ŝtataj kaj landaj registaroj respondecas, sed kiu respondecas rilate al la monda ekonomio; kiu respondecas mondskale? Neniu! Certe ne la grandaj korporacioj. Nek Unuiĝintaj Nacioj Organizo ( UNO). Ĝi ne havas tian povon.

Serĉante la efikon de ĉio tio, notindas ke antaŭ nelonge, bone konata eminenta ekonomikisto, Antony Clarke, Direktoro de la Polaris Instituto en Otawa, Kanado, donis sian opinion.

Li ĉefe kulpigis la Mondan Komercan Organizon (MKO) (angle World Trade Organisation WTO) por tio kio estas okazanta.

Laŭ s-ro Clarke MKO ja respondecas kaj posedas la potencon fari ĉion konsideratan de ĝi necesan funkciigi la mondan ekonomion laŭ ĝiaj mem elektitaj normoj.

Laŭ li, MKO ĉefe agas kiel mekanismo por plirapidigi kaj etendigi transigon de suvereneco de popoloj, propre al siaj naciaj ŝtatoj, for de tiuj ŝtatoj al la grandaj tutmondaj financaj kaj industriaj korporacioj!!

Mondskale tiu baza fakto forte trafas je la koro de la monda etika problemo.

Dum malmultaj argumentas, ke la ekonomio de popoloj ne devus esti integrita mondskale, multaj argumentas, ke kiel integrita tutmonda ekonomio ĝi devas respondeci al la popoloj de la mondo kaj ne nur al la grandaj korporacioj de la mondo, kiuj ekzistas precipe por pliriĉigi siajn akciulojn.

Mi jam menciis nian bezonon uzi metaforojn.

Ankoraŭ parolante pri la ekonomio estas vere dirite ke "leviĝanta tajdo levas ĉiujn boatojn". La argumentoj pli gravas kiel atingi tion kaj etike kaj juste. Se oni ekzamenas la literaturon pri la temo, por multaj la plej granda kanajlo kiam oni pridiskutas tutmondiĝon estas, kiel s-ro Clarke diras, ja MKO.

Alia direkto kie nia tutglobiĝanta procezo kaptas nin, estas la kampo de la juro. Tie ĉi, ankaŭ nova sinteno kaj nova sento de valoroj necesas. De post la fino de la Dua Mondmilto iom post iom ni alfrontis la bezonon trakti kiel krimojn tiujn agojn de soldatoj kaj aliuloj, kiuj protektitaj de siaj naciaj ŝtatoj agis krime kontraŭ anoj de aliaj ŝtatoj.

Mi mencios nur du tiajn krimojn: krimoj kontraŭ la homaro kaj genocido.

Komenco trovi solvon de tiu ĉi problemo okazis tuj post la fino de la Dua Mondmilito. La venkanto en tiu milito starigis la Nurembergan Tribunalon en Eŭropo kaj la Militan Kriminalan Tribunalon en Japanio.

Tiuj estis almenaŭ komenco rekoni ke tiaj krimoj ne pli longe estu toleratąj.

Pli lastatempe, post la batalado (militoj) en la eks-Jugoslaviaj landoj, la venkintoj denove, - ĉiam ŝajne devas esti la venkintoj - starigis specialan tribunalon en Hago (Nederlando) por juĝi ĉu iuj akuzitoj kulpas. La nomo de Slobodan Miloŝeviĉ konatas al ĉiuj.

Simile de tempo al tempo aliaj specialaj dumtempaj kriminalaj tribunaloj, ekzemple tiuj rilate al Bosnio kaj Ruanda, stariĝis.

Ĉiuj tiaj tribunaloj suferas kaj estas ĉiam kritikeblaj pro ilia starigado de venkintoj neate de sendependaj, profesiaj leĝe kvalifikitaj juristoj, juĝistoj kaj akuzistoj.

Pro tiu kritikado, antaŭ nelonge konstanta Internacia Kriminala Kortumo (IKK) (angle ICC) estis starigita per internacia Traktato de Romo por forigi tian kritikon. Ĝi ankaŭ funkcios en Hago.

Denove, Usono, eĉ antaŭ la starigo de la kortumo kaj de la komenco, kontraŭis kaj ankoraŭ kontraŭas tiun IKK-n kaj deklaras, ke ĝi neniam juĝos iun ajn usonan soldaton aŭ iun ajn alian usonan militiston.

La Kortumo jam estas subtenata de 89 malsamaj landoj alproksimiĝante preskaŭ duonon de la anoj de la UN.

Tamen, Usono arogante kontraŭas ĝin forprenante ĉiujn siajn civitanojn ekster la rego de internacia juro. Pli ol tio, Usono eknegocas per minacoj kun aliaj landoj, por ke ĝiaj militistoj neniam venu sub la jurisdikcion de IKK.

Oni ne povas diskuti la etikon de tutmondiĝo sen diri kelkajn vortojn pri la etikaj kaj maletikaj efikoj de imperiismo. Ĉu imperiismo estas progresiga afero en la homa evoluo aŭ ne? Plej multaj opinioj asertas ke ĝi estis, estas kaj estos ĉiam malprogresiga. Ĉu tio ĉiam veras?

Kiel fono, por kompreni kiamaniere nia nuntempa mondo estis testamentita al ni, helpas nin rememori la fruajn migradojn de primitivaj popoloj el Afriko, antaŭ multaj miloj da jaroj, al preskaŭ ĉiuj partoj de la mondo. Iuj evoluis pli ol aliaj. Asimiladoj de kulturoj ĉiam estis faktoro en iliaj evoluoj.

Pene provante kompreni nian historion, la filozofo Hegel verkis pri la dialektiko de progreso. Marx verkis same.

Je certa etapo de evoluo, historio informas ke imperioj ekaperis. Sklaveco estis normala parto de la fruaj imperioj. Pensu pri ĉina, hindia, persa, greka, romia imperioj.

Malgraŭ la multaj malakcepteblaj aspektoj laŭ niaj valoroj hodiaŭ, kaj tute aparte de la sopiroj kaj celoj de siaj regnistoj, ne povas esti dubo, ke ili ludis progresigan rolon en la evoluo de la homaro. La motoro de dialektikoj igis ilin parto de nia progreso al la aktuala mondo.

Pli poste ni ektravivis la grandajn imperiojn de la naskiĝanta burĝara klaso: la imperiojn de Portugalio, Hispanio, Nederlando, Francio, Britio kaj laste Usono.

La grandaj malkovrantaj velŝipvojaĝoj de la 15-a kaj 16-a jarcentoj de la portugalaj kaj hispanaj navigistoj, kaj poste dum la 17-a kaj 18-a jarcentoj, tiuj de la nederlandanoj, la francoj kaj la britoj.

Ni ankaŭ atestis al la terbazitaj imperioj, ekzemple tiu de Rusio kaj tiu de la otomanoj de Turkio.

La bezonoj de imperialismo gvidis al la konstruo de tiaj grandaj kanaloj kiaj Suezo kaj Panamo.

Ĉiam la mondo, kaj ekonomie kaj kulture, plimalgrandiĝis. Lingvaj malsamecoj helpis bremsi tiun pli kaj pli okazantan malgrandiĝon.

Kiel provon kunligi diversajn popolojn, kiuj antaŭe estis kolonioj de la grandaj imperioj, ni vidis la kreon de grandaj federacioj - Usono, Kanado, Hindio, Aŭstralio, ktp. Iuj sukcesis pli ol aliaj.

Krom tia evoluo, ni travivis la plej terurajn militojn en la historio de la homaro.

Pli da homoj mortis perforte dum la 20-a jarcento ol dum iu ajn alia konata jarcento.

Oni prave povas diri, ke la historio de la homaro estas historio de konfliktoj kaj helpate de teknologiaj antaŭenirajoj, de akompananta progreso.

Estas nur nun, spertinte ĉion kaj alveninte ĉe la komenco de la 21-a jarcento, nekredeble, ni spertas, ne plimalrapidan tutmondiĝon, pro la antaŭe farita progreso, sed eĉ pli rapidiĝantan; la plej rapidan iam!

Mi revenu al la demando kiun mi prezentis al vi je la komenco de la prelego - Kia tutmondiĝo? Kia estas tiu nuntempa pli kaj pli rapidanta tutmondiĝo kiun ni estas spertantaj hodiaŭ?

La demando postulas kelkajn vortojn rilate al la naturo de kapitalismo, ĉar ree ne povas esti dubo ke tio kio antaŭen pelas tiun tutmondiĝantan procezon estas la koncepto de kapitalismo.

Por tion fari mi direktos vin al alia libro, kun la titolo "La Venĝo de Marx" (*Marx's Revenge*) kaj kiu ankaŭ influis mian pensadon. Ĝia aŭtoro estas Meghnad Desai. Ĝi estas eldonita de Verso el Londono kaj Nov Jorko.

Mi ne scias ĉu ĝi aperis alilingve ol en la angla aŭ ne, sed same kiel la libro de Singer, ĝi ege meritas esti Esperantigita.

Kaze ke iuj inter vi ne konas la nomon de la aŭtoro, li priskribas sin esti maldekstra intelektulo.

Li estas marksista politika ekonomikisto kiu naskiĝis en Hindio de hindiaj gepatroj kaj kiu dum multaj jaroj, loĝis kaj laboris en Britio kiel universitata profesoro. Li estas aŭtoro de multaj libroj pri politika ekonomiko.

La ĉefa tezo de la libro de Desai estas, ke tio kio estas okazanta nun en la nuntempa mondo, alivorte "tutmondiĝo", tute akordas kun la teorioj kaj opinioj de Marx mem pri la naturo de kapitalismo. Li argumentas ke sen la eraroj de tiuj kiuj nomas sin marksistoj, tutmondiĝo, en ĝia nuntempa formo, estus anticipita antaŭ multaj jaroj.

Ĉefa kritiko, kiun laŭ Desai Marx mem ankaŭ farus se li estus travivinta, ni diru, la 20-an jarcenton, estas ke maldekstruloj, ofte tiuj kiuj pretendas ke ili estas marksistoj, preskaŭ unuanime tra multo de la 20-a jarcento erare atendis la baldaŭan kolapson kaj morton de kapitalismo mondskale.

Laŭ Desai, kaj laŭ li Marx mem, ĝis nun, kapitalismo, nenie en la mondo estas atinginta finan etapon de sia evoluo.

Desai opinias ke kapitalismo ankoraŭ posedas la kapablon daŭrigi sian vivon dum multaj jaroj antaŭ ol, pro la procezo de dialektikoj, esti anstataŭita de, ni diru, speco de socialismo, komunismo aŭ anarkiismo. Aliajn ismojn li neniam mencias.

Alia ĉefa aserto de Desai estas ke maldekstruloj tro ofte, kun siaj oku-

loj fiksitaj al la estonto kaj al socialismo, komunismo aŭ anarkiismo, forgesas ke Marx, kaj ja ankaŭ la juna Lenino, en siaj skribadoj kaj diroj, strebis, neniam forgese, emfazi la progresigan faktoron en kapitalismo kaj ĝian kapablon progrese ŝanĝi la mondon kaj liberigi tiujn partojn ankoraŭ ne liberigitaj for de la malhelpoj de pli primitivaj sociaj kaj ekonomiaj sistemoj, ekzemple, feŭdismo.

Desai argumentas ke sen tia teologia atendado de ia rapide alproksimiĝanta, okazonta baldaŭa morto de kapitalismo, oni gajnus pli bonan komprenon de tio, kio jam okazis, okazas kaj okazos.




Li malakceptas la agojn de la radikalaj kontraŭ-kapitalistoj, tiuj kiuj manifestaciis ekzemple, en Seattle, en Prago, kaj en sennombraj aliaj tagaj manifestacioj en la mondo, kontraŭ kapitalismo.

Li similigas tiajn manifestacianojn al la Narodniks de la 19-a jarcento kiuj argumentis ke, ĉar Rusio jam grandparte posedis sistemon de komuna posedrajto de la tero, ne estis necese, ke ili submetu sin al la teruraĵoj de kapitalismo.

Desai do prezentas al ni la defiigan demandon, ĉu kapitalismo ankoraŭ ne forkonsumis siajn potencialojn por ŝanĝegoj en la nuntempa aktuala mondo, kaj ŝanĝegoj en la estonto, kiuj ankoraŭ atendas nin.

Fundamente la tezo de Desai estas ke kapitalismo ankoraŭ devas konkeri multajn, ankoraŭ ne sufiĉe kapitalismigitajn partojn de la mondo.

Laŭ li, ni ne forgesu ke Marx diris pri la burĝaro ke ĝi "estis la unua socia klaso kun la kapablo elmontri tion kion la homaro povis atingi. Ĝi plenumis mirindaĵojn ege superante la atingojn de la konstruantoj, de la egiptaj piramidoj, la romianaj akveduktoj kaj la grandaj gotikaj katedraloj.

Estas interese noti ke multajn jarojn poste, bone konata burĝa usona ekonomikisto, Josef Schumpeter, esprimis similajn opiniojn de Marx kiam li prunteprene, priskribis kapitalismon kiel sistemon de kreada detruigado.

En la finaj ĉapitroj de sia libro, Desai, dum li polemike proklamas la avantaĝojn de kapitalismo, - ĝian kapablon produkti abundon - li dialektike ligas tiujn al ĝiaj malavantaĝoj kaj ĝiaj kontraŭdiroj. Kun esceptoj, tiuj ĝenerale rilatas al la malegaleco de riĉecoj, kaj la aliaj ekonomikaj malegalaĵoj.

Li notas ankaŭ ke, krom la naturaj emoj de kapitalismo mem pli riĉigi la riĉajn sociajn klasojn, la registaroj kaj parlamentoj de la kapitalistaj landoj pli kaj pli ankaŭ subtenas la redistribuadon de abundo de riĉeco ĉiam supren.

La titolo de la lasta ĉapitro de la libro de Desai estas "La estonto de kapitalismo: ludfino aŭ ludnuro?" (*The Future of Capitalism: End-game or the Only Game?*)

Akceptante ke konflikto, baraktado, lukto estas neapartigeblaj de kapitalismo kaj ke pro tio, ni havas la dialektikon de progreso, Desai rifuzas prognozi kiam, aŭ kiel kapitalismo kolapsos. Por li, la eblecoj tro multiĝas.

Ĉar mi alproksimiĝas al la fino de mia parolado, lasu min mencii kelkajn vortojn verkitajn de Gilbert Ledon, bona amiko kaj kamarado de ni ĉiuj. Mi faras tion ĉar mi sugestas al vi, ke ili helpos kompreni tion kion, el etika vidpunkto, la estonto petas de ni.

Kiel ni ĉiuj scias, antaŭ nelonge, Gilbert mortis. Li verkis ĉi tiujn vortojn post kiam lia atento estis allogita al la temo de la lasta UK en Brazilo "Diverseco - ŝanco, ne minaco". Tiu temo ofendis lin. Reage al ĝi, li skribis ke la "idealistoj" ree descendu sur la teron kaj evitu konsideri siajn dezirojn kiel realaĵojn!

Li sekvis tion kun pledo por pli da asimilado de diferencoj kaj citis la vivantan kazon de tio, kion mi priskribos kiel asimiladon en Brazilo.

Post kritiko de la emoj tra la mondo de homoj apartigi sin refere al siaj raso, etno, religio, koloro de haŭto, aŭ io alia, li verkis: "Feliĉe ekzistas kelkaj esceptoj kie homaj valoroj interplektiĝas, kunfandiĝas sen konfliktoj kaj atingas novan civilizacian formon.

Brazilo estas unu el tiuj malmultaj ekzemploj, kie la diverseco estas fonto por kultura riĉeco. En Brazilo la vortoj gento, etno, ne havas signifon. Pli ĝuste homoj el ĉiuj partoj de la mondo, nigruloj, blankuloj, flavuloj, intermiksiĝas kaj formis novan genton. La diferencoj inter rasoj stompiĝas kiam ili entute ne malaperis. Sendube iu naciismo, verda kaj flava kreiĝas precipe per futbalo kaj karnavalo sed sen ekscesoj kaj konfliktoj. La religia diverseco estas

amuza. El la oficiala religio romkatolika greftiĝis dekoj eble centoj da apartaj sektoj ligitaj ĉu al kristanismo ĉu al afrikaj animismoj. Ĉio tio, en sia diverseco restas en paca kunvivado." Kvankam Gilbert eble iomete maldelikate esprimis kelkajn aferojn, la substanco de tio kion li diris estis pledo por asimilado.

Iuj inter vi eble opinias, ke Gilbert tro simpligis la problemon kaj tro idealigis la brazilan situacion, ĉar la ekonomiaj problemoj de Brazilo multiĝas - oni pensas pri la senteraj kamparanoj - sed ne povas esti dubo pri la manko de antaŭjuĝo tie inter la malsamaj gentoj kaj rasoj kaj religiaj grupoj, kiuj identigas sin kiel nur brazilanoj.

Lasu min, ĉar tempo postulas ke mi ne parolu tro longe, fari miajn ĉefajn pledojn al vi.

Oni povas diri ilin multmaniere.

Nia pli kaj pli rapide tutmondiĝanta mondo devigas nin pensi globe, preter niaj sentoj de loka identeco kaj al pli kaj pli forta sento de universaleco.

Farante tion ni strebu pli interkroĉigi la popolojn de la mondo. Ekzistas pli da komunaj ecoj ol tiuj kiujn ili havas aparte.

Intertempe, agite, barakte kaj lukte ni strebu demokratigi la kapitalisman tutglobiĝon.

Ni strebu etendigi la sukceson de la brazila sennaciismo menciitan de Gilbert Ledon al la cetera mondo.

Ni rememorigu al ni la vortojn de Lanti de antaŭ 80 jaroj kiam li diris: "SAT-anoj kutimiĝu al eksternacia sent-pens- kaj agadkapablo." Ni strebu etendigi tion al la tuta mondo.

Ni kuraĝigu senton de sennaciismo kaj strebu konsideri nin esti pli civitanoj de la mondo ol civitanoj de iuj apartaj lokoj, gentoj, nacioj aŭ ŝtatoj.

Kadre de tio, kaj aludante nur al ni esperantistoj, mi aparte volas mencii specialan ne ofte uzatan vorton al vi. Tiu vorto estas "diasporo".

Laŭ PIV: diasporo signifas "disiĝo de iu komunumo. "

La vorto ja taŭgas kaj aplikiĝas al esperantistoj, homoj kiuj loĝas en malsamaj partoj de la mondo, fakto kiu konsistigas nin esti esperantista diasporo. Ne gravas ĉu ni konsideras nin esti finvenkistoj aŭ raŭmistoj.

Pro tio, mi mem bonvenigas la kreon de la Esperanta Civito.

Pere de la interreto esperantistoj nun havas la kapablon interplektiĝi ĉiuj kun aliaj kie ajn en la mondo ili loĝas.

Foje mi opinias ke tage mi havas pli da kontaktoj kun alilandanoj ol kun miaj samstratanoj.

Aktive kaj agite ni strebu, kadre de iuj ajn rimedoj kiujn ni posedas, reformi organizojn tiel kiel UNO.

Ni ĉiuj scias kiel lastatempe, grandaj naciaj ŝtatoj ignoris UNO-n se tiuj konsideras ĝin esti bremso je tio kion ili volas fari. La tragedioj de Afganistano kaj Irako estas nur du ekzemploj de tio.

La Sekureca Konsilio devas esti reformata por ke ĝi estu demokratigata kaj havu pli da sendependa potenco, kun la rimedoj uzi tiun potencon kiam la volo de la Konsilio demokrate petas ĝin. La vetoa povo estu forigita.

Kiel paŝo antaŭen al pli bona, pli paca mondo, la lastatempa kreo de Eŭropa Unio estas probable la plej grava evento kiu okazis en la mondo dum multaj, multaj jaroj. Ni aplaŭdu ĝin.

Pli ol tio, mi aŭdacas sufiĉe provi kuraĝigi nin subteni la ideon de Monda Federacio kaj agiti por tion atingi. Eventuale ia speco de monda registaro devos veni. La problemo estos, kiam tio okazos, kiel certigi ke ĝi estu tute demokrata mondregistaro kaj ne ia speco de tre malproksima granda burokratio.

La homaro havas la kapablon tion fari.

Eĉ nun, eminenta usona profesoro, Ronald Glossop de Usono, jam verkis kaj Esperantigis bonegan libron kies titolo estas: "Monda Federacio? Ampleksa Analizo de Federacia Mondregistaro."

Mi rekomendas ĝin al vi. Li dediĉis la libron al "la evoluanta monda komunumo"!

Ulrich Lins

# Revoj kaj esperoj en Ĉinio

Kion instruas la historio de ĉina anarkiismo? Okaze de nova scienca studo

En Germanio aperis ampleksa studo pri la ĉina anarkiismo, kiu meritas atenton (1). Temas pri verko de la sinologino Gotelind Müller, origine profesoriĝa tezo submetita al la Universitato de Freiburg. La temo estas la rolo, kiun en Ĉinio en la unuaj tri jardekoj de la pasinta jarcento ludis intelektuloj, inspiritaj de la ruso Petr Kropotkin kaj aliaj teoriistoj de anarkiismo. Tiuj ĉinaj anarkiistoj ekrimarkiĝis nelonge antaŭ la revolucio de 1911, unue ne en la lando mem, sed eksterlande, nome en Tokio kaj Parizo ekde junio 1907. Tie ili konatiĝis kun francaj kaj japanaj sampensanoj kaj publikigis ĉinlingvajn periodaĵojn, kiuj celis propagandi la revolucian idearon. Per tio ili kontribuis al la faligo de la imperiestra dinastio.

Ne eblas resumi ĉiujn aspektojn de la temaro. Mi limigu min ĉefe al unu temo, kiun tra la tuta historio de la ĉina anarkiismo oni diskutis kun granda vervo: la lingva problemo. Konsciante, ke grandegaj fortostreĉoj necesas por konduki Ĉinion al modernigo, la revoluciuloj en Parizo kaj Tokio kredis, ke la ĉina lingvo kun sia skribo ne taŭgas por la nova epoko. Ili anstataŭe pledis por Esperanto (kiu laŭ la ĉinaj ideografiaĵoj egalas al "mondlingvo"), ĉar ĝi ŝajnis plene akordi kun la monda progreso de scienco kaj tekniko kaj ankaŭ ĉar ĝin varme subtenis eŭropaj kaj japanaj anarkiistoj. En la gazeto Xin shiji (Nova Jarcento), kiu aperis semajne kun la subtitolo La Novaj Tempoj, la parizanoj detale prezentis sian opinion pri Esperanto, kaj preskaŭ samtempe iliaj kunbatalantoj en Tokio varbis por la Esperanto-kursoj, kiujn gvidis la fama anarkiisto Ôsugi Sakae. La revolucio signifis grandan paŝon antaŭen ankaŭ por la esperantistaj anarkiistoj. En 1913 en Ĉinio mem, en Kantono, ekaperis la semajna revuo Minsheng aŭ La Voĉo de la Popolo (2). Eldonis kaj redaktis ĝin Liu Shifu (Esperante: Sifo), karisma persono kun trajtoj de misiemo, al kiu la aŭtorino prave atribuas elstaran gravecon en la historio de la ĉina anarkiismo, nomante lin eĉ ĝia "personigo".

Sifo vigle klopodis eklanĉi veran anarkiisman movadon surbaze de kelkaj gvidprincipoj, al kiuj apartenis: forigo de privata posedaĵo, likvido de geedzeco, abolo de armeo, polico kaj prizonoj, rezigno pri leĝoj, vegetarismo. Esperanton li konsideris integra parto de sia socia revolucio. La strebadon de la esperantistoj Sifo preskaŭ identigis kun la celoj de anarkiismo, ĉar, laŭ li, ambaŭ havas la finan celon de tutmonda paco. Diference de la tre teoriemaj kamaradoj en Parizo kaj Tokio, li vere uzis Esperanton por la interŝanĝo de ideoj. Kontraŭ tiuj, kiuj "finvenkisme" revis, ke per Esperanto eblas malaperigi la ĉinan lingvon, Sifo kaj liaj disĉiploj tute malutopie emfazis ĝian tujan utilon, ekzemple por la akiro de scio per la korespondo kun eksterlandanoj.

Bedaŭrinde Sifo frue mortis, en 1915, nur 31-jara (3). Sed la anarkiisma movado pluvivis, dum evoluis ankaŭ ekster ĝi, la Esperanta. Gotelind Müller prezentas la diskutojn pri lingva estonteco, kiuj atingis novan kulminon fine de 1916, en la kulturrevolucia ardo de gvidaj intelektuloj. Ŝi notas la subtenon de gravaj personoj kiel la unua postrevolucia ministro de edukado Cai Yuanpei, la verkisto Lusin (Lu Xun) kaj la eldonisto-ĵurnalisto Hujucz por Esperanto, la rolon de Vasilij Eroŝenko, la agadon de elstaraj anarkiistoj-esperantistoj kiel Bakin, Sinpak (4), Wong Kenn, Bao Pu, Lu Jianbo kaj ankaŭ la diskut-kontribuon de la kunfondinto de Komunista Partio de Ĉinio (KPĈ), Chen Dŭiu (5). La libro baziĝas unuavice kompreneble sur ĉinlingvaj fontoj. Krome la aŭtorino uzis japan- kaj esperantlingvajn materialojn (ekz. la Esperantajn paĝojn de ĉinaj anarkiismaj periodaĵoj) kaj ankaŭ ekspluatis la revuon El Popola Ĉinio.

Mi dubas, ĉu en iu lingvo, inkluzive de la ĉina kaj Esperanto, ekzistas tiel detala priskribo kaj analizo de la temo "Esperanto en Ĉinio". La valoron de tiu ĉi studo substrekas la fakto, ke la aŭtorino donas tre interesajn detalojn pri "peresperanta" agado. Komence, la teoriaj verkoj de neĉinaj anarkiistoj estis konatigitaj per Esperanto. Eltiraĵoj aperis en La Voĉo de la Popolo, kiu publikigis ankaŭ tradukojn el Internacia Socia Revuo, Esperanta revuo tiam aperanta en Amsterdam, pri la revolucia movado en diver-

saj landoj. Sifo mem tradukis en la ĉinan la verketon de Paul Berthelot, *La evangelio de la horo*, kiu havis notindan influon al ĉinaj kaj japanaj anarkiistoj (6). Poste, Esperanto estis uzata por firmigi la propran pozicion en la lukto kontraŭ antagonistoj, precipe la "bolŝevistoj", kiuj bazis sin sur sia - rusa - modelo de revolucio. La anarkiistoj energie forĵetis tiun modelon kaj vidis, kiel ilia "patro" Kropotkin, abisman diferencon inter sia idealo de libera socio kaj la burokrati-centrisma, diktatoreca sistemo, kiun establis Lenin en 1917 en Rusio. Bao Pu, kiu ekde aŭgusto 1922 studis en Moskvo, sed post kelkaj monatoj revenis tute seniluziiĝinte, aperigis aron da artikoloj pri la "fiaskinta" rusa revolucio. (Li raportis ankaŭ,




ke Ĉeka, la sekreta polico, opinias Esperanton danĝera.) Simile esprimis sin Bakin kaj - tamen pli singarde - Eroŝenko.

Ĉu la kutima polemikado inter malsamtendencaj revoluciuloj? Ni rigardu disputon, kiun en la jaro 1922 havis ĉinaj anarkiistoj kaj marksistoj en Francio. En anarkiista bulteno (ĉinlingva) aperanta en Parizo estis publikigita artikolo, kiu fokusiĝis al la sovetia „perfido" de la idealoj de komunismo. Post kelkaj monatoj la komunistoj en sia gazeto rebatis. Tiun taskon transprenis neniu alia ol Zhou Enlai, la poste famiĝonta ĉefministro de Ĉina Popola Respubliko. Zhou defendis la politikon de la regantoj de Moskvo. Evidente por senkreditigi la kritikon de la anarkiista gazeto, li atentigis, ke ĝiaj argumentoj baziĝas sur legado de iu – laŭ li, certe ne bone informita – Esperanta revuo.

Mi konsultis la revuon, al kiu Zhou aludis. Temas pri Sennacieca Revuo. Almenaŭ unu artikolon, „Ekrigardo al Sovjeta Rusio" de Hermann Konovalov (7), la anarkiistoj tute bone povus utiligi (8). Relegante ĝin hodiaŭ, oni trovas ĝian analizan kritikon esence trafa, fakte konforma kun nun preskaŭ komuna scio. La esperantistoj jam siatempe ĝuste komprenis la kontraŭdirojn de la fru-sovetia sistemo kaj intuicie antaŭsentis, kien ĝi degeneros. Kaj Zhou Enlai malpravis.

Bao Pu daŭrigis sian malkaŝadon de la sovetia diktatoreco. En 1924 aperis kolekto de liaj artikoloj kritikaj pri Rusio; la ĉinlingva libro havis la Esperantan subtitolon Malsukceso de rusa revolucio. Li ne hezitis skurĝi la moskvan Komunistan Internacion kiel „ruĝan imperiismon". Tiurilate li je dek jaroj antaŭis la SAT-fondinton E. Lanti, kiu en 1935 komencis nomi la sovetian sistemon "ruĝa faŝismo" (9). Estu menciite en tiu ĉi kunteksto, ke SAT en la dudekaj jaroj klopodis resti ekster la disputo inter anarkiistoj kaj sovetiemaj komunistoj. Sennacieca Revuo aperigis meze de 1924 longan artikolon pri la anarkiista movado en Sovetio kun priskribo de la persekutoj. Tion Lanti poste pentis, timante damaĝon al la "unuecfronta" celado de SAT (10). Rezulte, multaj anarkiistoj eksiĝis el SAT kaj en 1924 fondis sian propran asocion, Tutmonda Ligo de Esperantistaj Senŝtatanoj (TLES), en kiu membriĝis ankaŭ la ĉinoj Bakin, Bao Pu (11) kaj Lu Jianbo.

Republikigante tekstojn de Sifo en 1927, liaj adeptoj laŭdis lian heredaĵon kvazaŭ kiel kuracilon kontraŭ la infektiĝo per marksismo. Samjare ekaperis en Ŝanhajo nova semajna revuo de la anarkiistoj, kiu dediĉis sin al la batalo kontraŭ KPĈ. Ĝi nomis Esperanton "tria revolucio", samrange kun anarkiismo kaj komunismo: Dum anarkiismo prezentas la politikan revolucion kaj komunismo la socian, "esperantismo" per sia idealo de tuthomara interfratiĝo konsistigas la "spiritan revolucion".

Tamen, ekde la tridekaj jaroj la komunistoj pli kaj pli flankenŝovis la anarkiistojn. Ĉu do Gotelind Müller dediĉis preskaŭ 800-paĝan studon al "perdita afero"? Ŝi konscias pri la problemo, ke la anarkiismo en Ĉinio, kiel ankaŭ aliloke, ŝajnas "historia epizodo". Enkonduke ŝi klarigas sian intencon forlasi la koncentriĝon al tio, kio "sukcesis", kaj prilumi la historion el nekutima perspektivo, nome kontribui al la kompreno de moderna Ĉinio per esplorado de estintaj kaj eble ne plene forgesitaj alternativoj. Ŝi koncedas, ke la ĉina anarkiismo neniam evoluis al amas-movado, ke eĉ ne eblas mezuri ĝian efikon. Tamen, ŝi bone elstarigas la specifaĵojn de anarkiismo en Ĉinio. Tiu – diference de la okcidenta anarkiismo, kiu kutime ligiĝas kun Miĥail Bakunin – klare preferis la instruon de Kropotkin, precipe lian kontraŭdarvinisman principon de reciproka helpo, kiu, ĉar socie harmoniiga, pli multe akordis kun la ĉina tradicio. Krome, estas atentinde, ke la ĉinaj anarkiistoj ne, kiel iliaj alilandaj kamaradoj, kvazaŭ malespere reagis je la ekonomia minaco de kapitalismo, sed antaŭ ĉio sopiris je "transnacia estonteco". Ili precipe dank' al Sifo emfazis internaciismon, ĉar ili volis esti ne nur ĉinoj, sed mondaj civitanoj. Laŭ la aŭtorino, la anarkiismo en Ĉinio estis "produkto de espero". Por ilustri tion ŝi refoje listigas la nomojn de la ĉefaj kunagantoj de

Sifo: Ni ne (plu) miras, ke tiuj gvidaj anarkiistoj preskaŭ ĉiuj estis esperantistoj. (Unu el ili, Bakin, vivas, nun 99-jara.)

Tiu internaciismo ne nur koliziis kun la naciismo disvastiĝanta en Ĉinio, sed ankaŭ diferenciĝis de la komunist-partia "internaciismo", kiu limiĝis "al ne multe pli ol la ligo kun Moskvo". La historio de anarkiismo en Ĉinio ne estis "historio de sukceso", konkludas Gotelind Müller, sed ŝi substrekas, ke la anarkiismo, direktinta sian kritikon al strukturoj de aŭtoritato kaj komenc-stadie elprovinta novajn formojn de homa kunvivado, estas kaj verŝajne restos "eterna pikilo". Aŭ stimulilo?



## Notoj:

(1) Gotelind Müller, *China, Kropotkin und der Anarchismus. Eine Kulturbewegung im China des frühen 20. Jahrhunderts unter dem Einfluss des Westens und japanischer Vorbilder* (Ĉinio, Kropotkin kaj la anarkiismo. Kultura movado en Ĉinio komence de la 20a jarcento sub la influo de la Okcidento kaj de japanaj modeloj). Wiesbaden: Harrassowitz Verlag, 2001. XI,784 p. – Pli mallonga versio de tiu ĉi libro-prezento aperis en *La Revuo Orienta* (Tokio).

(2) Ekde n-ro 4 ĝi aperis en Ŝanhajo. Represo de la tuta kolekto de *Minsheng / La Voĉo de la Popolo* estis eldonita en Kioto en 1992.

(3) Vd. la nekrologon pri Sifo, de K.Ĉ. Ŝan (Sheng Guocheng), en *Sennacieca Revuo*, marto 1924, p.4.

(4) La plej bona resumo de la rilatoj de Bakin al Esperanto estas la artikolo de Shi Chengtai, "Esperanto en Bakin". *Esperanto* 87. 1994, p. 164-165, 191-193.

(5) Kvankam mem ne plene konvinkita pri Esperanto, Chen Dŭiu en 1917 atakis tiujn, kiuj kontraŭas ĝian kontribuon al "unu mondo", kiel naciistojn.

(6) En 1928 aperis ĉina traduko de *Etiko* de Kropotkin, fare de Bakin, kiu utiligis por ĝi ankaŭ la Esperantan eldonon, aperintan ĉe SAT en 1926.

(7) Majo 1922, p. 2-3. – Citaĵo: "...anstataŭ komunismo la tuta lando aspektis kiel granda kazerno."

(8) Verŝajne utila por ili estis poste ankaŭ la artikol-serio de E. Lanti, „Tri semajnojn en Rusio", *Sennacieca Revuo*, novembro 1922 ĝis julio 1923, kiu tamen ekaperis nur post la polemiko kun Zhou Enlai.

(9) Pri tio vd. mian artikolon "Lanti antaŭ Silone kaj Orwell. Fruaj provoj malkovri la karakteron de stalinismo", *Sennacieca Revuo*, nova serio, n-ro 118, 1990, p. 1-15.

(10) Kp. U. Lins, *La danĝera lingvo*, Moskvo 1990, p. 213-215.

(11) En la organon de TLES Bao Pu metis la jenan anoncon: "Mi tute ne deziras korespondi kun bolŝevikoj-esperantistoj aŭ simplaj esperantistoj, ĉar mi devas kontraŭbatali bolŝevikojn kaj aliajn reakciulojn." (*Libera Laboristo* 1. 1926, n-ro 5/6; samnumere ankaŭ artikolo lia, "Bolŝevikoj kaj Ĉinio".)

# Historio de la naciisma ideologio en Japanio

Tetu Makino

*2003-10-25/26 ĉe la SAT-kunveno en Kaga, Japanio memore de la bonvenigo de k-do Kreŝimir Barkoviĉ*

## Enkonduko

La japana vorto `kuni' (=lando) estas ambigua. Ĝi povas signifi ŝtaton kaj ankaŭ hejmlokon. Fi-naciistoj malbonuzas ĉi tiun ambiguecon. Ili diras: se vi amas vin, vi amas vian familion; se vi amas vian familion, vi amas najbarojn; se vi amas najbarojn, vi amas vian hejmlokon; se vi amas vian hejmlokon, vi devas ami la ŝtaton, ĉar la ŝtato estas la hejmloko. Mi ne ŝatas ĉi tiun pseŭdologikon.

Ŝtato ne estas hejmloko, sed estas la organo, per kiu reganta klaso reguligas regatan klason. Ŝtato aŭ nacio konsistas el homoj, kiuj havas proprajn rajtojn kaj diversajn emojn. Sed la regantaro altrudas, ke la popolo servu kvazaŭ uniformuloj al la ŝtato. Por fari tion, la regantaro uzas naciisman ideologion, ĉar la trudo devas esti pravigata al la popolo en pli-malpli demokratiigita ŝtato. Do mi pensas, ke la ĉefa malamiko de la SAT-movado en Japanio estas la naciisma ideologio en Japanio, kiu havas propran historion.

Jen raporteto pri naciisma ideologio en Japanio.

## Establo de japana filologio (`kokugaku')

L'antikva japana ŝtato (Yamato) establiĝis en la 4-a jarcento sub l'influo de la ĉina kulturo. En la 8-a jarcento aperis du libroj pri la historio de Japanio: `Koziki' (712) kaj `Nihon Syoki' (720). La japana kulturo estis komplete subalterna al la ĉina kulturo. Do ambaŭ libroj estis skribitaj per ĉinaj ideogramoj. Pri `Nihon Syoki' estas neniu lingva problemo, ĉar ĝi uzas ĉinan lingvon.

Fakte, eĉ la komenca frazo de `Nihon Syoki' estas plagiato de la ĉina libro `Huainanzi'. Sed `Koziki' estas japanlingva. La maniero legi voĉe `Koziki' per japanaj vortoj tra ĉinaj ideogramoj estis longe perdita. Norinaga Motoori (1730-1801) sin dediĉis al la studo de `Koziki' kaj establis la japanan filologion (= `kokugaku [mikuni no mono manabi]', t.e. ekvivalento de la `Wissenschaft der Nationalität' de von Humboldt) per la verko `Koziki-den' (1764-1798), kiu klarigis kiel legi voĉe `Koziki' per pure japanaj vortoj. Li estas la plej granda homo de la japana filologio. Motoori studis la antikvan japanan lingvon per ekzakte pozitivisma metodo, sed lia motivo estis tre fanatika ŝovinismo.

Li volis klarigi la vojon de dioj (`kami no miti'). Li diras en l'Enkonduko de `Koziki-den': "La spiriton de la vojo de dioj oni povas scii kaj kompreni per profunda lego de antikvaj libroj. La nuntempaj saĝuloj estas malpurigitaj de ĉinaj literaturaĵoj. Ili adoptas budhismon aŭ ĉinajn filozofiojn kaj ne komprenas la veran spiriton japanan.

Iliaj parolaĵoj estas privataj arbitraj opinioj, kiuj aperis nur en moderna tempo. La vojo de dioj adoptas nek budhismon nek konfuceanismon. Ĝi devas establi teorion per observo de nur tio, kio troviĝas en antikvaj legendoj kaj libroj japanaj. Se vi rezonas per diraĵoj de budhismo aŭ konfuceanismo kaj diras tion, kio ne troviĝas en diaj libroj, vi estas malprava." Do la filologio estas la metodo por atingi la spiriton de la vojo de dioj. Li diras: "L'esenca punkto de la scienco estas klarigi antikvajn vortojn multfoje kaj scii l'antikvan manieron. Do la trajtaro de la spirito de antikvaj homoj povas esti sondata surbaze de la maniero de parolo, kaj nur per klarigo de l'antikva lingvaĵo ni povas scii la tutan antikvan ideon."

Por Motoori la vojo de dioj estas tre primitiva, naiva kaj trans la logiko. Pro tio ĝi estas kredenda. Li kredas tion, ĉar ĝi estas absurda. Li diras: "'Koziki' estis skribata sen aldono de saĝumado, rekte laŭ antikvaj legendoj. La vero de l'antikvo troviĝas en ĝi. Kia estas la vojo de dioj? Ĝi ne estas natura vojo aŭ vojo de neniofarado (kiel laŭ la filozofio de Laozi kaj Zhuangzi [taoismo]). Ĝi ne estas vojo farita de saĝuloj (kiel laŭ konfuceanismo ). Ĉi tiu vojo estas komencita de Kamurogi-izanaki-ohomikoto (dio, kvazaŭa Adamo) kaj Kamurogi-izanami-ohomikoto (diino, kvazaŭa Eva) per la spirito de Takami-musubi-no-kami (dio de kreado), kaj ricevita de Amaterasu-ohomikami (diino de la suno), kaj estas heredata per jardekmiloj da dinastio de Tennooj

(Tennoo=imperiestro japana)."

Li malakceptis la ĉinan filozofion, ĉar la ĉina maniero de pensado estas trouzi saĝecon kaj rezonadon. Ĉinoj parolas troige, laŭ Motoori, kaj tio kaŭzas konfliktabundon. Li diras: "Kontraŭe, per la japana vojo de dioj la japana mondo estas longe paca kaj la dinastio de tennooj estas eterna. (Laŭ la ĉina filozofio la popolo havas rajton ŝanĝi la dinastion de imperiestroj, nome la rajton de revolucio [`geming'].) La japana vojo estas tre granda, tiel ke fakte ekzistas la vojo sen parolo pri la vojo. Sciu la diferencon inter la vojoj ĉina kaj japana".

Motoori estis troige ŝovinisma, egocentrisma. Li diris: "Nia tennolando (=Japanio) estas origine la ĉefo de ĉiuj landoj en la tuta mondo. L'antikva legendo de nia tennolando estas senrivala inter tiuj de aliaj fremdlandoj. Ĝi estas la unusola vera tradicio. La vivmaniero de ĉiuj homoj en la tuta mondo nuntempa devas koincidi kun la spirito de l'antikva dieca Japanio. Tio estas mirinda!" ( `Kakarika', 1790)

La kritiko de Akinari Ueda (1734-1809) al la freneza Motoori estas interesa. Li diris: "Motoori diras, ke la japana diino de la suno prilumas la tutan mondon. Ĉu vere? Mi serĉis nian tennolandon sur ĉi tiu mapo (murkarto de la terglobo farita de nederlandano). Mi trovis, ke ĝi estas tiel malgranda insularo kiel folietoj disflugintaj pro vento sur vasta lago. Antikvaj legendoj kaj libroj dependas de la diversaj landoj. La `japana spirito' estas aberacio, same kiel la ĉincentrismo."

La refuto de Motoori estas tre seka: "Ueda estas malpurigita de la ĉina ideologio. Mi kredas kiel klasikisto. Tiuj, kiuj ne kredas la klasikan studon, ne kredu. Tiuj, kiuj kredas, kredu. Kion mi povas fari por tiuj, kiuj ne kredas?"

Tiel l'enhavo de la filozofio de Motoori estas malriĉa. Ĝi staras nur por negi la ĉinan filozofion. Ĝi estas tro ideologieca kaj ŝovinisma. Sed lia vidpunkto pri la japana vojo de dioj estis foje akceptata kiel la principo de la pura ŝintoismo, kaj revivadis ĝis nun. Y. Mori alvokis: "Japanio estas la lando de dioj, kies centro estas la Tennoo. Ĉiuj nacianoj devas firme scii tion." je la 13-a de majo 2000, kiam li estis la ĉefministro de la japana registaro. Ho ve!



N. Motoori

## `Eliru el Azio kaj eniru en Eŭropon'

La Renoviĝo de Meizi (1868) starigis rektan regadon de la Tennoo, kaj Japanio komencis estiĝi moderna industria socio. Gvidantoj de la Renoviĝo ŝanĝis feŭdan regadon kun apartigitaj feŭdoj, strikta rangordo kaj nacia sinfermo al moderna nacia ŝtato, starigis centralizitan burokration, novan sistemon de impostado kaj modernan rekrutan armeon. Feŭdaj klasoj perdis sian rangon. Universala edukado helpis krei unuigitan nacian sistemon. En 1889 la Konstitucio de la Japana Imperio komencis la parlamentan registaron unuan en Azio. Japanio estiĝis forta imperiisma potenco per la venko en la Ĉina-Japana Milito (1884-1885), per la venko en la Rusa-Japana Milito (1904-1905) kaj l'anekso de Koreio (1910).

Yukiti Hukuzawa (1835-1901) estas unu el ideologoj de la moderniĝo de Japanio. Li naskiĝis en malalta klaso de la samurajaro (=feŭda militista kasto japana), kaj diris: "La sistemo de altdeveneco estas io, kontraŭ kio mi devas venĝi mian patron." (`Aŭtografio', 1897) Lia libro `Stimulo al lernado' (Gakumon no Susume, 1871) komenciĝas per la frazo: "La Ĉielo nek faris iun super aliaj nek faris iun sub aliaj. Do homoj, kiujn la Ĉielo naskas, havas egalan klason kaj havas nenian diferencon de riĉo kaj malriĉo denaskan."

Plue Hukuzawa skribis: "Nacioj havas egalajn rajtojn. Nacio estas aro de homoj. Japanio estas aro de japanoj kaj Anglio estas aro de angloj. Ambaŭ, japanoj kaj angloj, havas egalajn rajtojn. Se estas malkonvene, ke unu homo atencas unu alian, estas malkonvene, ke du homoj atencas du.

Estas same ĉe miliono aŭ dekmiliono da homoj. La konveneco ne dependas de la nombro. En la mondo

